...no Popola

# VIVO DE JESUO

de

## ERNEST RENAN

ESPERANTIGIS

**Emilo Gasse**

laŭ la 78ª milo franca



Francujo: EMILO GASSE, 77, rue Ernest Renan, Havro

Germanujo: MÖLLER & BOREL, Prinzenstr. 95, Berlino

Rusujo: Sro ESPERO, Bolshaja Podjacheskaja, 24. kv. 12
Skt. Peterburgo

1907

Eldono Popola

# VIVO DE JESUO

de

ERNEST RENAN

ESPERANTIGIS

Emilo Gasse

laŭ la 78ª milo franca

EMILO GASSE, 77, rue Ernest Renan
Havro (Francujo)

1907

# AVERTO DE L' TRADUKINTO.

La leganto miros, ekvidante ke chitiu (1) libro estas presita sensupersigne.

Eble li pensos, ke ni volis ennovigi incitate de ia reforma manio.

Sed eble li konsideros nian provon pli simpatie, se li bonvolos kredi la sincerecon de la jenaj vortoj.

Ni mem tute malaprobis iam la « flanken alfabeton ». Tamen, la sperto nin instruis. Ni penis presigi chitiun libron che presejo havanta supersignojn : sed post unujara vana atendado, ni decidighis presigi ghin aliloke. Tiam ni konstatis, ke la kelkaj aliaj presistoj, kiuj havas la supersignojn, konsideras ilin kiel privilegio kaj postulas prezojn troajn (2), kiuj neniel estas kunireblaj kun la prezo de verko « popola » Fine, trovante presiston, ni ekaudis pri bruoj de shanghoj sufiche gravaj en la lingvo, por forigi ghiajn supersignojn.

Tiam ni havis du elektojn : 1e utili la neinformitecon de presisto por igi lin akiri presliterojn supersignajn, kiuj eble post kelke da semajnoj estus neuzeblaj ; 2e simple alpreni la solvon (1), kiun nia Majstro donis li mem. Ni plishatis la plej honoran.

---

(1) « Presejoj, kiuj ne posedas la literojn c, g, h, j, s, u supersignajn, povas anstatau ili uzi ch, gh. hh, jh, sh, u. » Fundamenta Krestomatio. pgh. 254a.

(2) La presistoj ja esta nur duone kulpaj pri tio, char grandliteroj supersignaj devigas ilin al « paragonado » tre kosta; tial oni jam de longe forlasis la supersignojn sur la grandliterojn, ekz en franca kaj germana lingvoj.

Se tiuj tialoj ne sufichus por kontentigi la legant on, ni diros al li ke *Dro Zamenhof mem sciigis al ni persone sian aprobon pri tiela preso sensupersigna de chiliu verko.*

Post tia aprobo, ni kredas chian ajn tialon senbezona.

Multe da samideanoj presigantaj plendis ofte pro la supersignoj, sed chiuj atendas ekzemplon. Ni esperas, ke chi tiu modesta ilin kuraghigos.

Ni neniel kontraubatalas la supersignojn, sed ni opinias ke, char la nombro de la kompostiloj (linotipoj) kaj skribmashinoj pli kaj pli grandighas, kaj char Esperanto pli kaj pli chiepresighas, sensupersigna presado alvenas ghustatempe en la praktiko.

Ni estas certa, ke se la leganto bonvolos konsideri senpartie la aferon, li rapide kutimighos al tiela alfabeto. Per tiu bonvolo, li helpos efike al nia afero, forigante unu el ghiaj gravaj baroj.

Marto 1907.

---

# AVERTO

## DE LA ELDONO FRANCA.

Char estis donata al mi skribi pri Jesuo figurajhon, kiu ricevis ian atenton, mi kredis min devigata prezenti tiun figurajhon, en formo konvene pretigita, al la malfelichuloj, al la malgajigatoj el chi tiu mondo, al tiuj, kiujn Jesuo plejamis. Char multe da personoj bedaùris, ke la libro pro ghia prezo kaj grandeco ne estas akirebla de chiuj, mi oferis l'antaùparolon, la notojn kaj kelkajn lokojn en la teksto, kiuj supozigis la leganton sufiche klera en la esploroj specialaj de la kritiko. Per la malmeto de tiuj diversaj partoj, oni atingis trioblan celon Unue la libro farighis je formato tiel modesta, ke chiu persono, al kiu ghi plachos, povos ghin posedi. Due mi ne kredas, ke en ghi restas unu vorto, nek unu frazo postulanta, por esti komprenata, lernojn antaùajn. Fine per tiuj fortranchoj mi ricevis rezultaton, kiu ne estas al mi malpli multevalora. Mi estis faranta mian libron kun la malvarmeco absoluta de historskribisto, kiu celas nuran objekton : ekvidi la nuancon plej delikatan kaj plej ghustan de l'vero. Chitiu malkashajho ne povis manki kaùzi kelkajn ofendetojn al tiom da animoj bonegaj, kiujn kristismo altigas kaj nutras. Pli ol unu fojon. mi bedaùris vidante personojn, al kiuj mi senlime shatus plachi, deturnitajn de la lego de libro, en kiu kelkaj paghoj eble ne estus por ili sen agrableco nek sen frukto. Mi kredas, ke multe da veraj kristanoj trovos en chitiu libreto nenion ofendantan ilin. Shanghante nenion ajn de mia penso, mi prosperis forigi chiujn lokojn, kiuj estus eble kaùzontaj malkomprenighojn, aù kiuj postulus longajn klarigojn.

Historio estas scienco kiel kemio, kiel terajhscienco. Por esti tute komprenata, ghi postulas studojn profundigitajn, kies plejalta rezultato estas scii shati la nesamon de la tempoj, de la nacioj kaj de la rasoj. Hodiaŭ, homo kiu kredas je la fantomoj, je la sorchistoj, jam ne estas konsiderata kiel homo serioza che ni. Sed, iam, homoj eminentaj kredis je chio tio, kaj eble, en iaj landoj estas ankoraŭ eble, en niaj tagoj, kunigi veran superecon kun samaj eraroj. La personoj, kiuj ne ghisiris per vojaghoj, per longaj legadoj ou per granda penetremo spirita, kompreni tiujn malsamojn, trovas chiam ion ofendanta en la rakontoj del' estintajho; char la estintajho, tiel heroa, tiel granda, tiel stranga, ne havis, rilate iajn punktojn tre gravajn, ideojn samajn al niaj. La historio plena ne povas posteniri antaŭ tiu malfacilajho, ech kun la risko naski la plej gravajn malkomprenighojn. La sincereco scienca ne konas singardajn mensogojn En chitiu mondo estas neniu agigo suſiche forta, por ke scienculo detenu sin en l'esprimo de tio, kion li kredas vera. Sed, kiam oni estas dirinta, sen ia ombro de kashita penso, tion, kion oni kredas certa aŭ ebla aŭ farebla, chu ne estas permesate tie lasi la distingojn subtilajn por atenti nur al la spirito ghenerala de la grandaj faroj, kiujn chiuj povas kaj devas kompreni? Chu oni ne havas la rajton malaperigi la malagordajhojn por atenti nur pri la poezio kaj la edifo, kiuj estas supersufichegaj en tiuj malnovaj rakontoj? La kemiisto scias ke diamanto estas nur karbo; li scias la vojojn, tra kiuj la naturo laboras tiujn profundajn aliformigojn. Chu li estas devigata pro tio malpermesi al si paroli kiel la mondo kaj vidi en la plej bela juvelo nur simplan pecon da karbo?

Chitiu do ne estas nova libro. Ghi estas la « Vivo de Jesuo », liberigita de siaj trabajhoj kaj de siaj mallumajhoj. Por esti historskribanto, mi devigite penis serchi pentri unu Kriston, kiu havos la trajtojn, la koloron, la fizionomion de sia raso. Chitiun fojon, mi prezentas al publiko unu Kriston blankmarmoran, unu Kriston tranchitan el unu amaso senmakula,

unu Kriston simplan kaj puran kiel la sento kiu lin kreis. Dio mia! eble li estas tiel pli vera. Kiu scias chu ne estas momentoj, en kiuj chio elighanta el la homo estas senmakula? Tiuj momentoj ne estas daùraj; sed da ili estas. *Tiel*, almenaù Jesuo aperis al la popolo; *tiel* la popolo lin vidis kaj lin amis; *tiel* li restis en la koro de l'homoj. Jen tio, kio vivis en li, tio, kio charmis la mondon kaj kreis lian senmortecon.

Mi ne rifutos je la dudeka fojo la riprochon, kiun oni turnas al mi, domaghi al la religio. Mi kredas ghin servi. Kelkaj personoj imagas ke, per timaj mallaùtoj, oni malhelpos la popolon perdi la kredon al la supernaturo. Ech se tia antaùzorgo estus honesta, ghi estus tre senutila. Tiu kredo, la popolo ghin perdis. La popolo, en tio konsente kun la scienco pozitiva, ne akceptas la supernaturon specialan, la miråklon. Chu de tio oni devas konkludi, ke ghi estas fremda al la altaj kredoj, kiuj faras la noblecon de la homo? Tio estus grava eraro. La popolo estas religia laù sia maniero. Kio pli kortushanta ol ghia respekto al la morto? Ghia kuragho, ghia sereneco, ghia instruighemo, ghia indiferenteco al ridindeco, ghiaj grandaj heroecaj instinktoj, ghia gusto por la farajhoj artaj aù poeziaj, kiuj havigas kortushojn seriozajn sin turnante al la sentoj noblaj, tiu chiama juneco, kiu brilas en ghi kiam estas koncernata gloro kaj patrujo, chio tio estas ėl religio kaj el la plejbona. La popolo neniel estas materialista. Oni plachas al li per idealismo. Ghia malbonajho, se unu estas tio, estas neshati chiujn utilojn kiam unu ideo estas koncernata. Estus malbone prediki al ghi la senreligiecon; estus senutile peni ghin revenigi al la malnovaj kredajhoj supernaturaj. Restas sola elektotajho, nome chion diri al ghi. La popolo kaptas tre rapide, kaj per speco de instinkto profunda, la plej altajn rezultatojn de la scienco. Ghi vidas, ke el la formoj religiaj, kiuj ekzistis ghis nun, neniu povas pretendi je valoro absoluta; sed ghi sentas bone ankaù ke la fundamento de la religio ne malkonstruighas pro tio. Inspiri al ghi la respekton mem de la

formoj, kiuj pasas, montri al ghi ilian grandecon en la historio, meti reliefe tion, kion tiuj formoj antikvaj havas bonan kaj sanktan, chu ne estas fari pian agon? Laû mi, mi opinias ke la popolo turnus la dorson al sia liberigho, la tagon, kiam ghi konsiderus kiel kimeroj la kredon, la fidon, la sinforlason, la sindonemon. La parto da iluzioj, kiuj iam miksighis al chiuj grandaj movoj chu politikaj, chu religiaj, ne estas tialo por rifuzi al tiuj movoj la simpation kaj la admiron Oni povas esti bona franco ne kredante al la « sankta oleboteleto »(1). Oni povas ami Johaninon d'Ark' (2) ne akceptante la realecon de shiaj aperoj.

Jen kial mi pensis, ke la pentrajhumo de la plej miriga revolucio, kies memorajhon oni konservis, povis esti utila al la popolo. Chitie estas vere la vivo de ghia plejbona amiko; tiu tuta epopeo de la devenajhoj kristanaj estas la historio de la plej grandaj popolamasuloj, kiuj iam estis. Jesuo amis la malrichulojn, malamis la pastrojn richajn kaj mondajn, konfesis la regadon ekzistantan kiel necesajho; li metis sentime la utilojn moralajn super la malpacoj de la partioj; li predikis ke chitiu mondo estas nur songho, ke chio chi-malsupre estas figuro, ke la vera regholando de Dio estas l'idealo, ke l'idealo apartenas al chiuj. Tiu legendo estas fonto vivplena de chiamaj konsoloj; ghi inspiras dolchegan gajecon; ghi kuraghigas je la plibonigado de la moroj sen vana hipokriteco; ghi donas la liberecamon; ghi emigas fine pripensi la problemojn socialajn, kiuj estas la unuaj de nia tempo. Jesuo malkovras pri tiu punkto vidajhojn je profundeco miriga. Kiam oni eliras el lia instruo, oni tre bone elpensas, ke la politiko jam ne povus esti ludo frivola; ke la necesego iam estos labori por la felicho, la instruiteco kaj la virteco del' homoj; ke chiuj penoj por deflankighi de tiaj demandoj estas frapotaj je senfrukteco.

Humilaj geservantoj de Dio, kiuj portadas la pezon del' tago

(1) La s. o. kiu estas en la chefpreghejo de Remo (Reims) envahis la oleon por la sakro de la reghoj. *La verk.*

(2) Heroino franca, kiu liberigi Francujon de la Angloj (1412-1431). *La Trad.*

kaj del' varmeco; laboristoj, kiuj laboras per viaj brakoj por konstrui la templon, kiun ni starigas por la spirito; pastroj vere sanktaj, kiuj ghemadas silente pro la potenco de fieraj sadokanoj; malfelichaj virinoj, kiuj suferas pro stato sociala, kie la parto del' bono estas ankoraù malforta; laboristinoj piaj kaj submetighemaj che la fundo de la malvarma monaka chambreto, kie la Sinjoro estas kun vi, venu al la festo, kiun iam Dio en sia rideto pretigis por la korsimpluloj. Vi estas la veraj alighintoj de Jesuo. Se tiu granda majstro revenus, kie vi kredas, li rekonus la veran posteularon de la anaro aminda kaj fidela, kiu lin chirkaŭis che la bordoj de la lago de Genesareto? Chu estus inter la defendantoj de simboloj, kiujn li ne konis; en eklezio oficiala, kiu favoras chion el tio, kion li batalis; inter la partianoj de ideoj maljunighintaj, kiuj kunligas lian aferon al siaj utiloj kaj pasioj? Ne; estus inter ni kiuj amas la veron, la antaŭeniradon, la liberecon. Kaj, se iam li sin armus je vipo por forpeli la hipokritulojn, en kiu vi pensas, ke li rekonus la farizianon de sia komparumo? En tiuj, kiuj diras: « O Dio, mi dankas al ci, char mi ne estas kiel tiu granda kulpulo, tiu malfelichulo, tiu homo je nenio » aù en tiuj kiuj diris: « O ci, kiun mi malzorgas eble, sed kiun mi amas kaj kiu certe serchas antaù chio la homaghon de koro sincera, malkovru cin, char vidi cin, jen tio, kion mi volas? » Konsideru la horizonton; oni tie sentas ekaperi matenrugho, la liberigho per la submetigho, la laborado, la boneco, la subteno reciproka; la liberigho per la scienco, kiu, penetrante la leghojn de la homaro kaj submetante pli kaj pli la materion, starigos la indecon de chiuj homoj kaj la veran liberecon. Preparu ni, chiu farante sian devon, tiun paradizon del' estontajho. Pri mi, mi estos felicha se unu momenton, per tiuj rakontoj del' estintajho, mi forgesigis al vi la estantajhon, se mi renovigis por vi la dolchecon de tiu idilio sensimila, kiu, antaù dek-ok jarcentoj, ravis je ghojo kelkajn humilulojn kiel vi.

# JESUO.

## CHAPITRO UNUA.

### Infaneco kaj juneco de Jesuo, liaj unuaj impresoj.

La okazintajho chefa en la historio del' mondo estas la revolucio, per kiu la plej noblaj partoj de la homaro pasis de la malnovaj religioj, konataj sub la malpreciza nomo de « idolkulto », al unu religio fondita sur la unueco dia, la triunuo, la personigho de la Filo de Dio. Tiu konverto bezonis preskaŭ mil jarojn por estighi. La religio nova uzis i mem almenaŭ tri cent jarojn por formighi. Sed la deveno de la revolucio, pri kiu ni parolas, estas fakto okazinta en la regado de Aŭgusto kaj de Tibero. Tiam vivis unu persono supera, kiu, per sia iniciato sentimega kaj per la amo, kiun ghi sciis inspiri, kreis la objekton kaj metis la forirpunkton de la kredo estonta del' homaro.

Jesuo naskighis en Nazaretho (1), urbeto de Galileo, kiu havis antaŭ li nenian famon. Dum lia tuta vivo, li estis montrata per la nomo de « Nazarethano », kaj nur per deturno sufiche embarasa, oni sukcesis en lia legendo, igi lin naskighinta en Bethlehemo. Ni vidos pli malfrue la kialon de tiu supozo, kaj kiel ghi estis la sekvo aldevigata de la rolo donita al Jesuo. On nescias la daton precizan de lia naskigho. Ghi okazis dum la regado de Aŭgusto, chirkaŭ la jaro 750ᵢ de

(1) Th estas elparolata kiel angle aŭ kiel la c hispana antaŭ e kaj i. Rim. del' Trad.

Romo, kredeble kelkajn jarojn antaŭ la jaro unua de la tempokalkulo, kiun chiuj popoloj civilizitaj datumigas del' tago, en kiu li naskighis.

La popolo de Galileo estis tre miksita. Tiu provinco enhavis inter siaj loghantoj, en la tempo de Jesuo, multe da ne-Hebreoj (Fenicianoj, Sirianoj, Araboj kaj ech Grekoj). La konvertoj al judaismo ne estis malofta che tiuj specoj de landoj miksaj.

Estas do neeble starigi tiechi ian demandon rasan kaj esplori kian sangon fluis en la vejnoj de tiu, kiu plej kunhelpis malestigi en la homaro la malsamojn sangajn.

Li elighis el la popolo. Lia patro Jozefo, kaj lia patrino Mario, estis homoj je malboneta stato, metiistoj vivantaj per sia laboro, en tiu stato tiel komuna en Oriento, kiu estas nek la bonhavo nek la mizero. La ekstrema simpleco de la vivo en tiaj regionoj, forigante la bezonon je komforto, senutiligas la privilegion del' richulo, kaj faras chiujn malrichuloj memvolaj. Aliflanke, la tuta manko je gusto al artoj kaj al tio, kio kunlaboras al la eleganteco de la vivo materia, donas al la domo de tiu, al kiu mankas nenio, shajnon mizeran. La urbo Nazaretho, en la tempo de Jesuo, ne malsamis eble multe de tio, kio ghi estas hodiaŭ. La stratoj, sur kiuj li ludis, kiam li estis infano, ni ilin vidas en tiuj vojetoj shtonecaj aŭ tiuj strakrucighoj, kiuj apartigas la dometojn. La domo de Jozefo tre similis sendube al tiuj malrichaj butikoj lumigitaj per la pordo, uzataj samtempe kiel metiejo, kuirejo, dormejo, havantaj kiel meblaron maton, kelkajn kusenojn surterajn, unu aŭ du argilvazojn kaj kofron pentritan.

La familio, ghi devenu de unu aŭ kelkaj edzighoj, estis sufiche multa. Jesuo havis gefratojn, el kiuj li shajne estis la unuenaskita. Chiuj restis senfamaj; char shajnas, ke la kvar personoj, kiuj estas konigitaj kiel liaj fratoj, kaj inter kiuj almenaŭ unu, Jako, atingis grandan gravecon en la unuaj jaroj de la disvolvigho de kristanaro, estis liaj kuzoj unuagradaj. Mario, havis ja fratinon nomatan ankaŭ Mario, kiu edzighis kun ia Alfeo aŭ Kleofas (tiuj ambaŭ nomoj shajnas montri

saman personon), kaj estis patrino de kelkaj filoj, kiuj rolis rimarkinde inter la unuaj lernantoj de Jesuo. Tiuj kuzoj unuagradaj, kiuj alighis al la juna majstro, dume liaj veraj fratoj kontraŭstaris al li, prenis la titolon je « fratoj de la Sinjoro ». La veraj fratoj de Jesuo havis ian gravecon, tiel same kiel sia patrino, nur post lia morto. Ech tiam ili ne shajnis egali fame siajn kuzojn, kies konvertigho estis estinta pli propramova kaj kies karaktero shajnis havi pli da originaleco

Liaj fratinoj edzighis en Nazaretho, kaj tie li pasigis la unuajn jarojn de sia juneco Nazaretho estis malgranda urbo, lokita en faldo kampara larghe malfermita che la supro de la montaro, kiu fermas norde la ebenajhon de Esdrelono. La loghantaro nun estas je tri aŭ kvar mil animoj, kaj eble ne tre aliighis. La malvarmo tie estas akra vintre kaj la klimato tre saniga. La urbo, kiel tiam chiuj urbetoj hebreaj, estis amaso da kajutoj konstruitaj senstile, kaj kredeble prezentis tiun saman shajnon sekan kaj malrichan, kiun havas la vilaghoj en la landoj orientaj. La domoj, laŭ tio, kio shajnas, ne multe malsimilis al tiuj kuboj shtonaj, sen eleganteco ekstera nek interna, kiuj kovras hodiaŭ la plej richajn partojn de Libano, kaj kiuj, miksitaj kun la vinarboj kaj figarboj, estas certe tre agrablaj. Le chirkaŭajhoj ja estas charmaj, kaj neniu loko en la mondo estis tiel bone farita por la revoj pri la felicho absoluta Ech en niaj tagoj, Nazaretho estas ankoraŭ agrablega vivejo, la sola loko eble en Palestino, kie la animo sentas sin iom helpata pri la shargho, kiu premas ghin che la mezo de tiu ruineco senegala. La loghantaro estas aminda kaj ridetema; la ghardenoj estas freshaj kaj verdaj. Antoneno Martiro, che la finigho de la sesa jarcento donas pentrajhumon ensorchan pri la fruktodoneco de la chirkaŭajhoj, kiujn li komparas al paradizo. Kelkaj valoj oriente pravigas plene lian priskribajhon. La fontano, kie kuncentrighis iam la vivo kaj la gajeco de la malgranda urbo, estas detruita. Ghiaj kanaloj fenditaj jam donas nur akvon malklaran. Sed la beleco de la virinoj,

kiuj tie kunighas vespere, tiu beleco kiu jam estis rimarkata en la sesa jarcento, kaj en kiu oni vidis donacon de Virgulino Mario, konservighis rimarkinde. Ghi esta la tipo siria laù la tuta charmeco de sia malvivetemo. Nenia dubo ke Mario tie estis preskaù chiutage. kaj envicighis, la urno sur la shultroj, en la fadenumo de siaj sampatrujaninoj, restintaj senfamaj. Antoneo Martiro rimarkas, ke la hebreinoj, aliloke malestimantaj al la kristanoj, estas tie tute afablaj. Hodiaù, la malamoj religiaj estas en Nazaretho malpli vivaj ol aliloke.

La horizonto de la urbo estas mallargha; sed, se oni supreniras iom ajn kaj atingas la altebenajhon vipatan de venteto chiama, kiu superas la plejaltajn domojn, la perspektivo estas belega. Okcidente malvolvighas la plej belaj linioj de l'Karmelo, finighantaj per pinto kruta, kiu shajnas subakvighi en la maron. Poste devolvighas la duobla supro, kiu superas Mageddon, la montoj de la lando Sihhemo, kaj siaj lokoj sanktaj el la tempo chefpatra, la montoj Gelboeoj, la areto pentrinda, al kiu rilatas memorajhoj charmaj kaj teruraj de Sulem kaj Endor, Taboro, kun sia bela formo ronda, kiun la antikvo komparis kun mamelo. Tra malaltajho videtighas la valo de Jurdeno kaj la altaj ebenajhoj de Pereo, kiuj formas oriente linion senrompan. Norde, la montoj de Safedo, klinitaj al la maro, kashas Sankt-Johanon de Akro, sed ebligas la vidon al la golfo de Hhajfa. Tia estis la horizonto de Jesuo. Tiu rondo ensorcha, devenejo de la regholando de Dio. prezentis al li la mondon dum jaroj. Lia vivo mem elighis malofte el la limoj kutimaj al sia infaneco. Char transen, norden, oni videtas preskaù, sur la deklivojn de Hermono, Cesareon de Filipo, ghian pinton plej antauan che la mondo de la « idolistoj », kaj suden oni divenas, malantaù tiuj montoj jam malpli gajigaj de Samario, la malgajan Judeon, malsekigatan kiel per vento varmega de abstrakto kaj de morto.

Se iam la mondo restonta kristana, sed alveninta al kompreno plibona pri tio, kio faras la respekton de la devenoj, volas anstataùigi per veraj lokoj sanktaj la sanktejojn

neverajn kaj malgrandanimecajn, kie alighis la pieco de la tempoj maldelikataj, sur *tiu* altajho de Nazaretho, ghi konstruos sian templon. Tie, che la punkto apera del' kristismo kaj che la centro agada de ghia fondinto, devus starighi la granda preghejo, kie chiuj kristanoj povus preghi. Tie ankaŭ, sur tiu tero, kie dormas la charpentisto Jozefo kaj miloj da Nazarethanoj forgesitaj, kiuj ne transiris la horizonton de sia valo, la filozofo estus lokita plibone ol en ia ajn loko por rigardadi la fluadon de la homajhoj, konsoli sin pri iliaj malnecesajhoj, certighi pri la sola celo dia, kiun la mondo persekutas tra sennombraj malfortighoj kaj malgraŭ la ghenerala vaneco.

---

## CHAPITRO DUA.

### Edukado de Jesuo.

Tiu naturo samtempe gajiga kaj grandeca estis la tuta eduko de Jesuo. Li lernis legi kaj skribi, sendube, laŭ la metodo orienta, konsistanta meti inter la manojn del' infano libron, kiun li ripetas takte kun siaj malgrandaj kolegoj, ghis li scios ghin parkere. La lernejestro en la malgrandaj urboj hebreaj estis la « hazzan » aŭ legisto de la sinagogoj. Jesuo vizitadis malmulte la lernejojn pli altajn de la skribistoj (eble Nazareto ne havis da ili), kaj li havis neniun el tiuj titoloj, kiuj donas al la okuloj del' popolamasulo la rajtojn del' scio. Tamen estus granda eraro imagi, ke Jesuo estis tio, kion ni nomas sensciulo. La eduko lerneja montras che ni distingon profundan, laŭ la rilato del' valoro persona, inter tiuj, kiuj ghin recevis kaj tiuj, kiuj estas de ghi senigitaj. Ne estas same en Orientujo, nek ghenerale ankaŭ che la bona antikveco. La maldelikata stato, en kiu restas che ni, pro nia vivo izolita kaj tute individua, tiu, kiu ne iris al la lernejoj, estas nekonata en tiuj societoj, kie la kulturo morala kaj precipe la spirito ghenerala de la tempo transdonighas per kuntusho chiama de la homoj. La Arabo, kiu havis neniun instruiston, estas ofte tamen tre rimarkinda; char la tendo estas speco de akademio chiam malfermita, kie per la renkonto de homoj bonedukitaj naskighas granda movado spirita kaj ech literatura. La delikateco de la manieroj kaj de la spririto havas nenion komunan en Oriento kun tio, kion ni nomas edukado. La *lernejuloj* male, estas konsiderataj kiel *pedantoj* kaj *malbonedukitoj*. En tiu socia stato, la nescio, kiu che ni kondamnas la homon al

rango mulsupera estas la kondicho de la grandajhoj kaj de la granda originaleco.

Ne estas eble, ke li sciis la grekan. Tiu lingvo estis maltre disvastigata en Judeo ekster la klasoj, kiuj partoprenis en la regado kaj ekster la urboj loghitaj de idolanoj, kiel Cesareo. La lingvo, propra al Jesuo estis dialekto siria miksita kun hebrea, kiun oni tiam parolis en Palestino. Des pli forte li havis nenian scion pri la kulturo greka. Tiu chi kulturo estis malpermesata de la doktoroj palestinaj, kiu miksis en sama malbeno « tiun, kiu edukas porkojn kaj tiun, kiu instruas al sia filo la sciencon grekan ». Chiuokaze, ghi ne enighis en la malgrandajn urbojn kiel Nazaretho Ech en Jerosalemo, la grekan oni tre malmulte lernis; la lernojn grekajn oni konsideris kiel dangheraj kaj ech sklavecaj; oni konfesis ilin bonaj plie por la virinoj kiel ornamajho. La lernon de la Legho nur oni rigardis kiel liberama kaj inda de homo serioza. Demandite pri la momento, en kiu taŭgas instrui al la infanoj « la saghon grekan », ia scienca rabeno respondis : « En la horo kiu estas nek la tago, nek la nokto, char estas skribite pri la Legho : — Ci studos ghin tagnokte ».

Nek direkte, nek nedirekte, ia elemento de doktrino nereligia alvenis do al Jesuo. Li konis nenion ekster hebreismo; lia spirito konservis tiun malkasheman naivecon, kiun malfortigas chiam kulturo vasta kaj diversa. En la mezo mem de l'hebreismo, li restis fremda al multe da penoj ofte paralelaj al siaj. Unuparte, la vivo religia de la esenianoj aŭ terapeŭtoj, aliparte la belaj provajhoj pri filozofio religia provitaj de la lernejo hebrea de Aleksandrio, kaj kies eltrovema tradukisto estis Filono, lia samtempulo, estis de li nekonataj. La multaj similajhoj, kiujn oni trovas inter li kaj Filono, tiuj bonegaj sentencoj pri la amo al Dio, la bonfarado, la ripozo en Dio, kiuj estas kvazaŭ ehho inter Evangelio kaj la skribajhoj de la fama pensulo aleksandria, venas de komunaj emoj, kiujn la bezonoj tiamaj inspiris al chiuj spiritoj altaj.

Feliche por li, li ne konis plie la skolastikon strangan, kiun

oni instruis en Jerosalemo kaj kiu estis baldaŭ faronta Talmudon. Se kelkaj farizianoj jam ghin alportis en Galileon, li ne vizitadis ilin, kaj kiam li tushis pli malfrue tiun kazuistikon naivegan, ghi inspiris al li nur tedon. Oni tamen povas supozi, ke la principoj de Hilelo ne estis de li nekonataj. Hilelo, kvindek jarojn antaŭ li, elkonigis aforismojn, kiuj havis multe da simileco kun liaj. Per lia malricheco humile elportata, per la dolcheco de sia karaktero. per la kontraŭstaro, kiun faris al li la hipokrituloj kaj la pastroj, Hilelo estis la vera majstro de Jesuo, se estas permesate paroli pri majstro, kiam estas koncernata tiel alta originaleco.

La legado de la libroj del' Malnova Testamento faris sur li multe pli da impreso. La kanonoj de la libroj sanktaj konsistis el du partoj chefaj, la Legho, tio estas la Pentateŭko, kaj la Profetoj, tiaj, kiajn ni posedas ilin hodiaŭ. Vasta metodo de traduko alegoria almetighis al tiuj libroj kaj penis eltiri tion, kio respondis al la deziroj tiamaj. Sed la vera poezieco de la Biblio, kiu kashighis for de la doktoroj de Jerosalemo, elvidighis plene al la bela genio de Jesuo. La Legho ne shajnas esti havinta multe da charmo por li; li kredis povi fari plibone. Sed la poezieco religia de la psalmoj sin trovis en mirinda akordo kun lia animo lirika; ili restis lian tutan vivon lia nutrajho kaj lia subteno. La profetoj, Isajo precipe, kaj lia daŭriginto en la tempo del' kaptiteco, kun iliaj brilaj revoj priestontaj, ilia vivega bonparoleco, iliaj atakparoloj miksitaj kun pentrajhoj sorchaj, estis siaj veraj majstroj. Li legis ankoraŭ kredeble multe da verkoj falsdataj, tio estas tiuj skribajhoj sufiche modernaj, kies verkintoj, por doni al si aŭtoritaton, kiun oni jam konsentis nur al la tre malnovaj skribajhoj, kovris sin per la nomo de profeto kaj de chefpatro (patriarko). Unu el tiuj libroj chefe lin frapis : ghi estas la libro de Danielo. Tiu libro, farita de Hebreo ekscitita en la tempo de Antiohho Epifano, kaj metita de li sub la famo de antikva saghulo, estis la resumo de la spirito en la lastaj tempoj. Ghia verkinto, vera kreinto de la filozofio del' historio.

por la unua fojo kuraghis vidi en la movado del' mondo kaj la sinsekvado de la imperioj nur serion da faktoj dependantaj de la sortajhoj del' popolo hebrea. Jesuo estis enigita frue de tiuj altaj esperoj. Eble li legis ankaŭ la librojn de Henohho, tiam respektegatajn tiel same kiel la libroj sanktaj, kaj la aliajn skribajhojn samspecajn, kiuj daŭrigis tiel grandan movadon en la imago popola. La alveno del' Savonto kun siaj gloroj kaj siaj teruroj, la nacioj ruinighontaj unuj sur la aliajn, la renversighego de la chielo kaj de la tero estis la nutrajho kutima de lia imagado, kaj, char tiuj revolucioj estis tiel dirataj baldaŭaj, char amaso da personoj serchis kalkuli iliajn datojn, la ordo supernatura, kien nin transportas tiaj aperajhoj, shajnis al li tute natura kaj simpla.

Ke li estu havinta nenian konon pri la stato ghenerala del' mondo, tio estas, kio rezultas el chiuj trajtoj de siaj paroladoj plej veraj. La tero shajnas al li kiel ankoraŭ dividita en regholandoj, kiuj intermilitas; li shajnas nekoni la « pacon roman » kaj la staton novan, kiun ekkondukis lia jarcento. Li havis nenian ideon precizan pri la potenco roma; la nomo de « Cesaro » sole ghisiris al li. Li vidis konstrui, en Galileo, aŭ che la chirkaŭajhoj, Tiberiadon, Juliadon, Diocesareon, Cesareon, laborajhoj luksaj de la Herodoj, kiuj serchis per tiuj konstruajhoj belegaj, pruvi sian admiron al la civilizeco roma kaj sian sindonemon al la anoj de la familio de Aŭgusto, kies nomoj, dank' al kaprico del' sorto, estas uzataj hodiaŭ, strange aliformitaj, por montri la mizerajn vilaghetojn de la Beduanoj. Li vidis ankaŭ kredeble Sebaston, laborajho de Herodo la Granda, paradurbo, kies ruinoj kredigus, ke oni ghin alportis tie tute faritan, kvazaŭ per mashino, kiun oni nur bezonis starigi surloke. Tiu elmontrema konstrustilajho, alveninta en Judeo per sharghoj, tiuj centoj da kolonoj chiuj samdiametraj, ornamajho de la sengusta « strato Rivoli », jen kion oni nomis « la regholandoj del' mondo kun ilia tuta gloro ». Sed tiu lukso ordoniteca, tiu arto administra kaj oficiala malplachis al li. Kion li amis, tio estis siaj vila-

ghoj galileaj, miksajho konfuza da kajutoj, da drashejoj kaj da premiloj tranchitaj en la roko, da putoj, da tomboj,da figarboj, da olivarboj. Li chiam restis apud la naturo. La kortego de la reghoj aperas al li kiel loko, kie la homoj havas belajn vestojn. La charmaj neeblajhoj tiel multaj en siaj komparumoj, kiam li elvidigas la reghojn kaj la potenculojn, pruvas ke li neniam elpensis la societon nobelan ol kiel juna vilaghano, kiu vidas la mondon tra la prismo de sia naiveco.

Des pli malmulte li konis la ideon novan, kreitan de la scienco greka, fundamento de chia filozofio kaj kiun la scienco nuntempa alte konfirmis, la forigon de la fortoj supernaturaj, al kiuj la naiva kredo de la antikvaj tempoj dependigis la regadon de l'universo. Jesuo pri tio neniel malsamis al siaj sampatrujanoj. La mirindo ne estis por li la escepto; ghi estis la stato normala. La kono pri la supernaturo, kun ghiaj neeblajhoj, aperas nur en la tago, kiam naskighas la scienco eksperimenta de la naturo. La homo fremda al chia ideo fizika, kiu kredas ke preghante li aliformigas la iradon del' nuboj, haltigas la malsanadon kaj ech la morton, trovas en la miraklo nenion eksterordinaran, char la fluo tuta de la ajhoj estas por li la rezultato de la voloj liberaj de Dio. Tiu stato spirita estis chiam tiu de Jesuo. Sed, en lia granda animo, tia kredajho produktis farojn tute kontraŭajn al tiuj, kiujn atingis la vulgarulo. Che la vulgarulo, la kredo al la ago speciala de Dio naskis kredemon naivegan kaj trompojn de charlatanoj. Che li, ghi rilatis al kono profunda de la rilatoj kutimaj del' homo al Dio kaj al kredo troa en la povo del' homo; belaj eraroj, kiuj estis la principo de lia forto; char, se ili estis iam kulpigontaj lin je la okuloj del' fizikisto kaj del' kemiisto, ili donis al li sur lia tempo forton, kiun neniu individuo disponis antaŭ li nek poste.

Frue, lia karaktero nekomuna elvidighis. La legendo penas lin montri en sia infaneco ribelantan kontraŭ la aŭtoritato patra kaj deflankighantan el la komunaj vojoj por sekvi lian emon. Estas certe almenaŭ, ke la rilatoj parencaj estis mal-

multo por li. Lia familo ne shajnas esti aminta lin, kaj en momentoj, li shajnas esti maldolcha por ghi. Jesuo, kiel chiuj homoj ekskluzive priokupataj de unu ideo, alvenis malmulte konsideri la ligojn samsangajn. La ligo de l'ideo estas la sola, kiun tiuj specoj de naturoj konfesas. « Jen mia patrino kaj miaj fratoj, diris li etendante la manon al siaj lernantoj; kiu plenumas la volon de mia Patro, tiu estas mia frato kaj mia fratino ». La simpluloj ne komprenis lin tiel, kaj iam virino pasante apud li, ekkriis, oni diras : «Felichaj la ventro, kiu cin portis, kaj la mameloj, kiujn ci suchis ! — Felicha plighuste, respondis li, tiu, kiu aŭskultas la parolon de Dio kaj kiu ghin sekvas! »

---

## CHAPITRO TRIA.

### Ideordo en kiu Jesuo kreskis.

Char la tero malvarmighinta, jam ne ebligas kompreni la fenomenojn de la kreo unuatempa, tial ke la fajro, kiu ghin penetris estiginghis; tial la komprenigoj historiaj havas chiam ion nesufichan, kiam estas en demando almeti niajn timemajn procedojn al la revolucioj de la periodoj kreintaj, kiuj decidis del' sorto del' homaro. La popolo hebrea havis la bonajhon, de la kaptiteco en Babilono ghis la mezepoko, chiam esti en stato treokupema. Jen kial la gardantoj de la spirito de la nacio, dum tiu longa periodo, shajnas skribi sub la ago de febro ega, kiu metas ilin senchese super kaj sub la prudento. malofte en la meza vojo. Neniam la homo kaptis la problemon del' estonteco kaj de sia sorto kun kuragho pli malespera, pli decidata iri al la ekstremoj. Neniam apartigante la sorton de la homaro kun tiu de sia malgranda raso. la pensuloj hebreaj estas la unuaj. kiuj zorgis pri teorio ghenerala pri la irado de nia speco. Grekujo. chiam enfermita en si mem, kaj atentema nur al siaj disputoj de malgrandaj urboj, havis historiskribistojn almirindajn; sed, antaŭ la epoko roma, oni serchus vane che ghi sistemon gheneralan pri la filozofio de historio, chirkaŭprenantan la tutan homaron. La Hebreo, kontraŭe, per speco de sento profeta, enigis la historion en la religion. Eble li shuldas iel tiun emon al Persujo. Persujo, de epoko antikva, elpensis la historion del' mondo kiel serio da evoluoj, prezidita chiu de profeto. Chiu profeto havas sian regadon jarmilan, kaj el tiuj epokoj intersekvaj konsistas la teksajho de la okazoj, kiuj preparas la regadon de Ormusdo. En la finigho del' tempoj,

kiam la rondo del' revolucioj estos finighinta, venos la paradizo definitiva. La homoj tiam vivos felichaj, la tero estos kiel ebenajho; tiam estos nur unu lingvo, unu legho kaj unu registaro por chiuj homoj. Sed tiu venontajho estos antaŭita de teruraj malfelichegoj. Dahako (la Satano de Persujo) rompos la ferajhojn, kiuj lin katenas kaj falegos sur la mondon. Du profetoj venos konsoli la homojn kaj prepari la grandan alvenajhon. Tiuj ideoj kuris tra la mondo kaj penetris ghis Romon, kie ili inspiris ciklon da peomoj profetaj, kies fundamentaj ideoj estis la divido del' historio del' homaro en periodoj, la sinsekvado de la dioj respondantaj tiujn periodojn, unu plena renovigo del' mondo, kaj la alveno fina de tempo ora. La libro de Danielo, la libro de Henohho, iuj partoj de la libroj sibilaj, estas la esprimo hebrea de la sama teorio. Certe mankas multe, por ke tiuj pensoj estu chies. Ili estis akceptataj unue nur de kelkaj personoj imagplenaj kaj emaj por la doktrinoj alilandaj. La verkinto mallargha kaj seka de la libro de Ester pensis pri la cetero del' mondo nur por ghin malestimi kaj deziri al ghi malbonon. La epikuriano senerarighinta, kiu skribis l'Ekleziaston, pensas tiel malmulte pri la estontajho, ke li konsideras neutile labori por siaj infanoj; laŭ tiu fraŭlo egoista, la lasta vorto del' sagheco estas meti sian bienon porpensie(1). Sed la grandaj faroj en unu popolo estas farataj ordinare de la malplimulto. Kun siaj grandegaj malbonajhoj : maldolcha, egoista, mokema, kruela, mallargha, subtila, sofista, la popolo hebrea tamen estas la farinto de la plej bela movo entuziasma neprofitama, pri kiu parolas historio. La kontraŭstaro faras chiam la gloron de unu lando. En unu senco, la plej grandaj viroj de unu nacio estas tiuj, kiujn ghi mortigas. Sokrato donis gloron al Ateno, kiu ne jughis povi vivi kun li. Spinoza estas la plej granda el la hebreoj modernaj, kaj la sinagogo lin forigis, pro malnobleco. Jesuo estis la gloro de la popolo de Israelujo, kiu lin krucemortigis.

Grandega revo persekutis de multaj jarcentoj la popolon

---

(1) En la originalo « en viager ».

hebrean, kaj ghin rejunigis senchese en ghia postkadukeco. Fremda al la civilizeco nesankta, Judeo kuncentrigis sur sian estontecon nacian sian tutan povon de amo kaj de deziro. Ghi kredis havi la promesojn diajn pri estonteco senlima, kaj char la maldolcha realeco, kiu, de la naŭa jarcento antaŭ nia tempokalkulo, donis pli kaj pli la regholandon del' mondo al la forto, repushis perforte tiujn dezirojn, ghi turnis sin al la kunligoj de ideoj la plej neeblaj, provis la plej strangajn returnighojn Antaŭ la kaptiteco, kiam la tuta estonteco tera de la nacio malaperighis pro la divido de la gentoj del' Nordo, oni revis la restarigon de la Davidaro, la pacigon de la du partumoj de la popolo, la triumfon de la pastrarego kaj de la religio de Jehovaho sur la religiojn idolajn. En la epoko de la kaptiteco, poeto harmoniplena vidis la admirindecon de estonta Jerosalemo, de kiu la popoloj kaj la insuloj malproksimaj estus la depagantoj, kun koloroj tiel dolchaj, ke oni kredus, ke radio de la rigardoj de Jesuo ghin estus penetrinta je spaco sesjarcenta.

La venko de Ciruso shajnis kelkatempe efektivigi chion, kion oni estis esperinta. La seriozaj alighantoj de la Avesta kaj la adorantoj de Jehovah sin kredis fratoj. Persujo estis alveninta ghis speco de unudiismo. Israelujo ripozis sin sur la Ahhemenidojn, kaj, dum Kserkseso (Assuero), timigis sin de la Irananoj mem. Sed la enigho triumfa kaj ofte bruteca de la civilizoj greka kaj roma en Asio ghin rejhetis en siajn revojn. Pli ol iam, ghi alvokis la Savonton kiel jughanto kaj venghanto de la popoloj. Por ghi estis necesa tuta renovigho, revolucio prenanta la globon en siaj radikoj kaj ghin shancelanta malsupre supren, por kontentigi la grandegan bezonon de vengho, kiun ekscitis che ghi la sento de sia supereco kaj la vido de siaj humilajhoj.

Jesuo, tuj kiam li havis unu penson, eniris en la varmegan atmosferon, kiun kreis en Palestino la ideoj, kiujn ni jhus elmontris. Tiuj ideoj estis instruataj en nenia lernejo; sed ili estis en la aero, kaj lia animo de ili estis frue enigita. Niaj

shanceleghoj, niaj duboj lin neniam atingis. Tiu supro de la monto Nazareta, kie nenia homo nuntempa povas sidighi ne havante senton malkvietan pri sia sorto, eble frivola, Jesuo tie sidighis dudekfoje havante nenian dubon. Liberigita del' egoismo, fonto de niaj malgajigoj, li pensis nur pri sia afero, pri sia raso, pri la homaro. Tiuj montoj, tiu maro, tiu chielo azura, tiuj altaj ebenajhoj che la horizonto estis, por li, ne la vido melankolia de animo, kiu demandas la naturon pri sia sorto, sed la simbolo certa, la ombro travidebla de mondo nevidebla kaj de chielo nova.

Li neniam tre atentis al la okazantajhoj politikaj de sia tempo, kaj pri ili li estis kredeble malbone informata. La dinastio de la Herodoj vivis en mondo tiel malsama de lia, ke li konis ghin sendube nur per la nomo. La granda Herodo mortis proksimume en la jaro mem, en kiu li naskighis, lasante memorajhojn nepereblajn, monumentojn, kiuj estis devigontaj la posteularon plej malbonvolantan kunligi lian nomon al tiu de Salomono, kaj tamen laborajhon nefinitan, nedaŭrigeblan. Gloramulo netempla, erarinta en dedalo de bataloj religiaj, tiu ruzema Idumeano havis la bonajhon, kiun donas la neekscitighemo kaj la prudento, senigita de moraleco, che la mezo de fanatikuloj pasiaj. Sed lia ideo pri regholando netempla de Israelujo, ech kiam ghi ne estus posttemperaro en la stato del' mondo, en kiu li ghin elpensis, estus malprosperinta, kiel simila projekto, kiun formis Salomono, kontraŭ la malfacilajhoj venantaj de la karaktero mem de la nacio. Liaj tri filoj estis nur leŭtenantoj de la Romanoj, similaj al raghoj (radjha'oj) de Hindujo sub la superregeco angla. Antipater aŭ Antipaso, tetrarko de Galileo kaj de Pereo, kies regato estis Jesuo dum sia tuta vivo, estis princo mallaborema kaj nula, favorato kaj flatachanto de Tibero, tro ofte erarigata de la influo malbona de sia dua edzino Herodiado. Filipo, tetrarko de Gaŭlonitido kaj de Bataneo, sur kies landoj Jesuo ofte vojaghis, estis multe plibona regnestro. Pri Arkelauso, etnarko de Jerosalemo,

Jesuo ne povis koni lin. Li estis proksimume dekjara, kiam tiu homo malforta kaj senkaraktera, iafoje perforta, estis eksigata de Aŭgusto. La lasta signo de memregeco estis tiel perdita por Jerosalemo. Unuigita al Samario kaj Idumeo, Judeo formis specon de allando de la provinco de Sirio, kie la senatano Publius Sulpicius Quirinius, persono konsula tre konata, estis legato imperia. Serio da prokuratoroj romaj, dependataj por la grandaj demandoj al la legato imperia de Sirio : Koponius, Markus Ambivius, Annius Refus, Valerius Gratus, kaj fine (en la jaro 26 de nia jararo) Pontius Pilatus, sin sekvis senchese okupataj estingi la vulkanon, kiu elsputis sub iliaj piedoj.

Sinsekvantaj ribeloj, ekscitataj de la fervoruloj de la mosheismo, ja ne chesis dum chiu tiu tempo agiti Jerosalemon. La morto de la ribeluloj estis certigita; sed la morto, kiam estis koncernata la tuteco de la Legho, estis serchata kun avideco. Renversi la aglojn, detrui la artajhojn starigitajn de la Herodoj, kaj kie la regularoj moshaj ne chiam estis respektataj. ribeli pro la shildetoj religipromesaj starigitaj de la prokuratoroj, kaj kies surskribajhoj shajnis idolecaj, estis konstantaj tentajhoj por fanatikuloj atingintaj tiun gradon de ekscitegeco, kiu forprenas chian zorgon pri la vivo Juda Sarifeido, Matias Margalotido, ambaŭ doktoroj de la Legho tre famaj. formis tiel partion je atako sentima kontraŭ la ordo starigita, kiu dauris post lia turmentego. La Samarianoj estis agitataj de movoj samspecaj. Shajnas ke la Legho neniam enhavis pli multe da sektanoj pasiaj ol en la momento, en kiu jam vivis tiu, kiu, per la plena aŭtoritato de sia genio kaj de sia granda animo, estis ghin tuj forigonta. La « zelotoj » aŭ « sikeroj », mortigantoj piaj, kiu trudis al si la taskon mortigi chiun ajn, kiu pekis antaŭ ili kontraŭ la Legho, ekaperis. Prezentantoj de tuta alia spirito, miraklofarantoj, konsiderataj kiel specoj de personoj diaj, trovis alfidon pro la bezono imponanta, kiun tiu jarcento elsentis pri supernaturajhoj kaj diaj ajhoj.

Unu movo, kiu multe pli influis Jesuon, estis tiu de Juda la Gaŭlonitidano aŭ la Galileano. El chiuj regatajhoj al kiuj estis elmetitaj la landoj nove almilititaj de Romo, la censo estis la plej nepopulara. Tiu rimedo, kiu chiam mirigas la popolojn malmulte kutimajn al la sharghoj de la grandaj administrejoj cent raj, estis aparte malaminda por la Hebreoj. Jam, sub Davido, ni vidas recenso kaŭzi perfortajn plendojn kaj la minacojn de la profetoj. La censo, ja estis la fundamento del' imposto; kaj, la imposto, en la ideoj de la pura pastroregeco, estis preskaŭ malpiajho. La mono de la kasoj publikaj estis konsiderata kiel shtelajho. La recenso ordonita de Kvirinus (ano 6a de la jararo kristana) revekis potence tiujn ideojn kaj naskis grandan fermentadon. Movo eksplodis en la provincoj nordaj. Ia Juda, de la urbo Gamalo, sur la bordo orienta de la lago de Tiberiado, kaj ia fariziano, nomita Sadok, faris al si, neigante la rajtecon del' imposto, alighantaron multan, kiu alvenis baldaŭ al ribelo senkasha. La sentencoj fundamentaj de la alighantaro estis, ke oni ne devas iun nomi « majstro », char tiu titolo apartenas nur al Dio, kaj ke la libereco estas plivalora ol la vivo. Juda estis videble la estro de sekto galilea, priokupata de la ideoj del' Savonto, kaj kiu finighis en movon politikan. La prokuratoro Koponius detruis la ribelon de la Gaŭlinitidano; sed la alighantaro postvivis kaj konservis siajn estrojn. Sub la konduto de Menahemo, filo de la fondinto, kaj de ia Eleazaro, lia parenco, oni ghin retrovas tre ageman en la lastaj bataloj de la Hebreoj kontraŭ la Romanoj. Jesuo eble vidis tiun Juda, kiu elpensis la revolucion hebrean laŭ maniero tiel malsama de sia; li konis chiuokaze lian instruon, kaj estis eble per reago kontraŭ lia eraro, ke li eldiris sian aksiomon pri la denaro de Cezaro. La sagha Jesuo, iel ajn malribelema, profitis la eraron de lia antaŭirinto, kaj revis alian regholandon kaj alian liberigon.

Galileo tiel estis vasta varmejo, kie agitighis bolade elementoj plejdiversaj. Malshato eksterordinara al la vivo, aŭ por plibone diri speco de apetito al la morto estis la sekvo de

tiuj agitadoj. La sperto neniel valoras en la movoj fanatikaj Algherio, en la unuaj tempoj de la okupado franca, vidis starighi, che chiu printempo inspirituloj, kiuj sin sciigis nevundeblaj kaj senditaj de Dio por forpeli la malfideluloj; la jaron sekvantan, ilia morto estis forgesita, kaj ilia posteulo ne trovis malplifortan kredon. Tre maldolcha per unu flanko, la superregeco roma, malmulte enuiga ankoraŭ, permesis multe da libereco. Tiuj grandaj regoj, brutaj, teruraj en siaj haltigoj, ne estis suspektemaj kiel estas la potencoj, kiuj havas dogmon gardotan. Ghi lasis chion fari, ghis kiam ghi kredis necese punegi. En lia vivado vagista, oni ne rimarkas ke Jesuo ech unufoje estis ghenata de la polico. Tia libereco, kaj super chio la felicho, kiun havis Galileo, esti multe malpli premata en la ligoj del' pedanteco fariziana, donis al tiu regiono veran superecon sur Jerosalemo. La revolucio, aŭ per aliaj vortoj la atendado del' Savonto, tie laborigis chiujn kapojn. Oni kredis sin en la antaŭtago de la apero de la granda renovigho; la Skribajho, turmentita en diversaj sencoj, nutris la plej kolosalajn esperojn. Che chiu linio de la simplaj skribajhoj de la Malnova Testamento, oni vidis la certigon, kaj iel la programon de la rego estonta, kiu estis alportonta la pacon al la justuloj kaj sigelonta por chiam la farajhon de Dio.

En chiuj tempoj, tiu divido en du partoj kontraŭstaraj de utilo kaj de spirito estis estinta por la nacio hebrea principo fruktodona en la ordo morala. Chiu popolo alvokata al alta sorto devas esti mondeto plena, enhavanta en si la polusojn plej kontraŭajn. Grekujo prezentis post kelkaj mejloj interspacaj Sparton kaj Atenon, la du antipodojn por observanto suprajha, reale du fratinojn konkurantajn, necesajn unu al la alia. Estis same por Judeo. Malpli brilanta en unu senco ol la disvolvigho de Jerosalemo, tiu del' Nordo estis sume multe pli fruktoporta; la plej vivantaj farajhoj del' popolo hebrea chiam estis venantaj de tie. Neesto plena del' sento pri la naturo, finighanta al io seka, mallargha, sovagha, frapis chiujn farajhojn pure Jerosalemajn je karaktero grandeca, sed malgajiga, seka kaj

forpushanta. Kun ghiaj doktoroj solenaj, ghiaj sengustaj kanonistoj, ghiaj piuloj hipokritaj kaj malgajemaj, Jerosalemo ne estus almilitinta la homaron. La Nordo donis al la mondo la naivan Sulamiton, la humilan Hhananeaninon, la pasian Magdalenon, la bonan nutranton Jozefo, la Virgulinon Mario. La Nordo sole faris kristismon; Jerosalemo, kontraŭe, estas la vera patrujo de la judaismo obstina, kiu, fondita de la farizianoj, fiksita de la Talmudo, trairis la mezepokon kaj venis ghis ni.

Unu naturo rava kunhelpis por formi tiun spiriton multe malpli severmoran, malpli akre unudiistan, se tion mi kuraghas diri, kiu impresis al chiuj revoj de Galileo elrigardon idilian kaj charman. La plej malgaja lando en la mondo estas eble la regiono najbara de Jerosalemo. Galileo, male, estis lando tre verda, tre ombrata, tre rideta, la vera lando de la Himno de la himnoj kaj de la kantoj de la tre-amato. Dum la du monatoj marto kaj aprilo, la kamparo estas tapisho flora, de maldubeco kolorara nekomparebla. La bestoj tie estas malgrandaj, sed je dolcheco ekstrema. Turtoj graciaj kaj vivplenaj; merloj bluaj tiel malpezaj ke ili metighas sur herbon ghin ne klinante; alaŭdoj upupaj, kiuj venas preskaŭ sub la piedojn del' vojaghanto; testudetoj riveraj, kies okulo estas viva kaj dolcha; cikonioj je la shajno hontema kaj dolcha, forlasante chian timecon, lasas sin proksimighi de tre proksime del' homo kaj shajnas lin alvoki. En neniu lando del' mondo la montoj disvolvighas kun pli da harmonio kaj inspiras pli altajn pensojn. Jesuo shajnas esti ilin aminta speciale. La agoj plejgravaj en sia vivado dia pasas sur la montoj; *tie* li estis plibone inspirita; *tie* li havis kun la antikvaj profetoj sekretajn kunparoladojn, kaj *tie* li montrighis al la okuloj de siaj lernantoj jam alivizagha.

Tiu beleta lando, ighinta nun, sekve de la grandega malrichigo, kiun islamismo faris en la vivo homa, tiel malgajiga, tiel malghojiga, sed en kiu chio el tio, kion la homo ne prosperis detrui elmontras ankoraŭ la forlason, la dolchecon,

la amemon, supersuficegis en la epoko de Jesuo, je bonestado, kaj gajeco. La Galileanoj fame estis energiaj, bravaj kaj laboremaj. Se oni esceptas Tiberiadon, konstruitan de Antipaso je la honoro de Tibero (chirkaŭ la jaro 15a) en la stilo roma, Galileo ne havis grandajn urbojn. La lando estis tamen tre loghata, kovrata de malgrandaj urboj kaj de dikaj vilaghoj. kulturata arte en ghiaj chiuj partoj. Per la ruinoj, kiuj restas de sia estinta belegeco, oni divinas popolon kampkulturan, neniel arteman, maltre zorgeman pri la lukso, indeferentan al la belecoj de la formo, eksklusive idealistan. La kamparo havis suficheģe da akvoj freshaj kaj fruktoj; la grandaj farmbienoj estis ombrataj de vinarboj kaj figarboj; la ghardenoj estis masivoj de pom-, de jugland-, de granadarboj. La vino estis bonega, se oni povas jughi per tiu, kiun rikoltas ankoraŭ la Hebreoj en Safedo, kaj da ghi oni multe trinkis. Tiu vivo kontenta kaj facile kontentigata ne finighis al la maldelikata materialismo de nia kamparano, al la nedelikata ghojo de unu Normandujo fruktoplena, al la peza gajeco de la Flandroj. Ghi spiritighis en revoj eteraj, en ia misticismo poetika konfuzanta la chielon kaj la teron. Lasu la severmoran Johanon-Baptiston en sia dezerto de Judeo, prediki la pentofaron, tondri senchese, vivi per akridoj en kunesto de shakaloj. Kial la kunuloj de la edzo fastus dum la edzo estas kun ili? La ghojo estos parto de la regholando de Dio. Chu ghi ne estas la filino de la humiluloj en koro, de la homoj je bonvolo?

La tuta historio de la naskighanta kristismo tiel estighis delicioza pastoralo. Unu Mesio che la manghoj edzighaj, la korteganino kaj la bona Zahheo alvokitaj al tiuj festenoj, la fondantoj de la regholando del' chielo kiel kortego de paranimfoj : jen kion Galileo kuraghis, kion ghi akceptigis. Grekujo desegnis pri la homa vivo, per la skulptarto kaj la poezio, pentrajhojn almirindajn, sed chiam havantajn nek fonojn malaperantajn nek horizontojn malproksimajn. Chitie mankas la marmoro, la laboristoj bonegaj, la lingvo charma kaj delikatega. Sed Galileo kreis en la stato de imago popola

la plej altegan idealon; char malantaŭ ghia idilio agitighas la sorto del' homaro, kaj la lumo, kiu lumigas ghian pentrajhon estas la suno de la regholando de Dio.

Jesuo vivis kaj kreskadis en tiu mezo ebriiga. Tuj de lia infaneco, li preskaŭ chiujare vojaghis al Jerosalemo por la festoj. La pilgrimoj estis por la Hebreoj provincaj soleno plena je dolcheco. Tutaj serioj da psalmoj estis dedichitaj por kanti la felichon vojiri tiel familie, dum kelkaj tagoj, en la printempo, tra la montetoj kaj la valoj, chiuj havantaj perspektive la almirindajhojn de Jerosalemo, la terurojn de la vestibloj sanktaj, la ghojon por fratoj loghi kune. La vojo, kiun Jesuo ordinare laŭiris en tiuj vojaghoj estis tiu, kiun oni laŭiras hodiaŭ, tra Gineo kaj Sihhemo. De Sihhemo ghis Jerosalemo. ghi estas tre severa. Sed la najbarajho de la malnovaj sanktejoj de Silo, de Betelo, apud kiuj oni pasas, tenas la animon vekadata. *Ajn-el-Haramie,* la lasta haltado, estas loko melankolia kaj charma, kaj malmulte da impresoj egalas tiun, kiun oni elsentas lokighante por la kampdormo del' vespero. La valo estas mallargha kaj malhela; akvo nigra elighas de la rokoj boritaj de tomboj, kies flankojn ili formas. Ghi estas, mi kredas, « la valo de la ploroj », aŭ de la akvoj gutetantaj, kantita kiel unu el la haltoj sur la vojo en la agrablega psalmo 84ᵃ, kaj farighinta por la misticismo dolcha kaj malgaja de la mezepoko la emblemo de la vivo. La morgaŭan tagon, frue, oni estos en Jerosalemo; tia atendado, hodiaŭ ankoraŭ, subtenas la karavanon, faras la vesperon mallonga kaj la dormon malpeza.

Tiuj vojaghoj, kie la nacio kunighinta sin komunikis siajn ideojn kaj kiuj estis preskaŭ chiam fajrejoj de granda agitado, rilatigis Jesuon kun la animo de lia popolo, kaj sendube al li inspiris jam vivan forsenton por la malbonajhoj de la prezentantoj oficialaj del' judaismo. Oni volas ke frue la dezerto estus estinta por li alia lernejo kaj ke li tie faris longajn loghadojn. Sed la Dio, kiun li tie trovis, ne estis lia. Ghi estis pleje la Dio de Jobo, severa kaj terura, kiu ne donis tialon al

3

iu ajn. Iafoje ghi estis Satano, kiu venis tenti lin. Li tiam reiris en sian karan Galileon, kaj retrovis sian Patron chielan, che la mezo de la verdaj montetoj kaj de la helaj fontanoj, inter la aroj de infanoj kaj de virinoj, kiuj kun la animo ghoja kaj la himno de la angheloj en la koro atendis la savighon de Israelujo.

---

# CHAPITRO 4ª.

**Unuaj Aforismoj de Jesuo. Liaj ideoj pri unu Dio patro kaj pri unu religio pura. Unuaj alighantoj.**

Jozefo mortis antaù ol lia filo estis alveninta al ia rolo publika. Mario restis tiel la familiestro, kaj tio klarigas kial shia filo, kiam oni volis lin malkonfuzi el siaj multaj samnomuloj, estis plejofte nomata «Mariido». Shajnas ke, farighinta fremda al Nazaretho pro la morto de shia edzo, shi foriris al Kana, de kie shi eble devenis. Kana estis malgranda urbo je du aù du kaj duono da horoj de Nazaretho, che la piedo de la montoj, kiuj limigas norde la ebenajhon Asochisan. La vidajho, malpli grandeca ol en Nazareto, spacas sur la tuta ebenajho kaj estas limigita plejpentrinde de la montoj Nazaretaj kaj de la montetoj de Seforiso. Jesuo shajne loghadis iatempe en tiu loko. Tie pasis parto de lia juneco kaj okazis liaj unuaj rimarkindajhoj

Li praktikis la metion de sia patro, nome la charpentan. Ne estis en tio cirkonstanco humiliga aù bedaùrinda. La kutimo hebrea postulis, ke la homo dedichita al la laboroj spiritaj lernu metion. La doktoroj plejfamaj havis metiojn; tial Sankt-Paulo, kies edukado estis tiel zorgita, estis tendofaristo. Jesuo ne edzighis. Lia tuta ampovo sin portis al tio, kion li konsideris kiel sia emo chiela. La sento ekstreme delikata, kiun oni rimarkas en li por la virinoj ne apartighis de la sindonemo ekskluziva, kiun li havis por sia ideo. Li agis kiel kun fratinoj, tiel same kiel Francisko de Asiso kaj Francisko de Sales, kun la virinoj, kiuj alpasiis por lia sama afero; li

havis siajn Sankt-Klarojn, siajn Franciskinojn de Chantal. Tamen, estas kredeble ke tiuj chi lin amis pli ol la aferon; li estis sendube pli amata ol li amis. Tiel, kiel okazas ofte che la naturoj tre altaj, la amemo transformighis che li en dolcheco senlima, en nedifinita poezieco, en charmo universala.

Kia estis la irado de la pensado de Jesuo dum tiu periodo senglora de lia vivo? Per kiaj meditadoj li enighis en la vivon profetan? Oni nescias tion, char lia historio alvenis al ni en la stato de rakontoj disaj kaj sen tempordo preciza. Sed la disvolvigho de la produktajhoj vivantaj estas chie la sama, kaj ne estas dubinde, ke la kreskado de persono tiel potenca kiel tiu de Jesuo obeis al leghoj tre ghustegaj. Alta kono de la Diajho, kiun li ne shuldis al judaismo, kaj kiu shajnas esti tute la kreo de lia granda animo, estis iel la principo de lia forto. Ghi estas la ideo de unu Dio patro, kies vochon oni aŭdas en la kvieteco de la konscienco kaj en la silento del' koro. Jesuo ne havas aperojn; Dio ne parolas al li kiel al iu ekstere de li; Dio estas en li; li sentas sin kun Dio, kaj li tiras el sia koro tion, kion li diras pri sia Patro. Li vivas en la chebrusto de Dio per komuniko chiumomenta; li ne vidas lin, sed li aŭdas lin, bezonante nek tondron nek arbetajhon flaman kiel Mosheo, ventegon malkovrantan kiel Jobo, oraklon kiel la malnovaj saghuloj grekaj, genion kutiman kiel Sokrato, anghelon Gabrielo kiel Mahomedo. La imago kaj la senteraro de unu Sankt-Terezo, ekzemple, estas por nenio chitie. La ebrieco del' sufio proklamanta sin identan al Dio estas ankaŭ tute alia afero. Jesuo ne eldiras ech unu momenton la ideon malpiegan, ke li estas Dio. Li kredas sin en rilato direkta kun li, li kredas sin Diido. La plej alta konscienco de Dio iam ekzistanta en la mezo del' homaro estis tiu de Jesuo.

Oni komprenas, aliflanke, ke Jesuo, elirante de tia emo anima, neniel estos filozofo spekulema. Li faris al siaj alighantoj nenian rizonon; li postulis de ili neniun penon atentan. Nenio estas pli malproksima de la discienco skolastika ol Evangelio. La spekuloj de la Patroj grekaj pri la esteco dia

venas de tute alia emo. Dio tuj elpensita kiel Patro, jen la tuta discienco de Jesuo.

Jesuo sendube ne tuj alvenis al tiu alta certigho de si mem. Sed estas kredeble, ke tuj de liaj unuaj pashoj li konsideris sin kun Dio en la rilato de filo kun sia patro. Tie estas la granda ago de originaleco; en tio li neniel estas de sia raso. Nek la hebreo, nek la mahomedano komprenis tiel agrablegan disciencon de amo. La Dio de Jesuo ne estas tiu mastro fatala, kiu mortigas nin, kiam tio plachas al li; damnas nin, kiam tio plachas al li; ravas nin kiam tio plachas al li. La Dio de Jesuo estas Nia Patro. Oni aŭdas lin aŭskultante senton malpezan, kiu krias en ni: « Patro ». La Dio de Jesuo ne estas la tirano partia, kiun elektis Israelon por sia popolo kaj ghin protektas pro kaj kontraŭ chiuj. Ghi estas la Dio de la homaro. Jesuo ne estos patrioto kiel la Makhhabeoj, diregano kiel Juda la Gaŭlonitano. Levante sin sentime super la antaŭjughojn de sia nacio, li starigos la tutmondan patrecon de Dio. La Gaŭlonitano pretendis, ke oni devas morti plivole ol doni al aliulo ol Dio la nomon « mastro »; Jesuo lasas tiun nomon al tiu, kiu volas ghin preni, kaj rezervas por Dio titolon pli dolchan. Konsentante al la potenculoj de la tero, laŭ li la riprezentantoj de la forto, respekton ironiplenan, li fondas la konsolon superegan, la rifughon al la Patro, kiun chiu havas en la chielo, la veran regholandon de Dio, kiun chiu portas en sia koro.

Tiu nomo « regholando de Dio » aŭ « regholando del' chielo » estis la termino favora de Jesuo por esprimi la revolucion, kiun li alportis en chitiun mondon. Kiel preskaŭ chiuj terminoj rilatantaj al Savonto, ghi venis de la libro de Danielo. Laŭ la verkinto de tiu libro eksterordinara, al la kvar imperioj netemplaj ruinighontaj, sekvos kvina imperio, kiu estos tiu de la sanktuloj, kaj kiu daŭros chiam. Tiu rego de Dio sur la tero ebligis kompreneble la tradukojn plejdiversajn. En la lastaj tempoj de lia vivo, Jesuo kredis, ke tiu rego estis baldaŭ realighonta materiale per subita renovigho

del'mondo. Sed sendube tio ne estis lia unua penso. La moralo almirinda, kiun li tiras el la kono de la Dio patro ne estas tiu de entuziasmuloj, kiuj kredas la mondon baldaŭ finighonta kaj kiuj pretighas per asketismo al katastrofo kimera; ghi estas tiu de unu mondo, kiu volas vivi kaj kiu vivis. « La regholando de Dio estas interne de vi, » li diris al tiuj, kiuj serchis subtile signojn eksterajn. La elpensajho idealista de la alveno dia estis nur nubo, eraro nedaŭra, kiun la morto forgesigis. La Jesuo, kiu fondis la veran regholandon de Dio, la regholandon de la dolchuloj kaj de la humiluloj jen la Jesuo de la unuaj tagoj, tagoj chastaj kaj sen mikso, kiam la vocho de lia Patro resonis en lia brusto kun sono plejpura. Estis tiam kelkaj monatoj, unu jaro eble, en kiu Dio loghis vere sur la tero. La vocho de la juna charpentisto prenis subite dolchecon eksterordinaran. Charmo senlima elighis el lia persono, kaj tiuj, kiuj lin estis vidintaj ghis tiam jam ne rekonis lin. Li havis ankoraŭ neniun lernanton kaj la grupo, kiu premighis chirkaŭ li, estis nek sekto, nek skolo; sed oni tie jam sentis spiriton komunan, ion enigheman kaj dolchan. Lia karaktero ghentila, kaj nedubinde unu el tiuj ravantaj vizaghoj, kiuj aperas iafoje che la raso hebrea, faris chirkaŭ li kiel rondon ensorchigan, de kiu neniu preskaŭ en la mezo de tiuj popoloj bonvolemaj kaj naivaj sciis forkuri.

La paradizo ja estus transportita sur la teron, se la ideoj de la juna majstro ne estus superintaj multe tiun nivelon de negranda boneco, preter kiu ghis nun oni ne povis altigi la homan specon. La frateco de la homoj Diidoj, kaj la sekvoj moralaj, kiuj rezultas de tio estis forprenataj kun sento charma. Kiel chiuj « rabbioj » tiamaj, Jesuo, maltre ema al la rizonadoj ligataj, enfermis sian dogmaron en aforismoj mallongaj kaj je formo kompreniga, iafoje enigmaj kaj strangaj. Iuj el tiuj sentencoj venis de la libroj de la Malnova Testamento. Aliaj estis pensoj de saghuloj pli modernaj, precipe de Antigono de Soko, de Jesuo Sirahhido, kaj de Hilelo, kiuj estis alvenintaj ghis li, ne post studoj sciencaj, sed kiel proverboj ofte rediri-

taj. La sinagogo estis richa je sentencoj tre lerte esprimitaj, kiuj formis specon de literaturo proverba ordinara. Jesuo alprenis preskaŭ tiun tutan instruajhon vochan, sed ghin enigante de spirito supera. Plipostulante ordinare pri la devoj skribitaj de la Legho kaj de la antikvuloj, li volis la perfekte-con. Chiuj virtoj de humileco, pardonemo, bonfarado, abnega-cio, maldolcheco al si mem, virtoj, kiujn oni nomis rajte kristanaj, se oni volas diri per tio ke ili estis vere predikataj de Kristo, estis gherme en tiu unua instruado. Por la justeco al li sufichis rediri l'aksiomon disvastigitan: « Ne faru al aliulo tion, kion ci ne volus, ke oni faru al ci mem ». Sed tiu malnova saghajho ankoraŭ egoista, ne sufichis al li. Li iris al troajhoj :

« Se iu frapas cin sur la vangon dekstran, prezentu al li la alian. Se iu procesas kontraŭ ci pro cia tuniko, forlasu al li cian mantelon. »

« Se cia okulo dekstra skandalas cin, eltiru ghin kaj jhetu ghin for de ci. »

« Amu viajn malamikojn, bonfaru al tiuj, kiuj malamas vin ; preghu por tiuj, kiuj persekutas vin. »

« Ne jughu, kaj vi ne estos jughata. Pardonu, kaj oni par-donos al vi. Estu kompatema kiel via Patro chiela estas kompatema. Doni pli valoras ol ricevi. »

« Kiu humilighas, tiu estos altigata ; kiu altigas sin, tiu estos humiligata. »

Pri la almozo, la kompato, la bonaj faroj, la dolcheco, la pacamo, la plena malprofitemo del' koro, li havis nur malmulte por aldoni al la dogmaro de la sinagogo. Sed al tio li metis akcenton shmirecan, kiu novigis la aforismojn eltrovitajn de longe. La moralo ne konsistas el principoj pli aŭ malpli bone esprimitaj. La poezieco del' ordono, kiu ghin amigas, estas pli ol la ordono mem, konsiderata kiel verajho abstrakta. Malmulte originala en si mem, se oni per tio volas diri, ke oni povus per sentencoj pli malnovaj, ghin refari preskaŭ tute, la moralo evangelia tamen restas la plej alta kreajho, kiu eliris iam el la

konscienco homa, la plej bela kodo de vivo perfekta, kiun neniu moralisto iam skribis.

Li ne parolis kontraŭ la legho moshea; sed estas klare, ke li vidis ghian nesufichecon, kaj tion li lasis kompreni. Li rediris senchese, ke oni devas fari plimulte ol la malnovaj saghuloj estas dirintaj. Li malpermesis la malplej grandan parolon maldolchan, la eksedzighon kaj jhuron, li malaprobis la egalpunon, li kondamnis procentegon, li konsideris la deziron voluptan tiel krima kiel adulto. Li volis pardonon universalan de la ofendoj. La tialo, per kiu li apogigis tiujn sentencojn de alta bonfarado, estis chiam la sama : « ..... Por ke vi estu la filoj de via Patro chiela, kiu levigas sian sunon super la bonuloj kaj super la malbonuloj. Se vi amas, aldonis li, nur tiujn, kiuj amas vin, kian indon vi havas? La publikanoj ja tion faras Se vi salutas nur viajn fratojn, kio estas tio? La idolanoj ja tion faras. Estu perfektaj kiel via Patro chiela estas perfekta ».

Unu religio pura, sen pastroj kaj sen praktikoj eksteraj, ripozanta tute sur la sentoj del' koro, sur la imitado al Dio, sur la rilato senpera de la konscienco kun la Patro chiela, estis la sekvo de liaj principoj. Jesuo neniam malantaŭeniris antaŭ tiu sentima sekvo, kiu faris li en la mezo del' judaismo, revociulo unuagrada. Kial perantoj inter la homo kaj lia Patro? Dio vidante nur la koron, por kio taŭgas tiuj purigoj, tiuj praktikoj, kiuj atingas nur la korpon? La tradicio mem, ajho tiel sankta por la hebreo, estas nenio se ghi estas komparata al la sento pura. La hipokriteco de la farizianoj, kiuj preghante turnis la kapon por vidi, chu oni ilin rigardis, kiuj donis siajn almozojn kun bruego, kaj metis sur siajn vestojn signojn, kiuj rekonigis ilin kiel piuloj, chiuj tiuj afektoj de la malvera pieco lin kolerigis. « Ili ricevis sian rikompencon, li diris; pri ci, kiam ci donos almozon, ke cia mano maldekstra nesciu kion faras cian dekstran, kaj tiam cia Patro, kiu vidas en la sekreton, al ci tion redonos. Kaj, kiam ci preghas, ne imitu la hipokritulojn, kiuj amas fari sian preghon starante en

la sinagogoj kaj che la angulo de la placoj, por esti vidataj de la homoj. Mi diras en vereco, ke ili ricevas sian rikompencon. Pri ci, se ci volas preghi, eniru en cian kabineton, kaj, ferminte la pordon, preghu cian Patron, kiu estas en la sekreto, kaj cia patro, kiu vidas en la sekreton, cin plenumos. Kaj, kiam ci preghas, ne faru longajn paroladojn kiel la idolanoj, kiuj imagas esti plenumotaj dank' al multe da paroloj. Dio cia Patro scias kion ci bezonas, antaù ol ghin ci petu de li »

Li afektis nenian signon eksteran pri asketismo, kontentante sin nur preghante, aù plighuste meditante sur la montoj kaj en la lokoj senhomaj, kie chiam la homo serchis Dion. Tiu alta kono de la rilatoj de la homo kun Dio, pri kiu tiom malmulte da animoj, ech post li, estos kapablaj, resumighis per unu pregho, kiun li de tiam instruis al siaj alighantoj :

« Patro nia, kiu estas en la chielo, cia nomo estu sanktigata; venu regheco cia; estu cia volo farata tiel sur la tero, kiel ankaù en la chielo. Donu al ni hodiaù nian chiutagan panon. Pardonu al ni ofendojn niajn, kiel ni pardonas al tiuj, kiuj ofendis nin. Evitu al ni la malfelichojn; liberigu nin de la Malbonulo(1). » Li insistis speciale pri tiu penso, ke la Patro chiela scias plibone ol ni, kion ni bezonas, kaj ke oni preskaù insultas lin, petante de li tian aù chitian ajhon determinatan.

Jesuo en chitio nur eltiris la sekvojn el la grandaj principoj, kiujn judaismo elmetis, sed kiujn la klasoj oficialaj de la nacio emis pli kaj pli nekonfesi. Neniam pastro idolana estis diranta al la fidelulo : « Se, alportante cian oferajhon al la altaro, ci rememoras ke cia frato havas ion kontraù ci, lasu tie cian oferajhon antaù la altaro, kaj iru unue repacighi kun cia frato; post tio, venu kaj oferu. » Solaj en la antikvo, la profetoj hebreaj, Isajo precipe, en ilia kontraùsento al la pastreco, estis vidantaj la veran naturon de la honorado,

---

(1) T. e. del' demono, elpensita kiel la feo del' malbono, laù la tiamaj ideoj. *N. del' Verk.*

kiun la homo shuldas al Dio. « Kiel gravas al mi la multeco de viaj oferajhoj? De ili mi estas satigita; la graso de viaj virshafoj sublevas mian koron; via bonodorfumo min tedas; char viaj manoj estas sangplenaj. Purigu viajn pensojn; chesu malbonfari, lernu la bonon, serchu la justecon, kaj, venu tiam. » En la lastaj tempoj kelkaj doktoroj, Simeono la justa, Jesuo Sirahhido, Hilelo, preskaŭ trafis, kaj deklaris ke la mallongo de la Legho estis la justeco. Filono, en la hebrea mondo de Egiptujo, alvenis samtempe kiel Jesuo al ideoj je alta sankteco morala, kies sekvo estis malmulto da zorgo pri la praktikajhoj leghaj. Shemaja kaj Abtaliono, pli ol unufoje, montrighis ankaŭ kiel kazuistoj tre liberamaj. Rabbi Johanan estis baldaŭ metonta la farojn kompatajn ech super la lerno de la Legho. Jesuo sole, tamen, diras la aferon efike. Neniam oni estis malpli pastro ol Jesuo, neniam pli malamiko de la formoj, kiuj sufokas la religion sub la preteksto ghin protekti. Per tio, ni estas chiuj liaj skolanoj kaj liaj daŭrigantoj; per tio, li metis shtonon chiaman, fundamenton de la vera religio, kaj, se la religio estas la afero bezonega de la homaro, per tio li indis la vicon dian, kiun oni donis al li. Unu ideo tute nova, la ideo pri kulto fondita sur la pureco de la koro kaj sur la frateco homa, faris per li sian eniron en la mondon, ideo tiel alta, ke la Eklezio kristana estis, pri tiu punkto, perfidonta tute liajn intencojn, kaj tiel, ke en niaj tagoj, nur kelkaj animoj estas kapablaj al ghi almetighi.

Unu sento charma pri la naturo liveris al li chiumomente figurojn komprenigajn. Iafoje delikateco rimarkinda, tio, kion ni nomas sprito, plibeligis liajn aforismojn; alifoje, ilia viva formo devenis de la lerta uzo de la proverboj popularaj. « Kial ci povas diri al cia frato: « Permesu ke mi elprenu tiun pajleron el cia okulo, « ci, kiu havas trabon en cia? Hipokritulo! forprenu unue la trabon el cia okulo, kaj tiam ci pensos depreni la pajleron de cia frato ».

Tiuj lecionoj, longatempe enfermitaj en la koro de la juna

majstro, grupigis jam kelkajn priinstruitojn. La emo tiama estis al la malgrandaj Eklezioj; estis la tiamo de la esenianoj aŭ terapeŭtoj. Rabbi'oj havantaj chiu sian instruadon, Shemaja, Abtaliono, Hilelo, Shammajo, Juda la Gaŭlonitidano, Gamalielo, tiom multe da aliaj, kies sentencoj kunfaris Talmudon, aperis de chiuflanke. Oni skribis tre malmulte; la doktoroj hebreaj tiamaj ne verkis : chio pasis en interparoladoj kaj en lecionoj publikaj al kiuj oni penis doni shajnon facile rememoreblan. La tago, kiam la juna charpentisto de Nazareto komencis produkti ekstere tiujn sentencojn, por la plimulto jam disvastigitajn, sed kiuj, dank'al li estis regenerontaj la mondon, tio ne estis rimarkindajho. Li estis rabbi'o plia (estas vere, la plej charma el chiuj), kaj chirkaŭ li kelkaj junuloj avidaj aŭdi lin kaj serchantaj la nekonaton. La neatento de la homoj bezonas tempon por esti trudata. Tiam ankoraŭ ne estis kristanoj; la vera kristismo tamen estis fondita, kaj neniam sendube ghi estis pli perfekta ol en tiu unua momento. Jesuo al ghi nenion daŭreblan aldonos. Kion mi diras? En unu senco, li ghin kompromitos, char chiu ideo por prosperi, estas devigata fari oferojn; oni neniam eliras senmakula el la batalado por la vivo.

Elpensi la bonon, ja ne sufichas; estas necese prosperigi ghin inter la homoj. Por tio, vojoj malpli puraj estas necesaj. Certe, se Evangelio limighus al kelkaj chapitroj de Mateo kaj de Luko, ghi estus pli perfekta kaj ne faciligus hodiaŭ tiom da kontraŭdiroj; sed ne havante miraklojn, chu ghi estus konvertinta la mondon? Se Jesuo estus mortinta en la momento, en kiu ni estas alvenintaj en lia vivado, ne estus en lia vivo tia pagho, kiu ofendas nin; sed, pli granda por la okuloj de Dio, li estus restonta nekonata de la homoj; li estus perdita en la amaso de la grandaj animoj nekonataj, la plej bonaj el chiuj; la vereco ne estus publikigita, kaj la mondo ne estus profitinta la grandegan superecon moralan, kiun lia patro donis al li. Jesuo Sirahhido, kaj Hilelo estis esprimintaj aforismojn preskaŭ tiel altajn, kiel tiuj de Jesuo. Hilelo, tamen, neniam

estos konsiderata kiel la vera fondinto de kristismo. Tiel en la moralo, kiel en la arto, diri estas nenio, fari estas chio. La ideo kiu estas kashata en unu pentrajho de Rafaelo, estas negravajho; la pentrajho sole estas valora. Same, en moralo, la vereco neniam ricevas ian valoron, se ghi ne sentighas, kaj ghi atingas sian tutan valoron nur kiam ghi realighas en la mondo kun la stato de fakto. Homoj de malboneta moraleco skribis tre bonajn sentencojn. Homoj tre virtemaj, aliflanke, nenion faris por daŭrigi en la mondo la tradicion de la virto. La palmo estas al tiu, kiu estis potenca parole kaj fare, kiu sentis la bonon, kaj je la prezo de lia sango ghin triumfigis. Jesuo, che tiu duobla vidpunkto, estas senegala; lia gloro restas tuta kaj estos chiam renovigata.

———

## CHAPITRO KVINA.

**Johano-Baptisto. — Vojagho de Jesuo al Johano kaj lia loghado en la dezerto de Judeo. — Li alprenas la bapton de Johano.**

Homo eksterordinara, kies rolo pro manko da dokumentoj restas por ni parte enigma, aperis che tiu tempo kaj certe rilatis kun Jesuo. Tiuj rilatoj celis plighuste deflankigi de lia vojo la junan profeton de Nazareto; sed ili inspiris al li kelkajn helpajhojn gravajn por lia fondo religia, kaj, chiuokaze ili liveris al liaj lernantoj tre fortan aŭtoritaton por rikomendi ilian majstron al ia klaso de Hebreoj.

Chirkaŭ la jaro 28a de nia jararo (dekkvina jaro de la rego de Tibero), disvastighis en tuta Palestino la famo de iu Johanan aŭ Johano, juna asketo plena je vivegeco kaj je pasio. Johano estis pastrarasa kaj naskighis, tio shajnas, en Jutta, apud Hebrono, aŭ en Hebrono mem. Hebrono, la urbo chefpatra estece, lokita je du pashoj de la dezerto de Judeo kaj je kelkaj horoj de la granda dezerto de Arabujo, estis tuj de tiu epoko tia, kia ghi estas ankoraŭ hodiaŭ, unu el la bulvardoj de unudiismo laŭ ghia formo plejsevermora. Tuj de lia infaneco, Johano estis nazir, tio estas dedichita de voto (religia promeso) al iaj detenajhoj. La dezerto, de kiu li estis por tiel diri chirkaŭata, altiris lin frue. Li tie vivis kiel « jogi » hinda, vestita de feloj aŭ de shtofoj kamelharaj, havante kiel nutrajhon nur akridojn kaj mielon sovaghan. Iu nombro da lernantoj estis grupighinta chirkaŭ li, por partopreni lian vivon kaj mediti lian severan parolon. Oni estus kredinta sin transportita sur la bordojn de Gangho, se trajtoj specialaj ne

estus montrintaj en tiu solemulo la lastan el la grandaj profetoj de Israelujo.

De la tempo, kiam la nacio hebrea kun speco de malespero emis pripensadi pri sia sorto, la imago del' popolo estis turninta sin kun multe da komplezo al la antikvaj profetoj. Kaj, el chiuj personoj del' estintajho, kies memoro venis kiel songhoj el nokto malkvieta veki kaj agiti la popolon, la plej granda estis Elio. Tiu grandegulo el la profetoj, en sia maldolcha soleco del' Karmelo, partoprenanta la vivon de la sovaghaj bestoj, loghanta en la kavoj de la rokoj, el kiuj li eliris kiel fulmofajro por fari kaj malfari la reghojn, farighis per aliformighoj sinsekvaj ia estajho homa, chu videbla, chu nevidebla, kaj kiu ne gustumis la morton. Oni ghenerale kredis, ke Elio estis revenonta kaj restarigonta Israelujon. La vivo severmora, kiun li kondukis, la memorajhoj teruraj, kiujn li estis lasinta, kaj sub la impreso de kiuj Oriento vivas ankoraù, tiu malhela figurajho, kiu ghis niaj tagoj tremigas kaj mortigas, tiu tuta mitologio plena je vengho kaj je teruroj frapis vive la spiritojn kaj markis iel per signo naskigha chiujn elpensajhojn popolajn. Kiu ajn celis grandan faron sur la popolon, tiu devis imiti Elion, kaj char la vivo soleca estis la trajto esteca de tiu profeto, oni kutimis rigardi « la homon de Dio » kiel ermito. Oni imagis ke chiuj sanktuloj estis havintaj siajn tagojn de pentofaro, de vivo maldolcha, de severmorajhoj. La formondigho al la dezerto tiel farighis la kondicho kaj la antaùludo de la altaj sortoj.

Nenia dubo estas, ke tiu penso imita estis multe priokupanta Johanon. La vivo dezertula, tiel kontraùa al la spirito de la malnova popolo hebrea, de chie enighis en Judeon. La esenanoj aù terapeùtoj estis grupe apud la lando de Johano, che la bordoj orientaj de la maro Morta. Oni imagis ke la sektestroj devis kredeble esti solemuloj, havantaj siajn regulojn kaj siajn institutojn proprajn, kiel la fondintoj de la religiaj ordenoj. La majstroj de la junuloj estis, ankaù iafoje iaj dezertuloj sufiche similaj al la guru'j de bramaismo.

La praktiko fundamenta, kiu donis al la sekto de Johano ghian karakteron, kaj kiu havigis al li lian nomon, estis la bapto aù la tuta enakvigho. La akvopurigoj jam estis kutimaj por la Hebreoj, kiel al chiuj religioj orientaj. La esenanoj estis donintaj al ili disvastecon specialan. La bapto estis ighinta ceremonio ordinara en la enkonduko de la varbitoj en la religion hebrean, ia misterkonigo. Neniam tamen, antaù nia baptisto, oni donis al la enakvigho tuta nek tiun gravecon, nek tiun formon. Johano estis fiksinta la ejon de sia agado en la parto del' dezerto de Judeo, kiu najbaras la maron Mortan. En la epokoj, en kiuj li disdonis la bapton, li transiris al la bordoj de Jurdeno, chu en Betanio, chu en Betabara, sur la bordo orienta, kredeble kontraù Jericho, chu en la loko nomata Aehnon aù « la Fontanoj », apud Salimo, kie estis multe da akvo. Tie, popolamasoj grandegaj, precipe el la gento de Juda, alkuris al li kaj baptigis sin. En kelkaj monatoj, li tiel ighis unu el la homoj plej influantaj el Judeo, kaj chiu estis devigata kalkuli kun li.

La popolo lin rigardis kiel profeto, kaj kelkaj imagis, ke li estis Elio renaskighinta. La kredo al tiuj renaskighoj estis tre disa; oni pensis ke Dio estis revivigonta kelkajn el la malnovaj profetoj el iliaj tombaj monumentoj por gvidi Israelujon al ghia sorto fina. Aliaj rigardis Johanon kiel la Savonto mem, kvankam li ne tiel postulis. La pastroj kaj la skribistoj, malfavoraj al tiu renaskigho del' profetismo, kaj chiam malamikoj de la entuziasmuloj, lin malestimis. Sed la populareco de la baptisto trudis ilin, kaj ili ne kuraghis paroli kontraù li. Ghi estis venko, kiun la sento de la popolamaso gajnis sur la nobelrego pastra. Kiam oni devigis la pastrestrojn klarigi pri tiu punkto, oni ilin tre embarasis.

La bapto ja estis, por Johano, nur signo difinita por impresi kaj antaùpretigi la spiritojn al ia granda movado. Estas nenia dubo, ke li posedis en la plej alta grado la esperon al la Savonto, kaj ke lia agado precipa tion celis. « Pentofaru, li diris, char la regholando de Dio proksimighas. » Li anoncis

« grandan koleron », t. e. terurajn katastrofojn baldaŭ venontajn, kaj li sciigis, ke la hakilego jam estis che la radiko de la arbo, ke la arbo baldaŭ estos jhetata al la fajro. Li prezentis sian Savonton tenantan unu grenventolilon che la mano, rikoltantan la bonan grenon, kaj bruligantan la pajlon. La pentofaro, kies figurajho estis bapto, la almozo, la plibonigado de la moroj, estis por Johano la grandaj rimedoj pretighaj por la baldaŭaj okazontajhoj. Oni ne scias ghuste, kiel li elpensis tiujn okazontajhojn. Kio estas certa, tio estas ke li predikis kun multe da forto kontraŭ la samaj kontraŭuloj de Jesuo, kontraŭ la pastroj richaj, la farizianoj, la doktoroj, la judaismo oficiala unuvorte, kaj ke kiel Jesuo li estis precipe akceptata de la klasoj malshatataj. Li malgrandigis ghis nenio la filon de Abrahamo, kaj diris ke Dio povus fari Abrahamidojn per la shtonoj del' vojo. Ne shajnas, ke li posedis, ech gherme, la grandan ideon, kiu faris la triumfon de Jesuo, la ideo al religio pura; sed li potence servis chitiun ideon anstatauigante per ceremoniaro privata la ceremoniojn leghajn, por kiuj pastroj estis necesaj, proksimume kiel la sinvipantoj de la mezepoko estis la antauuloj de la Reformo, formetante la monopolon de la sakramentoj kaj de la absolvo de la pastraro oficiala. La tono de liaj predikoj estis severa kaj maldolcha. La esprimojn, kiujn li uzis kontrau siaj kontrauuloj shajnas esti el la plej perfortaj. Ghi estis malglata kaj senchesa alkolerado. Kredeble li ne restis fremda al politiko. Jozefo, kiu lin tushis preskau per lia majstro Banuo, tion komprenebligas per vortoj kovritaj, kaj la katastrofo kiu finigis liajn tagojn, tion supozigas. Liaj alighantoj kondukis vivadon tre severmoran, fastis ofte kaj afektis eksterajhon malgajan kaj zorgeman. Oni vidas che momentoj ekaperi la komuneco del'bienoj kaj tiu penso ke la richulo estas devigata partodoni tion, kion li havas. La malrichulo jam aperas kiel tiu, kiu ghuos unuavice la regholandon de Dio.

Kvankam la centro agada de Johano estis Judeo, lia famo enighis rapide en Galileon kaj alvenis ghis Jesuo, kiu jam

formis chirkau si, per siaj unuaj paroladoj, rondeton da auskultantoj. Ghuante ankorau malmulte da autoritato, kaj sendube ankau incitate de la deziro vidi majstron, kies instruado multe rilatis kun siaj propraj ideoj, Jesuo foriris de Galileo kaj aliris kun sia alighantareto al Johano. La noveveníntoj baptigis sin kiel chiuj. Johano tre bone akceptis tiun aron da alighintoj galileaj, kaj ne trovis malbona. ke ili restu distingaj el siaj. La du majstroj havis multe da ideoj komunaj. ili sin amis kaj bataladis antau la publiko per servemajhoj reciprokaj. La juneco estas kapabla je chiuj abnegacioj, kaj estas permesate konsenti, ke la du junaj entuziasmuloj plenaj je la samaj esperoj kaj je la samaj malamoj apogis sin reciproke. Tiuj bonaj rilatoj ighis poste la forira punkto de tuta sistemo disvolvita de la evangeliistoj, kaj kiu konsistis doni kiel unua fundamento al la misio dia de Jesuo la ateston de Johano. Tia estis la grado de autoritato gajnita de la baptisto, ke oni ne pensis povi trovi en la mondo plejbonan garantianton. Sed, malproksime ke la baptisto forlasu antau Jesuo. Jesuo, dum la tuta tempo, kiun li pasigis apud li, lin rekonis kiel supera kaj devolvis sian genion nur timeme.

Ja shajnas ke, malgrau lia profunda originaleco, Jesuo. dum kelkaj semajnoj almenau, estis la imitanto de Johano. Lia vojo estis ankorau konfuza antau li. La bapto de Johano estis ricevinta grandan favoron: Jesuo kredis sin devigata laui lian ekzemplon: li baptis kaj siaj lernantoj baptis ankau. Sendube ili akompanis tiun ceremonion de predikoj similaj al tiuj de Johano. Jurdeno tiel kovrighis chie de baptistoj, kies paroladoj ricevis pli malpli da sukceso. La instruato egalis baldau la majstron, kaj lia bapto estis tre shatata. Okazis pro tio ia jhaluzo inter la alighintoj; la lernantoj de Johano iris plendi al li pro la sukcesoj kreskantaj de la juna Galileano, kies bapto estis baldau lau ili senfavorigonta lian. Sed la du majstroj restis superaj al tiuj malgrandajhoj. La supereco de Johano ja estis tro nediskutata por ke Jesuo, ankorau nemulte konata, pensu ghin batali. Li volis nur grandighi en ghia ombro, kaj

kredis sin devigata, por gajni la popolamason, uzi la rimedojn eksterajn, kiuj estis donintaj al Johano tiel mirigajn sukcesojn. Kiam li ekpredikis, post la arestatigho de Johano, la unuaj vortoj, kiujn oni metas al lia busho, estas nur redirajho de unu el la frazoj kutimaj al ia baptisto. Kelke da aliaj esprimoj de Johano estas retrovataj lautekste en siaj paroladoj. La du alighantaroj shajne vivis daure en bona konsento, kaj post la morto de Johano, Jesuo, kiel kunfrato sekreta, estis unu el la unuesciigataj pri tiu okazo.

Johano ja baldau estis haltigata en sia vivo profeta. Kiel la malnovaj profetoj hebreaj, li estis en la plej alta grado kritikanto de la potencoj starigitaj. La viveco ekstrema kun kiu li esprimis pri ili nepre estis embarasonta lin. En Judeo, Johano shajne ne estis malkvietigita de Pilato, sed en Pereo, trans Jurdeno, li estis en la landoj de Antipaso. Tiu chi tirano malkvietighis pro la fermentilo politika malbone kashata en la predikoj de Johano. La grandaj kunvenoj da homoj, formitaj del' entuziasmo religia kaj patriota chirkau la baptiston havis ion suspektindan. Plendagigo tute persona venis. plie, aldonighi al tiuj shtattialoj kaj neprigis la pereon de la severmora cenzuristo.

Unu el la karakteroj plejforte markitaj en tiu tragedia familio Herodida, estis Herodiado, nepino de Herodo la Granda. Perfortema, glorama, pasia, shi malamis judaismon kaj malshatis ghiajn leghojn. Shi estis edziniginta, kredeble malgrau shi, al shia onklo Herodo Mariamido, kiun Herodo la Granda estis senheredigínta kaj kiu neniam havis rolon publikan. La situacio malsupera de shia edzo kontrau la aliaj personoj de lia familio, lasis al shi nenian ripozon; shi volis esti regnestrino chiapreze. Antipaso estis la ilo, kiun shi uzis. Chitiu viro malforta, farighinta forte amanta de shi, promesis al shi edzighi je shi kaj eksedzinigi sian unuan edzinon, filino de Hareto, regho de Petra'o kaj emiro de la gentoj najbarantaj Pereon. La princino araba, subinformite pri tiu projekto, decidis forkuri. Kashante sian celon, shi shajnigis deziri

vojaghi al Mahhero, en la landojn de sia patro, kaj tie kondukigis sin de la oficiroj de Antipaso.

Makaur au Mahhero estis fortikajho kolosala konstruita de Aleksandro Janneo, poste restarigita de Herodo, en unu el la plejkrutaj uadioj oriente de la maro Morta. Ghi estis lando sovagha, stranga, plena je legendoj neordinaraj, kaj kiun oni kredis vizitadata de demonoj. La fortikajho estis ghuste che la limo de la Shtatoj de Haretho kaj de Antipaso. Ghi tiam apartenis al Haretho. Chitiu, avertite, chion pretigis por la forkuro de sia filino, kiu de gento al gento estis rekondukata al Petra.

La unuigho preskau sangadulta de Antipaso kaj Herodiado tiam plenumighis. La ordonoj hebreaj pri la edzigho estis senchese skandalo inter la malpia familio de la Herodidoj kaj la Hebreoj severaj. Char la membroj de tiu dinastio multa kaj sufiche soligita estis devigataj interedzighi, de tio rezultis oftaj malrespektajhoj al la malpermesoj starigitaj de la Legho. Johano estis la ehho de la sento ghenerala mallaudante energie Antipason. Tio estis pli ol bezona por decidigi chitiun doni sekvon al siaj suspektoj. Li arestigis la baptiston kaj ordonis, ke oni enfermu lin en la fortikajho de Mahhero, kiun li kredeble estis ekkaptanta post la foriro de la filino de Haretho.

Pli timema ol kruela, Antipaso ne deziris lin mortigi. Lau kelkaj bruoj, li timis ribelon popolan. Lau alia dirajho, li estus preninta plezuron auskulti la malliberulon, kaj tiuj kunparoloj lin tre shancelus. Kio estas certa, tio estas ke la forposedo dauris kaj ke Johano konservis el la fundo de sia malliberejo efikon disan. Li korespondis kun siaj skolanoj, kaj ni retrovas ankorau lin rilatanta kun Jesuo. Lia kredo en la baldaua veno de la Savonto nur plifirmighis; li sekvadis atente la movojn eskterajn, kaj penis en ili malkovri signojn favorajn por la plenumigho de la esperoj, per kiuj li nutris sin.

## CHAPITRO SESA.

### Disvolvighado de la ideoj de Jesuo pri la Regholando de Dio.

Ghis la aresto Johanon, kiun ni metas proksimume en la vesperon de la jaro 29a, Jesuo ne forlasis la chirkauajhojn de la maro Morta kaj de Jurdeno. La loghado en la dezerto de Judeo estis ghenerale konsiderata kiel la antaupretigho al grandaj faroj, kiel speco de « formondigho » antau la agoj publikaj. Jesuo al tio submetighis lau la ekzemplo de la aliaj kaj pasigis kvardek tagojn sen alia kunesto, ol tiu de la bestoj sovaghaj, praktikante faston severan. La imago de la lernantoj multe ekzercighis pri tiu loghado. La dezerto estis, en la kredajhoj popolaj, la loghejo de la demonoj. Ekzistas en la mondo malmulte da regionoj pli ruinaj, pli forlasitaj de Dio, pli fermitaj al la vivo ol la deklivo rokeca, kiu formas la bordon okcidentan de la maro Morta. Oni kredis, ke dum la tempo, kiun li pasigis en tiu malbelega lando, li estis submetata al teruraj provoj, ke Satano lin timigis per siaj iluzioj au lulis de logaj promesoj, ke poste la angheloj, por lin rikompenci je lia venko, venis lin servi.

Ghi estis kredeble elirante el la dezerto, ke Jesuo eksciis la areston Johanon-Baptiston. Li de nun havis neniun tialon por daurigi sian loghadon en lando, kiu estis al li duone fremda Li reiris Galileon, sia vera patrujo, maturighinte de grava sperto kaj elcherpinte en la kuntusho kun granda homo tre malsimila de li la senton de sia propra originaleco.

Sume, la influo de Johano estis pli bedaurinda ol utila al Jesuo. Ghi estis halto en lia disvolvigho; chio emigas kredi, ke li havis, kiam li malsupreniris al Jurdeno, ideojn superajn al tiuj de Johano, kaj ke pro ia speco de cedo, li emis momente al baptismo. Eble se la baptisto al la autoritato de kiu estus malfacile sin depreni, estus restinta libera, li ne scius forjheti la jugon de la ceremoniaroj kaj de la praktikajhoj materialaj, kaj tiam sendube, li estus restinta sektano hebrea nekonata; char la mondo ne estus forlasinta praktikajhojn por aliaj. Estas per la altiro de religio liberigita de chia formo ekstera, ke kristismo logis animojn noblajn. La baptisto enfermita, sia skolo tie malgrandighis, kaj Jesuo trovis sin redonata al sia propra movo. La sola afero, kiun li dankis al Johano, estis iel lecionojn predikajn kaj popolagadajn. De tiu momento, li ja predikas kun multe pli da forto kaj autoritate trudis sin al la popolamaso.

Shajnas ankau ke la loghado apud Johano, malpli per la agado de la baptisto ol per la irado natura de lia propra pensado, maturigis multe liajn ideojn pri « la regholando de la chielo ». Lia signaldiro de nun estas la « bona novajho », la sciigo ke la rego de Dio estas baldaua. Jesuo ne estos nur agrablega moralisto, celanta enfermigi en kelkajn aforismojn vivajn kaj mallongajn lecionojn belegajn; li estas la revoluciulo superega, kiu provas renovigi la mondon en siaj fundamentoj mem, kaj fondi sur la tero la idealon, kiun li elpensis. « Atendi la regholandon de Dio » estos egalsenca esti lernanto de Jesuo. Tiu vorto je « reghlando de Dio » au de « reghlando de la chielo », tiel same, kiel ni jam diris, estis de longatempe kutima al la Hebreoj. Sed Jesuo donis al ghi sencon moralan, gravecon socian, kiun la verkinto mem de la libro de Danielo, en sia entuziasmo apokalipsa, apenau kuraghis videti.

En la mondo tia, kia ghi estas, *la malbono* regas, Satano estas la « regho de chitiu mondo », kaj chio obeas al li. La reghoj mortigas la profetojn. La pastroj kaj la doktoroj ne

faras tion, kion ili ordonas al la aliaj fari. La justuloj estas persekutataj, kaj la nura parto de la bonuloj estas plori. La « mondo » estas tiel la malamiko de Dio kaj de liaj sanktuloj; sed Dio revekighos kaj venghos siajn sanktulojn. La tago estas baldaua, char la abomeno estas je sia pleneco. La rego del' bono havos sian vicon.

La alveno de tiu rego del' bono estos granda revolucio subita. La mondo shajnos renversata; char la stato nuna estas malbona, por prezenti al si la estontajhon, sufichas elpensi proksimume la malon de tio, kio ekzistas. La unuaj estos la lastaj. Ordo nova regos la homaron. Nun la bono kaj la malbono estas miksitaj, kiel la lolo kaj la bona greno en kampo. La Ordonanto lasas ilin kunkreski; sed la horo de la apartigo perforta alvenos. La regholando de Dio estos kiel unu granda jheto de reto, kiu alportas bonajn kaj malbonajn fishojn; oni metas la bonajn en vazegojn, kaj oni malembarasas sin de la resto. La ghermo de tiu granda revolucio estos unue nerimarkebla. Ghi estos kiel la greno de sinapo, kiu estas la plej malgranda el la semoj, sed kiu, jetite en la teron, farighas arbo sub kies foliaro la birdoj venos ripozi; au ghi estos kiel la panfermentilo, kiu, metite en la paston, ghin fermentigas tutan. Unu serio da komparumoj ofte malklaraj estis difinata por esprimi la surprizojn de tiu alveno subita, ghiajn shajnajn nejustajhojn, ghia karaktero nepra kaj malprovizora.

Kiu fondos tiun regon de Dio? Rememoru ni la unuan penson de Jesuo, penso tiel profunda che li, ke ghi kredeble ne havis devenon kaj tenis al la radikoj mem de lia estajho, ghi estis ke li estis la filo de Dio, la intimulo de sia Patro, la plenumanto de liaj voloj. La respondo de Jesuo al tia demando ne povis do esti duba. La konvinko, ke li regigos Dion, ekkaptis absolute lian spiriton. Li rigardis sin kiel la tutmonda reformanto. La chielo, la tero, la naturo tuta, la frenezo, la malsano kaj la morto estas nur iloj por li. En lia movo de volo heroa, li kredas sin chiopova. Se la

tero ne pretighas al tiu aliformigho superega, la tero estos pistata, purigata de la flamo kaj de la blovo de Dio. Chielo nova estos kreata kaj la tuta mondo estos loghata de angheloj de Dio.

Revolucio radika, chirkauprenanta ech la naturon mem, tia estis do la penso fundamenta de Jesuo. De tiam sendube li forlasis la politikon; la ekzemplo de Juda la Gaulonitidano estis montrinta al li la neutilecon de la ribeloj popolaj. Neniam li intencis ribeli al la Romanoj kaj tetrarkoj. La principo sendetena kaj senrega de la Gaulonitidano ne estis lia. Lia submetigho al la potencoj starigitaj, mokema funde, estis plena en la formo. Li pagis la depagon al Cezaro por ne skandali. La libereco kaj la rajto ne estas el chitiu mondo; kial malkvietigi sian vivon per vana ofendsentemo? Malshatante la teron, konvinkite ke la mondo nuna ne indas, ke oni zorgu ghin, li rifughis en sian regholandon idealan; li fondis tiun grandan dogmaron de la malshato superega, vera dogmaro de la libereco de la animoj, kiu sole donas la pacon. Sed li ne ankorau diris : « Mia regholando ne estas en chitiu mondo ». Multe da mallumoj miksighis en siajn vidajhojn plej senartifikajn. Kelkafoje tentoj strangaj trairis lian spiriton. En la dezerto de Judeo, Satano proponis al li la regholandojn de la tero. Ne konante la forton de la imperio roma, li povis kun la fundo de entuziasmo, kiu estis en Judeo. kaj kiu finighis baldau poste al tiel terura kontraustaro milita, li povis, mi diras, esperi fondi regholandon per la sentimego kaj la nombro de siaj partianoj. Kelkfoje eble staris por li la demando superega : Chu la regholando de Dio efektivighos per la forto au per la dolcheco, per la ribelo au per la pacienco? Iam, oni diras, la simpluloj de Galileo volis lin forpreni kaj reghigi. Jesuo forkuris al la monto kaj tie restadis kelkatempe sola. Lia bela natureco lin shirmis kontrau la eraro, kiu estus farinta lin agitanto au ribelestro, unu Theudas 'o au Barkobeka 'o.

La revolucio, kiun li volis fari, chiam estis revolucio

morala; sed li ne ankorau atingis tiun gradon fidi, por la plenumo, al la angheloj kaj al la trumpeto fina. Sur la homoju kaj per la homoj mem li volis agi. Aperulo, kiu estus havinta neniun alian ideon pri la baldaueco de la jugho lasta, ne havus tiun zorgon por la plibonigado de la homo, kaj ne estus fondinta la plej belan instruajhon moralan, kiun la homaro ricevis. Multe da vago restis sendube en lia penso, kaj nobla sento, multe pli ol intenco decidita, lin pushis al la afero altega. kiu efektivighis de li, kvankam lau maniero tre malsama al tiu, kiun li imagis.

Ja estas vere la regholando de Dio, mi volas diri la regholando de la spirito, kiun li fondis, kaj se Jesuo, de la chebrusto de sia Patro, vidas sian aferon prosperi en la historio, li tre rajtas diri vere : « Jen tio, kion mi volis ». Kion Jesuo fondis, kio restos chiam de li, depreno farita de la neperfektajhoj, kiuj miksighas al chia afero efektivigita de la homaro, tio estas la dogmaro de la libereco de la animoj. Jam Grekujo estis havinta, pri tiu temo, belajn pensojn. Kelkaj stoikanoj estis trovintaj rimedon por esti liberaj sub tirano. Sed ghenerale la mondo antikva imagis la liberecon kiel alligata al iaj formoj politikaj; la liberamantojn oni nomis Harmodius kaj Aristigito, Brutus kaj Kassius. La kristano vera estas multe pli liberigita de chia kateno; chimalsupre li estas forpelito; kial li atentus pri la mastro provizora de chitiu tero, kiu ne estas sia patrujo? La libereco por li, ghi estas la vero. Jesuo ne sciis sufiche da historio por kompreni kiel tia dogmaro venis ghustatempe, en la momento, kiam finighis la libereco respublika kaj kiam la malgrandaj konstitucioj urbaj de la antikvo mortis en la unueco de la imperio roma. Sed lia sagho almirinda kaj la instinkto vere profeta, kiun li havis pri sia misio, lin gvidis en chitio kun mirinda certeco. Per chitiu vorto : « Redonu al Cezaro tion, kio apartenas al Cezaro, kaj al Dio tion, kio apartenas al Dio », li kreis ion fremdan al politiko, rifughejon por la animoj en la mezo de la imperio de la forta besteca. Certe, tia

dogmaro havis sian dangherojn. Principigi ke la signo por rekoni la povon rajtan estas rigardi la monon, proklami ke la homo perfekta pagas la depagon pro malshato kaj nediskutante, tio estis detrui la respublikon lau la malnova maniero kaj favori chiujn tiranecojn. Kristismo, en chitiu senco, tre kunhelpis malfortigi la senton pri la devoj de la regnano kaj liveri la mondon al la povo absoluta de la faroj plenumitaj. Sed, fondante sennombran kunularon liberan, kiu dum tricent jaroj sciis nebezoni politikon, kristismo kompensis grande la domaghon, kiun ghi faris al la virtoj regnanaj. La povo de la Regno estis limigita al la aferoj de la tero; la spirito estis liberigita, au almenau la fasko terura de la chiopoveco roma estis rompita por chiam.

La homo precipe priokupata de la devoj de la vivo publika ne pardonas al la aliaj meti ion super siajn malpacojn partiajn. Li mallaudas precipe tiujn, kiuj dependigas al la demandoj sociaj la demandojn politikajn kaj konfesas por chitiuj ian sensenton. Li pravas, en unu senco, char chiu direkto ekskluziva domaghas al bona regado de la aferoj homaj. Sed kian antaupashon la partioj farigis al la moraleco ghenerala de nia speco? Se Jesuo, anstatau fondi sian regholandon chielan, estus foririnta Romon, estus konsumighinta konspirante kontrau Tibero, au bedaurigi Germanikus, kia estus farighinta la mondo? Respublikano severmora, patrioto fervora, li estus ne haltiginta la grandan fluadon de-la aferoj de sia jarcento, dume, sciigante la politikon senvalora, li malkovris al la mondo chitiun verajhon, ke la patrujo ne estas chio, kaj ke la homo estas antaua kaj supera al la regnano.

Niaj principoj de scienco pozitiva estas ofendataj de la parto da revoj, kiun enfermis la programo de Jesuo. Ni scias la historion de la tero; la revolucioj de la speco de tiu, kiun atendis Jesuo, okazas nur per kauzoj terajhsciencaj au astrosciencaj, kies ligon kun la aferoj moralaj oni neniam konstatis. Sed, por esti justa kontrau la grandaj kreintoj, oni ne devas halti al la antaujughoj, kiujn ili eble kunhavis.

Kolumbo malkovris Amerikon forirante de ideoj tre eraraj; Newton kredis sian frenezecan klarigon pri la Malkovro (Apokalipso) tiel certa, kiel sia sistemo de la mondo. Chu oni metos iun homon malbonetan niatempan super unu Franciskon de Asiso, unu Sankt-Bernardon, unu Johaninon d'Ark, unu Luteron, tial ke li ne havas la erarojn, kiujn tiuj lastaj profesis? Chu oni volus mezuri la homojn lau la praveco de iliaj ideoj en fiziko kaj lau la kono pli au malpli ghusta, kiun ili posedas pri la vera sistemo de la mondo? Komprenu ni plibone la situacion de Jesuo kaj tion, kio faris lian forton. La diismo de la dekoka jarcento kaj la protestantismo kutimighis nin konsideri la fondinton de la kredo kristana nur kiel granda moralisto, unu bonfarinto de la homaro. Ni jam vidas en Evangelio nur bonajn sentencojn; ni jhetas singardan velon sur la strangan staton spiritan, en kiu ghi naskighis. Estas ankau personoj, kiuj bedauras ke la Revolucio franca eliris pli ol unufoje el la principoj kaj ke ghi ne estis farata de homoj saghaj kaj moderaj. Ne trudu ni niajn malgrandajn programojn de burghoj saghaj al tiuj movadoj eksterordinaraj tiel forte super nia kresko. Daurigu ni admiri la « moralon de Evangelio »; malestigu ni en niaj instruadoj religiaj la kimeron, kiu de ili estis la animo; sed ni ne kredu ke kun la simplaj ideoj pri felicho au moraleco individua oni movigas la mondon. La ideo de Jesuo estis multe pli profunda; ghi estis la ideo plejrevolucia, kiu iam estis en cerbo homa; ghi devas esti prenata en sia tuto, kaj ne kun tiuj eligoj timemaj, kiuj de ghi forigas ghuste tion, kio ghin igis efika por la rebonigo de la homaro.

Funde, la idealo chiam estas utopio. Kiam ni volas hodiau prezenti la Kriston de la konscienco nuntempa, la konsolanton, la jughiston de la novaj tempoj, kion ni faras? Tion, kion faris Jesuo mem antau dek okcent tridek jaroj. Ni supozas la kondichojn de la mondo reala tute aliaj ol ili estas; ni prezentas liberiganton moralan disrompantan sen armiloj la ferajhojn de la nigrulo, plibonigantan la staton de la proletario, liberigan-

tan la naciojn subprematajn. Ni forgesas, ke tio supozigus la mondon renversita. La « reformo de chiuj aferoj » volita de Jesuo ne estis pli malfacila. Tiu tero nova, tiu chielo nova, tiu Jerosalemo nova, kiu malsupreniras de la chielo, tiu krio : « Jen, mi refaras chion renovigita ! » estas la trajtoj komunaj de la reformistoj. Chiam la kontrasto de la idealo kun la malghojiga realeco produktos en la homaro tiujn ribelojn kontrau la malvarma prudento, kiun la spiritoj malbonetaj taksas je frenezo, ghis kiam ili triumfas kaj kiam tiuj, kiuj ilin batalis estas la unuaj por rekoni ilian altan pravecon.

Kio ja distingas Jesuon el la agitistoj de lia tempo kaj el tiuj de chiuj jarcentoj, tio estas lia perfekta idealismo. Jesuo, lau kelkaj rigardoj, estas senregano (anarkiisto), char li havas nenian ideon pri la regado civila. Chitiu regado shajnas al li pure kaj simple trouzo. Li parolas pri ghi malprecize kaj kiel popolano, kiu havas nenian ideon pri politiko. Chiu magistrato shajnas al li malamiko natura de la homoj de Dio; li anoncas al siaj lernantoj malpacojn kun la polico, ne pensante momenton, ke en tio estas rughigo. Sed neniam la provo anstatauighi al la potenculoj kaj richuloj montrighas che li. Li volas neniigi la richon kaj la povon, sed ne ghin forpreni. Li antausciigas al siaj instruatoj persekutojn kaj turmentegojn; sed ech unufoje la penso pri kontraustaro armila ne videtighas. La ideo, ke oni estas chiopova per la suferado kaj la submetighado, ke oni triumfas la forton per la pureco de l'koro, estas vere ideo propra al Jesuo. Jesuo ne estas spiritualisto; char chio finighas, lau li, al efektivigho palpebla. Sed li estas idealisto perfekta, la materio estas por li nur la signo de la ideo, kaj la realo la esprimo viva de tio, kio ne aperas.

Al kiu sin turni, sur kiu fidi por fondi la regadon de Dio? La penso de Jesuo en chitio neniam shancelis. Tio, kio estas alta lau la homoj, estas malamegata lau la okuloj de Dio. La fondontoj de la regholando de Dio estos la simpluloj. Neniom da richuloj, neniom da doktoroj, neniom da pastroj; virinoj, popolanoj, humiluloj, malgranduloj. La granda signo de la

Savonto, estas « la bona novajho sciigata al la malrichuloj ». La naturo idilia kaj dolcha de Jesuo chitie reprenis la superon. Unu grandega revolucio socia, en kiu la vicoj estos intershanghataj, en kiu chio oficiala en chitiu mondo estos humiligata jen lia revo. La mondo ne kredos lin; la mondo lin mortigos. Sed liaj alighintoj ne estos el la mondo. Ili estos areto de humiluloj kaj de simpluloj, kiu venkos per sia humileco mem. La sento, kiu faris per « monduma » la malon de « kristana » havas, en la penso de la majstro, sian plenan pravigon.

---

## CHAPITRO SEPA.

### Jesuo en Kafarnaho.

Kaptite de ideo pli kaj pli truda kaj ekskluziva, Jesuo marshos de nun kun ia kvietegeco en la vojo, kiun desegnis al li lia miriga genio kaj la cirkonstancoj eksterordinaraj, en kiuj li vivis. Ghis tiam, li nur komunikis siajn pensojn al kelkaj personoj sekrete altirataj al li; de nun lia instruado farighos publika kaj sekvata. Li estis proksimune tridekjara. La grupeto de auskultantaj, kiu lin akompanis al Johano Baptisto grandighis sendube, kaj eble kelkaj instruitoj de Johano kunighis al li. Kun tiu unua kerno de Eklezio li sciigas sentime, tuj de sia reveno Galileon, la « bonan novajhon pri la regholando de Dio ». Chitiu regho estis baldau venonta, kaj *li*, Jesuo, estis tiu « filo de l'homo », kiun Danielo en sia apero videtis kiel la pedelo dia pri la lasta kaj superega malkovro.

La sukceso de la parolo de la nova profeto estis chitiufoje decidiga. Grupo da viroj kaj virinoj, chiuj karakterizataj de sama spirito de simplanimeco junula kaj de naiva senkulpeco, alighis al li kaj al li diris : « Ci estas la Savonto ». Char la Savonto devis esti Davidido, oni kompreneble donis al li chitiun titolon, kiu estis egalsenca de la unua. Jesuo donis ghin al si plezure, kvankam ghi kauzis al li ian embarason, char sia naskigho estis tute popola. Pri li, la titolo, kiun li pliamis, estis tiu de « filo de l'homo », titolo humila shajne, sed kiu rilatis rekte al la esperoj al la Savonto. Per *tiu* vorto li montris sin, tiel ke en lia busho, « la filo de l'homo » estis egalsenca de la pronomo « mi », kiun li evitis uzi. Sed oni neniam lin alparolis tiel, sendube char la koncernata nomo

devis plene taugi por li nur en la tago de lia estonta apero.

La centro de agado de Jesuo, en tiu chi epoko de lia vivo, estis la malgranda urbo de Kafarnaho, lokita sur la bordo de la lago Genesareto. La nomo Kafarnaho, en kiu enas la vorto « kafar » (vilagho), shajnas montri urbeton lau la malnova maniero, male de la grandaj urboj konstruitaj lau la modo roma, kiel Tiberiado. Tiu nomo havis tiom malmulte da famo, ke Jozefo en unu loko de siaj skribajhoj ghin konsideras kiel la nomo de unu fonto, char la fonto havis pli da famo, ol la vilagho lokita apud ghi. Kiel Nazareto, Kafarnaho havis nenian antauan gloron, kaj neniom partoprenis en la movado netempla favorita de la Herodoj. Jesuo tre ametighis al tiu urbo, kaj faris ghin kvazau dua patrujo. Mallonge post lia reveno li turnis al Nazareto provon, kiu ricevis neniun sukceson. Li tie povis fari neniun miraklon, lau la naiva rimarko de unu el liaj vivoskribistoj. La kono, kiun oni havis pri lia familio, kiu estis malmulte konsiderata, tro malutilis al lia autoritato. Oni ne povis rigardi kiel filo de Davido tiun, kies fraton, fratinon, bofraton oni chiutage vidis. Estas rimarkinde cetere, ke lia familio faris al li sufiche vivan kontraustaron, kaj rifuzis klare kredi al lia misio. La Nazaretanoj, multe pli perfortaj, volis, oni diras, lin mortigi jhetante lin de supro kruta. Jesuo rimarkis sprite, ke tiu aventuro estis al li komuna kun chiuj grandaj homoj, kaj li almetis al si la proverbon : « Neniu estas profeto en sia lando ».

Tiu malprospero estis neniel senkuraghigonta lin. Li reiris Kafarnahon, kie li trovis inklinojn multe pli bonajn, kaj de tie li aranghis serion da misioj al la malgrandaj urboj chirkauaj. La loghantaroj de tiu bela kaj fruktodona lando kunvenis apenau nur sabate. Chitiu estis la tago, kiun li elektis por siaj instruoj. Chiu urbo tiam havis sian sinagogon au kunvenejon. Ghi estis chambro rektangula, sufiche malgranda, kun portiko, kiun oni ornamis je la grekaj artajhoj. Char la Hebreoj havis nenian konstruarton propran, ili neniam penis doni al tiuj konstruajhoj stilon originalan. La restajhoj de kelkaj

malnovaj sinagogoj ekzistas ankorau en Galileo. Ili estas chiuj konstruitaj je grandaj kaj bonaj materialoj; sed ilia stilo estas sufiche malgranda pro la multo da ornamajhoj kreskajhaj, da kurbabranchoj, spiraloj, kiuj karakterizas la monumentojn hebreajn. Interne, estis benkoj, prediksegho por la legado publika, shranko por enfermigi la rulajhojn sanktajn. Tiuj konstruajhoj, kiuj havis nenion templan, estis la centro de la tuta vivo hebrea. Oni tien kunvenis la tagon del' sabato por la pregho kaj la lego de la Legho kaj de la Profetoj. Char la judaismo, krom Jerosalemo, ne havis pastraron propre nomatan, iu ajn starighis, eldiris la legajhojn tiutagajn kaj al ili aldonis komentarion tute personan, en kiu li elmontris siajn propraja ideojn. Ghi estis la deveno de la « homelio », kies modelon perfektan ni trovas en la traktajhetoj de Filon. Oni rajtis fari kontraudirojn kaj demandojn al la leganto; tiel, la kunveno deflankighis rapide en ia kunveno libera. Ghi havis prezidanton, « malnovulojn », unu *hazzan*, leganto titola au pedelo, « sendituloja », iajn sekretariojn au sendituloja, kiuj faris la korespondon de unu sinagogo al la alia, un shamash'on au preghejservisto. La sinagogoj estis vere respubliketoj sendependaj; ili havis jughpovon vastan. Kiel chiuj korporacioj urbaj ghis epoko malfrua de la imperio roma, ili donis dekretojn honorigajn, vochdonis decidajhojn leghantajn la komunumon, eljughis punojn korpajn, kies plenumanto ordinara estis la hazzan.

Kun la ekstrema spiritagemo, kiu chiam karakterizis la Hebreojn, tia fonditajho malgrau la severajhoj arbitraj, kiujn ghi kunportis ne povis manki okazigi diskutojn tre vivajn. Dank'al la sinagogoj, judaismo povis trairi netushate dekok jarcentojn de persekutado. Ili estis kiel tiom da mondetoj apartaj, en kiuj la spirito nacia konservighis, kaj kiuj prezentis al la bataloj internaj kampojn tute antaŭpretigitajn. Tie estis eldonata sumo grandega da pasio. La malpacoj pro antausideco tie estis vivaj. Havi apogseghon honoran che la unua rango estis la rikompenco de alta pieco, au la privilegio de la richeco,

kiun oni plejenviis. Aliflanke, la libereco lasita al tiu, kiu volis ghin preni, fari sin leganto kaj komentarianto de la teksto sankta donis facilajhojn mirindajn por la disvastigado de la novajhoj. Tie estis unu el la grandaj fortoj de Jesuo kaj la rimedo plejkutima, kiun li uzis por fondi sian instruon dogmaran. Li eniris en la sinagogon, starighis por legi; la hazzan pasigis al li la libron, li ghin malrulis, kaj, legante la chapitron tiutagan, li tiris el tiu legajho kelkajn disvolvojn konformajn al siaj ideoj. Char estis malmulte da farizianoj en Galileo, la diskutado kontrau li ne prenis tiun gradon vivecan kaj tiun tonon akran, kiu en Jerosalemo estus lin haltiginta tuj de liaj unuaj pashoj. La bonaj Galileanoj estis neniam audintaj parolon tiel bone alfaratan al sia imago gajema. Oni lin admiris, oni lin dorlotis, oni trovis ke li parolas bone kaj ke liaj tialoj estas konvinkaj. La kontraudirojn plej malfacilajn li solvis kun certeco; la charmo de lia parolo kaj de lia persono logis tiujn loghantarojn ankorau junajn, kiujn la pedanteco de la doktoroj ne ankorau sekigis.

La autoritato de la juna majstro estis tiel chiutage pligrandighanta, kaj, kompreneble ju pli oni kredis lin, des pli li kredis sin mem. Lia agado estis tre malvasta. Ghi estis tute limigata por la riverarujo(1) de la lago de Tiberiado, kaj ech en chitiu riverarujo ghi havis regionon preferatan. La lago estas longa je dudek au au dudek kvin milmetroj kaj largha je dekdu au dekses. Kvankam ghi prezentas shajnon de ovformo sufiche regula, ghi formas de Tiberiado, ghis la enirejo de Jurdeno, ian golfon, kies kurbajho estas longa je chirkau dekdu metromiloj. Jen la kampo, kie la semo de Jesuo fine trovis terajhon bone antaulaboritan. Trairu ni ghin pasho post pasho, provante sublevi la mantelon de sekeco kaj de funebro, je kiu kovris ghin la demono de islamo.

Elirante el Tiberiado, tie estas unue shtonegoj krutaj, monto, kiu shajnas elfali en la maron. Poste la montoj forighas;

---

(1) Landparto, kies chiuj riveroj forfluas al komuna enfluejo.

ebenajho (El Ghueir) malfermighas preskau che la nivelo de la lago. Ghi estas agrablega arbareto de alta verdajho, sulkata de sufichegaj akvoj, kiuj eliras parte el pelvego ronda, je konstruo antikva (Ajn Medauara). Che la enirejo de tiu ebenajho, kiu estas la lando de Genezareto propre nomita, trovighas la mizera vilagho Meghdel. Che la alia rando de la ebenajho (chiam sekvante la maron), oni renkontas urbejon (Kan-Minjeh), tre belajn akvojn (Ajn-ei-Tin), beletan vojeton, mallarghan kaj profundan, kiun certe Jesuo ofte lauiris, kaj kiu estas uzata kiel pashejo inter la ebenajho de Genesareto kaj la deklivo norda de la lago. Je kvarono da horo de tie, oni trairas malgrandan riveron salakvan (Ajn-Tabiga) elirantan el tero per kelkaj larghaj fontoj je kelkaj pashoj de la lago, kaj tien sin jhetantan en la mezo de dika densejo verdajha. Fine, je kvardek minutoj plifor, sur la deklivo seka lokita de Ajn-Tabiga al la enfluejo de Jurdeno, oni trovas kelkajn kajutojn kaj aron da ruinoj sufiche monumentaj, nomitaj Tell-Hum ».

Kvin malgrandaj urboj, pri kiuj la homaro parolos eterne tiom, kiom pri Romo kaj Ateno, estis en la tempo de Jesuo disaj en la spaco, kiu okupas de la vilagho de Meghdel al Tel-Hum. El tiuj kvin urboj, Magdala, Dalmanuta, Kafarnaho, Bethsajdo, Hhorazin, la unua sole estas hodiau retrovebla kun certeco. La malbelega vilagho Meghdel sendube konservis la nomon kaj la lokon de la vilagho, kiu donis al Jesuo lian plej fidelan amikinon. Dalmanuta estis sendube proksima de tie. Ne estas neeble ke Hhorazin estis iom en la kamparo, norde. Pri Bethsajdo kaj Kafarnaho, estas vere preskau shance, ke oni lokumas ilin en Tell-Humo, en Ajn-ei-Tin, en Hhan-Minjeh, en Ajn-Medauara. Shajnus ke tiel en lokoskribo, (topografio) kiel en historio, intenco profunda volis kashi la postsignojn de la granda fondinto. Estas dubinde, ke oni iam prosperos, sur tiu tero profunde ruinita, fiksi la lokojn, kie la homaro volus veni kisi la postsignojn de liaj piedoj.

La lago, la horizonto, la arbetoj, la floroj, jen do chio, kio restas el la kantoneto dekdu-au dekses kilometra, kie Jesuo

fondis sian aferon dian. La arboj tute malaperis. En tiu lando, kie la kreskado estis antaue tiel belega, ke Flavio Jozefo en tio vidis ian miraklon, — la naturo, lau li, plache proksimiginta chitie flanko che flanko la plantojn de la landoj malvarmaj, la produktajhojn de la terzonoj varmegaj, la arbojn de la klimatoj mezaj, sharghitajn la tutan jaron de floroj kaj fruktoj; — en tiu lando, mi diris, oni nun kalkulas unu tagon antaue la lokon, kie oni trovos la posttagon iom da ombro por sia mangho. La lago ighis forlasita. Sola barko en la plej mizera stato sulkas hodiau tiujn ondojn, iam tiel richaj je vivo kaj ghojo. Sed la akvoj chiam estas malpezaj kaj travideblaj. La marbordo, konsistanta el shtoneghoj kaj rondaj shtonoj, vere estas tiu de mareto, ne tiu de lageto, kiel sur la bordoj de la lago Heleho. Ghi estas klara, pura, senshlima, chiam batata en la sama loko de la malpeza movado de la ondoj. Promontoretoj, kovrataj de rozlauroj, tamaricoj kaj de kaporerujoj dornaj tie montrighas; en du lokoj precipe, che la enfluejo de Jurdeno apud Tarisheo, kaj che la bordo de la ebenajho de Genesareto, estas ebriigantaj florghardenoj, kie la ondoj venas estingighi en masivojn herbetajn kaj florajn. La rivereto de Ajn-Tabiga formas malgrandan golfeton, plenan je beletaj konkoj. Nuboj da birdoj naghaj kovras la lagon. La horizonto estas blindiga pro lumo. La akvoj, je azuro chiela, profunde sublokitaj inter la shtonegoj varmegaj, shajnas, kiam oni rigardas ilin de la supro de la montoj de Safedo, okupi la fundon de ora pokalo. Norden, la valeto neghhavaj de Hermono detranchighas en linioj blankaj sur la chielo; okcidenten, la altaj ebenajhoj ondoshajnaj de Gaulonitido kaj Pereo, absolute sekaj kaj vestataj de la suno per ia atmosfero velura, formas monton kompaktan, au por plibone diri longan terason tre altan, kiu de Cezareo de Filipo kuras senfine suden.

La varmo sur la bordoj nun estas tre peza. La lago okupas malaltajhon je ducent metroj sub la nivelo de la Mezamaro, kaj partoprenas tiel en la stato varmega de la Mortamaro. Kreskajharo suflchega moderigis antaue tiun varmegecon troan;

oni malfacile komprenus, ke varmegejo kiel estas hodiau la tuta riverarujo de la lago, de majo, iam estus estinta la teatro de mireginda agemeco. Flavio Jozefo, cetere, trovas la landon tre varmmodera. Sendube estis chitie, kiel en la kamparo de Romo, kelkaj aliighoj klimataj, naskitaj de kauzoj historiaj. Ghi estas islamismo, kaj chefe la kontrauago musulmana kontrau la krucmilitiroj, kiuj senakvigis, kiel mortiga vento, la kantonon plejamitan de Jesuo. La bela lando de Genesareto ne supozis, ke sub la frunto de tiu paca promenanto movighis siaj sortajhoj. Danghera sampatrujano, Jesuo estis pereiga al la lando, kiu havis la timindan honoron lin porti. Farighinta por chiuj objekto ama au malama, avidata de du fanatikecoj konkurantaj, Galileo estis, pro la prezo de sia gloro, aliighonta en dezerto. Sed kiu kuraghus diri, ke Jesuo estus estinta pli felicha, se li estus vivinta plenan vivon homan, senfama en sia vilagho? Kaj tiuj sendankaj Nazaretanoj, kiu pensus pri ili, se, je la risko kompromiti la estontecon de ilia urbeto, unu el ili ne estus rekoninta sian Patron kaj ne estus proklamita filo de Dio?

Kvar au kvin dikaj vilaghoj, lokitaj je duono da horo malproksime unu de la alia, jen do estas la mondeto de Jesuo en la epoko, en kiu ni estas. Li shajne neniam eniris en Tiberiadon, urbo tute nesankta, loghita grandaparte de idolanoj kaj loghejo ordinara de Antipaso. Kelkfoje tamen li forighis de sia regiono favora. Li iris barke al la bordo orienta, en Gergesa'on, ekzemple. Norde, oni lin vidas en Paneas au Cezareo de Filipo, che la piedo de Hermono. Iam, fine, li vojaghas al Tiro kaj Sido, lando, kiu kredeble tiam estis mirinde prospera. En chiuj tiuj regionoj, li estis en plena idolismo. En Cezareo, li vidis la faman groton de *Panium*, kie oni lokumis la fonton de Jurdeno, kaj kiun la kredo popola chirkauis je strangaj legendoj; li povis admiri la templon marmoran, kiun Herodo starigis apud tie je la honoro de Augusto; li kredeble haltis antau la multaj statuoj votaj, kiujn la pieco jam amasigis en tiu bela loko. Hebreo evhemerano, kutimigita konsideri la diojn alilandajn

kiel homoj diigitaj au demonoj, kredeble konsideris chiujn tiujn prezentajhojn kiel idoloj. La logoj de la religioj naturalismaj, kiuj ebriigis la rasojn pli sentemajn, ne entuziasmigis lin. Li sendube havis nenian konon pri tio, kion la malnova sanktejo de Melkarto en Tiro eble ankorau enhavis el religio primitiva pli au malpli simila al tiu de la Hebreoj. Idolismo, kiu en Fenecio estis stariginta sur chiu monteto templon kaj arbareton sanktan, tiu tuta elrigardo de granda industrio kaj de richeco netempla, kredeble malmulte plachis al li. Unudiismo forprenas chian kapablon kompreni la religiojn idolajn; la mohomedano jhetita en la landojn multdiismajn shajnas ne havi okulojn. Jesuo nekontraudireble nenion lernis en tiuj vojaghoj. Li chiam reiris al sia bordo tre-amata de Genesareto. La centro de liaj pensoj tie estis; tie li trovis alkredon kaj amon.

---

## CHAPITRO OKA.

### La lernantoj de Jesuo.

En tiu paradizo tera, kiun la grandaj revolucioj de la historio ghis tiam malmulte atingis, vivis loghantaro en perfekta harmonio kun la lando mem, agema, honesta, plena je unu sento gaja kaj amema pri la vivo. La lago de Tiberiado estas unu el la akvejoj plejfishohavaj en la mondo; fishkaptadoj tre fruktodonaj tie lokighis, precipe en Bethsajdo, en Kafarnaho, kaj estis produktintaj ian bonhavon. Tiuj familioj fiskaptistaj formis societon dolchan kaj pacan, disan per multaj ligiloj parencaj en la tuta kantono de la lago, kiun ni priskribiis. Ilia vivo nemulte okupita lasis plenan liberecon al ilia imago. La ideoj pri la regholando de Dio trovis, en tiujn komitatetojn da bonuloj, pli da kredo ol chie ajn. Nenio el tio, kion oni nomas civilizo en la senco greka kaj monduma, enighis inter ili. Ne estis tie nia seriozeco germana kaj kelta; sed kvankam ofte eble la boneco estis che ili suprajha kaj senprofunda, iliaj moroj estis trankvilaj, kaj ili havis ion inteligentan kaj delikatan. Oni povas imagi ilin sufiche similajn al la plej bonaj loghantaroj de Libano, sed kun la donaco, kiun ne havas chitiuj liveri grandajn homojn. Jesuo tie renkontis sian veran familion. Li tie loghigis sin kiel unu el iliaj : Kafarnaho farighis « lia urbo », kaj, en la mezo de la rondeto, kiu adoris lin, li forgesis siajn fratojn skeptikajn, la sendankan Nazareton kaj ghian mokan nekredecon.

Unu domo precipe en Kafarnaho donis al li rifughejon agrablan kaj skolanojn sindonemajn. Ghi estis tiu de du fratoj, ambau filoj de iu Jonas, kiu kredeble estis mortinta en la epoko, kiam Jesuo venis fiksighi sur la bordoj de la lago. Tiuj

du fratoj estis Kefas au Petro, kaj Andreo. Naskighintaj en Betsajdo, ili loghis en Kafarnaho, kiam Jesuo komencis sian vivon publikan. Petro estis edzighinta kaj havis infanojn; lia bopatrino loghis che li. Jesuo amis tiun domon kaj tie loghis ordinare. Andreo shajne estis la lerninto de Johano-Baptisto, kaj Jesuo eble konis lin che la bordoj de Jurdeno. La du fratoj daurigis chiam, ech en la epoko, kiam shajnas ke ili estis plejokupataj pri sia majstro, praktiki la metion fishkaptan. Jesuo, kiu amis vortludi, diris iafoje, ke li faros ilin kaptistoj de homoj. El chiuj liaj lernantoj, li ja neniam havis pli fidele aldonitajn.

Alia familio, tiu de Zabdia au Zebedeo, fishkaptisto bonhava kaj mastro de kelkaj barkoj, proponis al Jesuo akcepton diligentan. Zebedeo havis du filojn : Jako, kiu estis la unuenaskita, kaj junan filon, Johano, kiu plimalfrue ludis rolon tiel decidigan en la historio de kristismo naskighanta. Ambau estis lernantoj fervoraj. Salomeo, edzino de Zebedeo, estis ankorau tre aldonata al Jesuo kaj lin akompanis ghis la morto.

La virinoj ja akceptis lin diligente. Li havis kun ili tiujn manierojn detenataj, kiuj ebligas tre dolchan unuighon idean inter du seksoj. La apartigo de la viroj kaj de la virinoj, kiu malhelpis en la popoloj orientaj chian disvolvighon delikatan, estis sendube tiam, kiel en niaj tagoj, multe malpli severa en la kamparoj kaj vilaghoj ol en la grandaj urboj. Tri au kvar Galileaninoj sindonemaj kuniris chiam la junan majstron kaj interkonkuris la plezuron lin auskulti kaj zorgi siavice. Ili alportis en la novan sekton elementon entuziasman, kies gravecon oni jam kaptas. Unu el ili, Mario de Magdala, kiu igis tiel fama en la mondo la nomon de sia malricha urbeto, shajnas esti persono tre ekscitighema. Lau la parolielo de tiu tempo ghi estis posedata de sep demonoj, tio estas ke ghi estis tushata de malsanoj nervaj kaj shajne nekomprenigeblaj. Jesuo, per sia beleco pura kaj dolcha, kvietigis tiun organaron malbonigitan. La Magdalanino al li estis fidela ghis la Golgoto, kaj ludis la postmorgauan tagon de lia morto rolon

unuavican; char shi estis la organo precipa, per kiu fondighis la kredo pri la renaskigho. tiel, kiel tion ni vidos pli malfrue. Johanino, edzino de Hhuza, unu el la intendantoj de Antipaso, Suzano kaj aliaj restintaj nekonataj lin sekvadis senchese kaj lin servadis. Kelkaj estis richaj, kaj metis per sia richeco la junan profeton en stato vivi ne praktikante la metion, kiun li praktikis ghis tiam.

Kelkaj plie sekvis lin kutime kaj lin konfesis kiel sia majstro: iu Filipo de Betsajdo, Natanaelo, filo de Tolmaj aŭ Ptolemeo, de Kana, eble lernanto de la unua epoko; Mateo, kredeble tiu mem, kiu estis la Ksenofono de la naskighanta kristismo. Li estis estinta publikano, kaj pro tio li manumis sendube la « kalamon » pli facile ol la aliaj. Eble de tiam li revis skribi tiujn Memorskribojn, kiuj estas la fundamento de tio, kion ni scias pri la instruoj de Jesuo. Oni nomas ankau inter la lernintoj Tomason, au Didimo, kiu dubis kelkafoje, sed kiu shajnas esti viro kuragha kaj ema al la neprofitaj forlogoj; iu Lebbeo au Taddeo; iu Simono la Zelotano, eble lerninto de Juda la Gaulonitidano, apartenanta al tiu partio de la kenajm'oj, tiam ekzistanta, kaj kiu estis baldau ludonta tiel grandan rolon en la movadoj de la popolo hebrea; fine Judas Simonido el la urbo Kerioto, kiu faris escepton en la aro fidela kaj altiris al si tiel teruregan famon. Li estis la sola ne-Galileano; Kerioto estis urbo en la ekstrema sudo de la gento de Juda, je unu tagmarsho trans Hebrono.

Ni vidis, ke la familio de Jesuo estis ghenerale malmulte favora al li. Tamen Jako kaj Judo, liaj kuzoj per Mario Kleofaso, estis de tiam el la lernantoj, kaj Mario Kleofaso mem estis el la nombro de la kunulinoj, kiuj sekvis lin sur la Golgoton. En tiu chi epoko, oni ne vidas apud li lian patrinon. Nur post la morto de Jesuo, Mario akiras grandan shatatecon, kaj liaj lernintoj penas shin altiri en si. Tiam la anoj de la familio de la fondinto, sub la titolo de « fratoj de la Sinjoro », formis grupon influan, kiu estis longatempe en la chefregado de la preghejo de Jerosalemo, kaj

kiu post la disrabego de tiu urbo rifughis en Bataneon. La sola fakto, ke oni estis proksima de li, farighis supereco decidiga, tiel same, kiel post la morto de Mahomedo, la edzinoj kaj filinoj de la profeto, kiuj havis nenian gravecon dum lia vivo, farighis grandaj autoritatuloj.

El tiu popolamaso amika Jesuo videble havis pliamojn kaj iel rondon pli malgrandan. La du filoj de Zebedeo, Jako kaj Johano, shajnas esti partoprenintaj unuavice. Ili estis plenaj je ardo kaj pasio. Jesuo sprite alnomis ilin « tondridoj », pro ilia fervoro trea, kiu, se ghi estus disponinta la fulmofajron, tro ofte estus uzinta ghin. Johano precipe shajnas esti estinta kun Jesuo en ia intimeco. Eble la skolo multa kaj agema, kiu alighis pli malfrue al chitiu skolano, kaj kiu transdonis al ni liajn memorajhojn, troigis la koramemon, kiun la majstro havis por ghi. Kio estas pli signifa, tio estas ke, en la evangelioj nomitaj unuvidaj, Simono Barjono au Petro, Jako Zebedeido, kaj Johano, lia frato, formas ian komitaton intiman, kiun Jesuo alvokas che kelkaj momentoj, kiam li malfidas pri la kredo kaj inteligenteco de la aliaj. Shajnas cetere, ke ili estis chiuj tri partoprenantoj en siaj fishkaptadoj. La amemo de Jesuo al Petro estis profunda. La karaktero de chitiu, senartifika, sincera, plena je unua movo, plachis al Jesuo, kiu iafoje forlasis sin ghis rideti pro liaj manieroj decidemaj. Petro, malmulte mistika, komunikis al la majstro siajn dubojn naivajn, siajn tedojn, siajn malfortighojn tute homajn, kun malkashemo honesta, kiu rememorigas tiun de Joinville apud Sankt-Ludoviko. Jesuo lin admonis lau ielo amika, plena je konfido kaj estimo. Pri Johano, lia juneco, lia bonega koramemo kaj lia imago viva kredeble havis multe da charmo. La personeco de chitiu viro eksterordinara, kiu donis kurbighon tiel fortikan al kristismo unuatempa, disvolvighis nur pli malfrue

Nenia ghustenomita ordonvico ekzistis en la sekto naskighanta. Chiu devis nomi sin reciproke « fratoj », kaj Jesuo malpermesis tutege la titolojn de supereco tiajn, kiaj rabbi,

« majstro », « patro », char li sole estas majstro, kaj Dio sole estas patro. La plej granda devis esti la servanto de la aliaj. Tamen Simono Barjona distingighis el siaj egaluloj per grado tute speciala de graveco. Jesuo loghis che li kaj instruis en lia barko; lia domo estis la centro de la predikado evangelia. Che la publiko, oni rigardis lin kiel la estro de la anaro, kaj al li sin turnis la oficistoj depagaj por elpagigi la impostojn shulditajn de la kunularo. Simono unue konfesis Jesuon kiel la Savonto. En momento de malpopulareco, char Jesuo demandis siajn instruatojn : « Kaj vi ankau, chu vi volas foriri? » Simono respondis : « Al kiu ni irus, Sinjoro? Ci havas la vortojn de la vivo chiama. » Jesuo diversfoje donis al li en sia Eklezio ian unuavicecon, kaj donis al li la alnomon sirian Kefa (shtono), intencante diri per tio, ke li faris lin la shtonon angulan de la konstruajho. En iu momento, ech, li shajnas promesi al li « la shlosilojn de la regholando de la chielo », kaj doni al li la rajton eldiri sur la tero decidojn chiam konfirmotajn en la eterneco.

Nedubeble tiu unuaviceco de Petro ekscitis iom la jhaluzon. La jhaluzo vidighis precipe pro la estonteco, antauvidante tiun regholandon de Dio, kie chiuj alighintoj sidus sur tronoj, dekstre au maldekstre de la majstro, por jughi la dekdu gentojn de Israelujo. Oni demandis sin, kiu tiam estos plejproksima de la « filo de la homo », figuranta iel ajn kiel lia unua ministro kaj helpanto apudsidanta. La du Zebedeidoj aspiris al tiu vico. Priokupate de tia penso, ili antaustarigis sian patrinon, Salomeo, kiu iam sin turnis al Jesuo aparte kaj petis de li la du honorlokojn por siaj filoj. Jesuo forigis la peton per sia principo kutima, ke kiu sin laudegas, tiu estos humiligata, kaj ke la regholando de Dio apartenis al la malgranduloj. Tio faris ian bruon en la kunularo; okazis granda malkontentigho kontrau Jako kaj Johano. La sama konkureco shajnas elvidighi en la evangelio de Johano, en kiu oni vidas la rakontanton sciigantan senchese, ke li estis la « lernanto kara » al kiu la majstro mortante komisiis sian patrinon, kaj

penantan lokighi apud Simono Petro, iafoje metantan sin antau li, en cirkonstancoj gravaj, en kiuj la evangeliistoj plimalnovaj estis lin forgesantaj.

El la personoj antaunomitaj, chiuj el tiuj, pri kiuj oni ion scias, ekestis fishkaptistoj. Chiuokaze, neniu el ili apartenis al klaso socia alta. Sole Mateo, au Levi Alfeido, estis estinta publikano. Sed tiuj, al kiuj en Judeo oni donis tiun chi nomon, ne estis la farmistoj gheneralaj, homoj altrangaj (chiam kavaliroj romaj), kiujn oni nomis en Romo *publicani*. Ili estis agentoj de tiuj farmistoj gheneralaj, oficistoj malaltrangaj, simplaj limdepagistoj. La granda vojo de Akro ghis Damaso, unu el la plej malnovaj vojoj en la mondo, kiu trairis Galileon tushante la lagon, tie tre multobligis tiujn specojn de oficistoj. Kafarnaho, kiu eble estis apud la vojo, posedis da ili multan aron. Tiu profesio neniam estas populara; sed che la Hebreoj ghi estis konsiderata kiel tute krima. La imposto, nova por ili, estis la signo de vasaleco; unu skolo, tiu de Juda la Gaulonitidano, pretendis ke ghin pagi estis ago idolana. Tial la limdepagistoj estis malamegataj de la fervoruloj al la legho. Oni vidis ilin nur en kunesto de mortiguloj, de la plejmalbonaj shtelistoj, de malglorvivuloj. La Hebreoj, kiuj akceptis tiajn oficojn estis ekskomunikataj kaj farighis nekapablaj por testamenti; ilia kaso estis malbenita, kaj la kazuistoj malpermesis tien iri monshanghi. Tiuj malfelichuloj, elpelitaj el la socio, nur vizitadis sin reciproke. Jesuo akceptis vespermanghon, kiun proponis al li Levi, kaj kie estis, lau la parolielo de la tempo, « multe da limdepagistoj kaj fishkaptistoj ». Tio farighis granda skandalo. En tiuj domoj malbonfamaj, oni riskis renkonti malbonan kunestularon. Ni ofte vidos lin tiel, malmulte timetanta kontraustari la antaujughojn de la bonpensuloj, penanta altigi la klasojn humiligatajn de la bonreligiuloj, kaj tiel riskanta la plej vivajn riprochojn de la piuloj.

Tiujn multajn allogojn Jesuo dankis al la charmo senlima de sia persono kaj de sia parolo. Unu vorto enighanta,

unu rigardo falanta sur konsciencon naivan, kiu bezonis nur esti vekata, faris por li fervoran alighanton. Kelkfoje Jesuo uzis artifikon senkulpan, kiun ankau uzis Johanino d'Ark. Li afektis scii pri tiu, kiun li volis logi, ion intiman, au li rememorigis lin pri okazo kara al ghia koro. *Tiel* li tushis Natanaelon, Petron, la Samarianinon. Kashante la veran kauzon de lia forto, mi volas diri lian superecon rilate tio, kio chirkauis lin, li lasis kredi, por kontentigi la ideojn tiamajn, ideoj, kiuj cetere estis tute siaj, ke malkovro de la chielo malkashis al li la sekretojn kaj malfermis al li la korojn. Chiuj pensis, ke li vivas en sfero supera al tiu de la homaro. Oni diris, ke li interparolis sur la montoj kun Mosheo kaj Elio; oni kredis ke, en siaj momentoj de soleco, la angheloj venis homaghi al li, kaj estigis rilatadon supernaturan inter li kaj la chielo.

———

## CHAPITRO NAUA.

### La predikoj sur la lago.

Tia estis la grupo, kiu sur la bordoj de la lago de Tiberiado, alpremighis chirkau Jesuo. La nobelaro estis prezentata de limdepagisto kaj de administristedzino. La cetero konsistis el simpluloj. Ilia malklereco estis ekstrema, ili havis spiriton malfortan, ili kredis pri la fantomoj kaj spiritoj. Neniu elemento de kulturo greka enighis en chitiun unuan samideanaron; la instruiteco hebrea tie estis ankau tre neplena; sed la koro kaj la bonvolo tie superfluis La bela klimato de Galileo igis la vivon de tiuj honestaj fishkaptistoj chiama ravado. Ili pretighis vere al la regholando de Dio, simplaj, bonaj, felichaj, lulataj dolche sur sia agrablega mareto, au dormantaj vespere sur ghiaj bordoj. Oni ne imagas la ebriecon de unu vivo, kiu defluas tiel fronte de la chielo, la fervoro dolcha kaj forta, kiun donas tiu senchesa rilatado kun la naturo, la songhojn de la noktoj pasigitaj che la heleco de la steloj, sub kupolo azura je profundeco senfina. Dum tia nokto, Jakobo, la kapo apogata sur shtono, vidis sur la astrojn la promeson pri posteularo sennombra, kaj la shtupetaro mistera, per kiu la Elohimoj iris kaj venis de la chielo al la tero En la epoko de Jesuo, la chielo ne estis fermita, nek la tero malvarmighinta. La nubo malfermighis ankorau sur la filo de la homo; la angheloj supreniris kaj malsupreniris sur lian kapon; la aperoj de la regholando de Dio estis chie; char la homo portis ilin en sia koro. La okulo hela kaj dolcha de tiuj animoj simplaj rigardadis la tutmondon en ghia fonto ideala; la mondo malkovris eble sian sekreton al la konscienco klara

de tiuj infanoj felichaj, kies pureco de koro iam indigis ilin vidi Dion.

Jesuo vivis kun siaj lernantoj preskau chiam en plena aero. Jen, li iris en barkon, kaj instruis siajn auskultantojn prematajn sur la bordo. Jen, li sidighis sur la montoj, kiuj bordas la lagon, kie la aero estas tiel pura kaj la horizonto tiel luma. La anaro fidela tiel iris, gaja kaj vaga, kolektante la inspirojn de la majstro en ilia unua floro. Dubo naiva naskis iam demandon dolche skeptikan : Jesuo, per rideto au rigardo, silentigis la kontrauparolon. Ce chiu pasho, per la nubo, kiu pasis; la greno, kiu ghermis; la spiko, kiu flavighis; oni vidis la signon de la regholando baldauvenonta ; oni kredis sin en la antautago vidi Dion, esti la potenculoj de la tero ; la ploroj ighis ghojo ; ghi estis la alveno sur tero de la tutmonda konsolo :

« Felichaj, diris la majstro, la spirite malrichuloj ; char al ili apartenas la regholando de la chieloj !

« Felichaj tiuj, kiuj ploras ; char ili estos konsolataj !

« Felichaj la bonanimuloj ; char ili posedos la teron !

« Felichaj tiuj, kiuj malsatas kaj soifas je justeco ; char ili estos satigataj !

« Felichaj la kompatuloj ; char ili ricevos kompaton !

« Felichaj tiuj, kiuj havos la koron puran ; char ili vidos Dion !

« Felichaj la paculoj, char ili estos nomataj infanoj de Dio!

« Felichaj tiuj, kiuj estas persekutataj pro justeco ; char la regholando de la chieloj estas ilia ! »

Lia predikado estis agrablega kaj dolcha, tute plena je la naturo kaj bonodoro de la kampoj. Li amis la florojn kaj pri ili prenis siajn lecionojn plejcharmajn. La birdoj chielaj, la maro, la montoj, la ludoj de la infanoj, pasis alterne en siaj instruoj. Lia stilo havis neniom da la periodo greka, sed multe pli alproksimighis de la esprimielo de la komparumistoj hebreaj, kaj precipe de la sentencoj de la doktoroj hebreaj, liaj samtempuloj, tiaj, kiajn ni legas en la Pirke Aboth. Liaj

detaldiroj havis malmulte da vasteco, kaj formis iajn suratojn lau la ielo de la Korano, kiuj kunmetite konsistigis pli malfrue la longajn paroladojn skribitajn de Mateo. Nenia transiro kunligis tiujn pecojn diversajn; ordinare, tamen, sama inspiro enigis ilin kaj faris ilian unuecon. Precipe en la komparumo la majstro estis supera. Nenio en judaismo estis doninta al li la modelon de chi tiu speco agrablega. Li estas ghia kreinto. Estas vere, ke oni trovas en la libroj budaistaj komparumojn ghuste samtonajn kaj je sama fariteco, kiel la komparumoj evangeliaj. Sed estas malfacile konsenti, ke influo budaa sentigus sin sur lin pri chitio. La spirito bonema kaj la profundeco de sento, kiuj animis egale kristismon naskighantan kaj budaismon, sufichas eble por komprenigi tiu n similajhojn.

Tuta indiferenteco pri la vivo ekstera kaj pri la vanta ilaro de « komforto », kiujn devigas al ni niaj malgajigaj landoj, estis la sekvo de la vivo simpla kaj dolcha, kiun oni kondutis en Galileo. La klimatoj malvarmaj, devigante la homon al batalado senchesa kontrau la ekstero, donigas multon da prezo al la serchado pri la bonstato kaj lukso. Male, la landoj, kiuj naskas bezonojn nemultajn, estas la landoj de la idealismo kaj de la poezio. La flankajhoj de la vivo estas tie sengravaj rilate la plezuron vivi. La beligo de la domo tie estas superflua; oni restas kiel eble malplej ofte interne La nutrado forta kaj regula de la klimatoj nemalavaraj estus peza kaj malagrabla. Kaj, pri la lukso vesta, kiel konkuri al tiu, kiun Dio donis al la tero kaj al la birdoj de la chielo? La laboro, en tiuj klimatoj, shajnas neutila; tio, kion ghi donas, ne valoras tion, kion ghi kostas. La bestoj kampaj estas plibone vestitaj ol la plej richa homo, kaj ili nenion faras. Tiu malshato, kiu, kiam ghi ne havas la mallaboremon kiel kauzo, tre utilas por la altigo de la animoj, inspiris al Jesuo instrufablojn charmajn : « Ne enfosu teren, li diris, trezorojn, kiujn la vermoj kaj la rusto manghegas, kiujn la shtelistoj eltrovas kaj elshtelas; sed amasigu al vi trezorojn en la chielo, kie

estas nek vermoj, nek rusto, nek shtelistoj. Kie estas cia trezoro, tie ankau estas cia koro. Oni ne povas servi du majstrojn; chu oni malamas unu kaj malamas la alian, chu oni allighas al unu kaj oni forlasas la alian. Vi ne povas servi Dion kaj Mamon(1). Tial mi diras al vi : Ne estu malkvietaj pro la nutrajho, kiun vi havos por subteni vian vivon, nek pri la vestoj, kiujn vi havos por kovri vian korpon. Chu la vivo ne estas pli nobla ol la nutrajho, kaj la korpo pli nobla ol la vesto? Rigardu la birdojn aerajn : ili nek semas nek rikoltas; ili havas nek vinejojn nek grenejon, kaj via Patro chiela ilin nutras. Chu vi ne estas tre superaj al ili? Kiu estas tiu el vi, kiu, dank'al penado, povas aldoni kubutumon al sia kresko? Kaj pri la vestoj, kial peni pri ili? Konsideru la liliojn de la kampoj; ili nek laboras nek shpinas. Tamen, mi chition al vi diras, Salomo lau sia tuta gloreco ne estis vestita kiel unu el ili. Se Dio zorgas vesti tiel herbon kamparan, kiu ekzistas hodiau kaj estos morgau jhetata al la fajro, kion li ne faros por vi, homoj malmulte kredaj. Ne diru do maltrankvile : « Kion ni manghos? kion ni trinkos? per kio ni estos vestataj? » Nur la idolanoj okupas sin pri tiuj aferoj. Via Patro chiela scias ke vi bezonas tion. Sed serchadu unue la justecon kaj la regholandon de Dio, kaj la tuta cetero estos donata al vi plie. Ne zorgu pri la posttago, la posttago zorgos pri si mem. Al chiu tago sia zorgo sufichas. »

Chitiu sento estece galilea havis sur la sorto de la sekto naskighanta influon decidigan. La anaro felicha, fidante al la Patro chiela por la kontentigo de siaj bezonoj, havis kiel unuan regulon rigardi la zorgojn privivajn kiel malbonajho, kiu malestigas en la homo la ghermon de chia bono. Chiutage, ghi petis de Dio la panon morgauan. Kial monamasigi? La regholando de Dio estas baldau venonta. « Vendu tion, kion vi posedas, kaj ghin donu almoze, diris la majstro. Faru al vi en la chielo sakojn, kiuj ne malnovighas, trezorojn, kiuj ne disighas. » Amasigi shparajhojn por heredontoj, kiujn oni

---

(1) Dio de la richajhoj kaj de la trezoroj kashitaj, speco de Pluto en la mitologio fenica kaj sira.

neniam vidos, kio estas pli sensenca? Kiel ekzemplo de la frenezeco homa, Jesuo amis citi la okazon de homo kiu, plilarghiginte siajn grenejojn kaj amasiginte por si bienon por multaj jaroj, mortis ne ghuinte ilin! La rabado, kiu estis tre enradikighinta en Galileo, donis multe da forto al tiu vidielo. La malrichulo, kiu de tio ne suferis, kredeble rigardis sin kiel la favorato de Dio, dume la richulo, havante posedajhon ne sendangheran, estis la vera malfavorato. Che niaj socioj fonditaj sur ideo tre ghustega pri la posedo, la stato de la malrichulo estas abomena ; li ne havas propredirate sian lokon je la suno. Estas floroj, herboj, ombrajhoj nur por tiu, kiu posedas la teron. En oriento, tio estas donacoj de Dio, kiu ja apartenas nenies. La bienulo havas nur malgravan privilegion ; la naturo estas chies.

La kristismo naskighanta, aliparte, nur lauis la esenanojn au terapeutojn kaj la sektojn hebreajn fonditajn sur la kunvivado. Elemento komunista enighis en chiujn tiujn sektojn, egale malbone rigarditajn de la fariziano j kaj sadukeanoj. La savontismo, tute politika che la hebreoj bonreligiaj, farighis che tiuj sektoj tute socia. Per vivado dolcha, regula, rigardadema, lasanta sian parton al la libereco de l'individuo, tiuj Eklezietoj kredis fondi sur la tero la regholandon chielan. Utopioj pri vivado felichega, fonditaj sur la fratigho de la homoj kaj la honorado pura al la vera Dio, priokupis la animojn altajn, kaj produktis chie provojn kuraghajn, sincerajn, sed malmulte prosperontajn.

Jesuo, kies rilatoj kun la esesanoj estas tre malfacile precizeblaj (char la similajhoj che la historio ne chiam implikas rilatojn), en chitio estis certe ilia frato. La komuneco de la bienoj estis kelkatempe proregula en la kunularo nova. La avareco estis la chefpeko ; kaj, oni devas bone rimarki, ke la peko « pro avareco », kontrau kiu la moralo kristana estis tiel severa, tiam estis la simpla alligo al la posedo. La unua kondicho por esti lernanto al Jesuo estis likvidi sian richajhon kaj doni ghian prezon al la malrichuloj. Kiuj shancelighis pri tiu ekstremo, tiuj ne eniris en la kunularon. Jesuo ofte

rediris ke tiu, kiu trovis la regholandon de Dio, devas ghin acheti je la prezo de siaj chiuj bienoj, kaj tiel li tamen faris profitan kontrakton. « La homo, kiu malkovris la eston de trezoro en unu kampo, li diris, neperdante iun momenton, vendas tion, kion li posedas, kaj achetas la kampon. La juvelisto, kiu trovis perlon netakseblan, chion monigas kaj achetas la perlon. » Ve! la malutiloj de tiu regmaniero ne malfruis sentigi sin. Kasisto necesighis. Oni por tio elektis Juda Keriotanon. Prave au malprave, oni kulpigis lin shteli la kason kunularan; kio estas certa, tio estas ke li havis malbonan finighon.

Kelkafoje la majstro, pli lerta pri la chielaj aferoj ol pri teraj, instruis richajhsciencon ankorau pli strangan. Per komparumo neordinara, intendanto estas laudata, char li faris al si amikojn inter la malrichuloj je la malprofito de sia mastro, por ke la malrichuloj iliavice lin enirigos en la regholandon de la chielo : Char la malrichuloj ja estas la disdonontoj de tiu regholando, ili akceptos nur tiujn, kiuj estos donintaj al ili. « La farizianoj, kiuj estis avaruloj, diras la evangeliisto, audis tion kaj mokis al li. » Chu ili audis ankau la timindan komparumon jenan? « Estis richulo, vestita je purpuro kaj lino delikata, kaj kiu chiutage manghis bonajhojn. Estis ankau malrichulo, nomata Lazaro, kushanta che lia pordo, kovrita je ulceroj, deziranta satigi sin per la pecetoj, kiuj falis de la tablo de la richulo. Kaj la hundoj venis leki liajn vundojn! Nu, okazis ke la malrichulo mortis, kaj ke li estis portata de angheloj sur la bruston de Abrahamo. La richulo mortis ankau kaj enterigata estis. Kaj el la fundo de la infero, dume li estis en la turmentoj, li levis la okulojn, kaj vidis de malproksime Abrahamon kaj Lazaron sur lia brusto. Kaj ekkriante, li diris « Patro Abrahamo, kompatu min, kaj sendu Lazaron, por ke li trempu en la akvon la finon de sia fingro kaj remalvarmigu mian langon, char mi suferas kruele en chitiu flamo. » Sed Abrahamo diris al li : « Filo mia, meditu ke ci havis cian parton da bono dum la vivo, kaj Lazaro sian parton da malbono. Nun li estas konsolita, kaj ci

estas en la turmentoj. » Kio estas pli justa? Pli malfrue, oni nomis tiun komparumon « pri la malbona richulo ». Sed ghi estas pure kaj simple la komparumo pri la « richulo ». Li estas en la infero, tial ke li estis richa, tial ke li ne donis sian bienon al la malrichuloj, tial ke li manghis bone, dume aliuloj che lia pordo malbone manghis. Fine, en momento, kiam malpli troema Jesuo prezentas la devigon vendi siajn bienojn kaj doni ilin al la malrichuloj nur kiel konsilon perfektigan, li ankorau faras chitiun sciigon teruran : « Estas plifacile al kamelo pasi tra kudriltruo ol al richulo eniri en la regholandon de Dio ».

Sento je almirinda profundeco superegis en chi chio Jesuon, tiel, kiel la anaron da ghojemaj infanoj, kiu lin akompanis, kaj faris lin por la chiameco la vera kreinto de la pacanimo, la granda konsolanto pri la vivo. Liberigante la homon de tio, kion li nomis « la zorgemoj chitiumondaj », Jesuo povis iri al la troeco kaj malutili al la kondichoj estecaj de la socio homa; sed li fondis tiun altan spiritualismon, kiu plenigis la animojn je ghojo tra chitiu valo de larmoj. Li vidis kun perfekta ghusteco ke la neatentemo de la homo, ghia malsuficho da filozofio kaj da moraleco venas plejofte de la distroj, al kiuj ghi forlasas sin, de la zorgoj, kiuj sieghas ghin, kaj kiujn la civilizo multobligas supermezure. Evangelio tiel estis la superega rebonigilo kontrau la enuoj de la vivo vulgara, senchesa *sursum corda*(1), potenca distrajho for de la malgravegaj zorgoj teraj, dolcha alvoko. kiel tiu de Jesuo al la orelo de Martho : « Martho, Martho, ci malkvietigas cin pro multaj aferoj; nu, unu nura estas necesa ». Dank'al Jesuo, la estado plej malhela, plej priokupata pro malgajigaj au humiligaj devoj, havis sian interlumon che spaceto de la chielo. En niaj civilizecoj okupemaj, la memorajho de la vivo libera de Galileo estis kiel la bonodoro de alia mondo, kiel « roso de la Hermono », kiu malebligis al la sekeco kaj vulgareco okupi tute la kampon de Dio.

---

(1) « Alten la koroj ».

## CHAPITRO DEKA.

### La regholando de Dio elpensita kiel la altigo de la malrichuloj.

Tiuj sentencoj, bonaj por lando, kie la vivo nutras sin de aero kaj taglumo, tiu komunismo delikata de aro da infanoj de Dio vivantaj konfide sur la brusto de sia patro, povis konveni al sekto naiva, konvinkata che chiu momento, ke ghia utopio estis tuj realighonta. Sed estas klare, ke ili ne povis rekolekti la kunon de la socio. Jesuo ja rapide komprenis, ke la mondo oficiala de sia tempo neniel konsentus pri lia regholando. Li submetighis al tio kun sentimo ekstrema. Lasante tie tiun mondon je la koro seka kaj mallarghaj antaujughoj, li turnis sin al la simpluloj. Vasta anstatauigo rasa okazos. La regholando de Dio estas farota : 1e por la infanoj kaj tiuj, kiuj similas al ili; 2e por la forjhetitoj de chitiu mondo, suferantoj de la aroganteco socia, kiu forpushas la homon bonan, sed humilan; 3e por la herezistoj kaj kreddisighintoj, publikanoj, samarianoj, idolanoj Tiraj kaj Sidonaj. Komparumo energia klarigis tiun alvokon al la popolo kaj ghin rajtigis : Unu regho pretigis festenon edzighan kaj sendas siajn servistojn serchi la invititojn. Chiu senkulpigas sin, iuj ofendas au batas la senditulojn. La regho tiam elektas grandan decidon. La bonedukituloj ne volis respondi lian alvokon; nu, estos iuj ajn, homoj kolektitaj sur la placoj kaj stratkrucighoj, malrichuloj, almozuloj, lamuloj, tute egale; estas necese plenigi la chambron, « kaj mi tion jhuras al vi diris la regho, neniu el tiuj, kiuj estis invititaj, gustumos mian festenon ».

La pura ebionismo, t. e. la dogmaro, lau kiu la malrichuloj (ebionim) sole estos savataj, lau kiu la regado de la malri-

chuloj estas tuj venonta, estis do la dogmaro de Jesuo. « Ve al vi, richuloj, li diris, char vi havas vian konsolon! Ve al vi, kiuj nun estas satigitaj, char vi malsatos. Ve al vi, kiuj ridas nun, char vi ghemados kaj plorados. » — « Kiam ci aranghas festenon, li diris ankorau, ne invitu ciajn amikojn, ciajn parencojn, ciajn najbarojn richajn; ili cin reinvitus, kaj ci havus cian rikompencon. Sed, kiam ci faras manghon, invitu la malrichulojn, la kriplulojn, la lamulojn, la blindulojn; kaj des pli bone por ci se ili havas nenion por redoni al ci, char chiom estos al ci redonata che la revivigho de la justuloj ».

Eble en senco simila li rediris ofte : « Estu bonaj bankistoj », t. e. : Faru bonajn monlokigojn por la regholando de Dio, donante viajn bienojn al la malrichuloj, konforme al la malnova proverbo : « Doni al malrichulo, tio estas prunti al Dio ».

Ghi cetere ne estis fakto nova. La movo popola plej entuziasma, kies memoron la homaro konservis (la sola ankau kiu prosperis, char sole ghi tenadis sin en la rondo de la ideo pura), agitis de longatempe la rason hebrean. La penson lau kiu Dio estas la venghonto de la malrichulo kaj malfortulo kontrau la richulo kaj potenculo oni retrovas che chiu pagho de la skribajhoj de la Malnova Testamento. La historio de Israelujo estas, el chiuj historioj tiu, kie la spirito popola plej konstante regis. La profetoj, veraj tribunistoj, kaj en ia senco la plej sentimaj tribunistoj, estis senchese tondrintaj kontrau la altranguloj kaj farintaj intiman rilaton unuaparte inter la vortoj « richulo, senpiulo, perfortulo, malbonulo, » aliparte inter la vortoj « malrichulo, dolchulo, humilulo, piulo ». Sub la Seleukidoj, char la nobeloj preskau chiuj estis forlasintaj kaj transirintaj al helenismo, tiuj idekunighoj nur plifortighis. La libro de Henohho enhavas malbenojn pli perfortajn añkorau ol tiuj de Evangelio kontrau la mondo, la richuloj, la potenculoj. La lukso tie estas prezentata kiel krimo. La « filo de la homo », en tiu Malkovro (Apokalipso) stranga, sentronigas la reghojn, fortiregas ilin al ilia vivo voluptema, jhetegas ilin en la inferon. La konigho de

Judeo pri la vivo fremda, la enkonduko de elemento tute mondduma je lukso kaj bonstato, naskis furiozan kontraubatalon en favoro de la simpleco chefpatra. « Ve al vi, kiuj malshatas la domachon kaj la heredon de viaj patroj! Ve al vi, kiuj konstruigas viajn palacojn per la shvito de la aliuloj! Chiu el la shtonoj, chiu el la brikoj, el kiuj ili estas faritaj, estas unu peko ». La nomo « malrichulo » (ebion) farighis egalsenca kun « sanktulo », « amiko de Dio ». Ghi estis la nomo, kiun la alighintoj galileaj de Jesuo amis doni al si; ghi estis longatempe la nomo de la kristanoj judaismemaj de Bataneo kaj Haurano (Nazaretanoj, Hebreoj) restintaj fidelaj al la lingvo kiel al la instruoj unuatempaj de Jesuo, kaj kiuj fanfaronis posedi inter si la posteulojn de lia familio. Che la fino de la dua jarcento, tiuj bonaj sektanoj, restintaj ekstere de la granda fluo, kiu forportis la aliajn Ekleziojn, estas ecigataj herezaj (ebionanoj), kaj oni elpensis por komprenigi ilian nomon unu tiel nomitan herezestron Ebion.

Oni ja videtas senpene, ke tiu emo troa al la malricheco ne povis estis tre daura. Tie estis unu el tiuj elementoj utopiaj kiel chiam miksighas che la grandaj fondoj, kaj kiujn la tempo jughas. Transportite en la larghan mezon de la socio homa, kristismo estis iam tre facile konsentonta posedi richulojn en sia mezo, tiel same kiel budaismo, eksklusive monaka en sia deveno, alvenis tre rapide, tuj kiam la konvertighoj multoblighis, akcepti nemonakojn. Sed oni chiam konservas la markon de sia deveno. Kvankam rapide preteririta kaj forgesita, ebionismo lasis en la tuta historio fermentilon, kiu ne detruighis. La kolekto de la paroladoj de Jesuo formighis en la mezo ebionisma de Bataneo. La « malricheco » restis idealo, de kiu la vera posteularo de Jesuo ne deflankighis plu. Neniom posedi farighis la vera stato evangelia; la almozpeto farighis virto, stato sankta. La granda movado ombria de la dektria jarcento, kiu estas el chiuj provoj de fondo religia tiu, kiu plejsimilas al la movado galilea, pasighis tute en la nomo de la malricheco. Francisko de Asiso, la mondumano, kiu per

sia charma boneco, sia komuniko delikata kaj amema kun la vivo tutmonda, plejsimilis al Jesuo, estis malrichulo. La ordenoj almozaj, la sennombraj sektoj komunistaj de la mezepoko (malrichuloj de Liono, begard'oj, bonuloj, fratetoj, humiluloj, malrichuloj evangeliaj, ktp.), grupataj sub la flago de « la Evangelio chiama », pretendis esti kaj estis ja la veraj skolanoj de Jesuo. Sed chitiufoje ankorau la plej neeblaj revoj de la religio nova estis fruktodonaj. La almozpeto pia, kiu kauzas al niaj socioj industriemaj kaj administremaj tiel fortajn malpaciencojn, estis che ghia lumo kaj sub la chielo, kiu taugis al ghi, charmoplena. Ghi prezentis al amaso da animoj rigardademaj kaj dolchaj la solan staton, kiu plachas al ili. Esti farinta la malrichecon objekto je amo kaj deziro, esti staringinta la almozulon sur la altaron kaj sanktiginta la veston de la popolano, estas majstra faro, kiu eble ne tre kontentigas richajsciencon, sed kontrau kiu la moralisto ne povas resti indiferenta. La homaro, por portadi sian shargon bezonas kredi, ke ghi ne estas plene pagita per sia salajro. La plej granda servo, kiun oni povas fari al ghi, estas ripeti al ghi ofte ke ghi ne vivas nur per pano.

Kiel chiuj grandaj homoj, Jesuo emis al la popolo kaj sentis sin senghena kun ghi. Evangelio, lau lia penso, estas farita por la malrichuloj; por ili ghi alportas la bonan novajhon pri la savo. Chiuj forjhetitoj de judaismo bonreligia estis liaj pliamatoj. La amo al la popolo, la kompato pri ghia nepotenco, la sento de la estro popola, kiu sentas vivi en si la spirito de la popolamaso kaj konfesas sin kiel ghia tradukisto natura, vive elmontrighas che chiu momento en liaj agoj kaj paroladoj.

La anaro elektita ja prezentis karakteron tre miksan, kiu kredeble tre miris la severmorulojn. Ghi enhavis homojn, kiujn hebreo respektanta sin ne estus vizitanta. Eble Jesuo trovis en tiu kunularo ekstera de la reguloj ordinaraj pli da indo kaj da koro, ol che unu burgharo pedanta, formama, fiera pro sia shajna moraleco. La farizianoj, troigante la mosheajn ordo-

nojn, ghisiris kredi sin malpurigataj pro la kuntusho de homoj malpli severaj ol ili; oni tushis preskau por la manghoj al la malgrandanimaj distingoj kastaj de Hindujo. Malshatante tiujn malgrandegajn erarojn pri la sento religia, Jesuo amis manghi che tiuj, kiuj estis iliaj suferantoj; oni vidis altable apud li personojn, kiujn oni diris malbonkondutaj, eble nur tial estas vere, ke ili ne partoprenis en la rindindajhoj de la piuloj. La farizianoj kaj la doktoroj kriis pro skandalo : « Vidu, ili diris, kun kiuj homoj li manghas! » Jesuo tiam havis spritajn respondojn, kiuj incitegis la hipokritulojn : « la sanuloj ne bezonas kuraciston; » au : « La pashtisto, kiu perdis unu shafinon el cento lasas la naudek nau aliajn por kuri al la perdita, kaj, kiam li estas ghin retrovinta, li realportas ghin ghoje sur siaj shultroj » au : « La Filo de la homo estas veninta por savi tion, kio pereis »; au ankorau : « Mi ne venis por alvoki la justulojn, sed la pekulojn »; fine chitiun agrablegan komparumon pri la filo malshparema, en kiu tiu, kiu pekis, estas prezentata kiel havanta specon de privilegio de amo, rilate al tiu, kiu chiam estis senpeka. Virinoj malfortaj au kulpaj, surprizate pro tiom da charmo, kaj gustumante por la unua fojo la kuntushon altirplenan de la virto, alproksimighis libere al li. Oni miris char li ne forpushis ilin. « Ho! diris inter si la severmoruloj, tiu viro ne estas profeto; char se tia li estus, li facile ekvidus, ke la virino, kiu tushas lin, estas pekulino ». Jesuo respondis per la komparumo pri pruntinto, kiu senshuldigis siajn shuldantojn pri sumoj neegalaj, kaj li ne timis pliami la sorton de tiu, kiu estis senshuldigata je la plejgranda sumo. Li shatis la animstatojn nur proporcie kun la amo, kiu en ili miksighas. Virinoj, kun la koro larmoplena kaj pretigitaj de siaj kulpoj por la sentoj de humileco, estis pli proksimaj de lia regholando ol la malbonetuloj, kiuj havas ofte malmulte da indo ne kulpighinte. Oni elpensas, aliflanke, ke tiuj animoj amemaj, tial ke ili trovis per sia konvertigho al la sekto reindigilon facilan, alighis al li pasie.

Malproksime ol peni dolchigi la murmurojn, kiujn naskis lia malshato pri la ofendsentoj sociaj tiamaj, li shajnis plezuri eksciti ilin. Neniam oni konfesis pli alte la malshaton pri « la mondumo », kiu estas la kondicho de la grandaj faroj kaj de la granda originaleco. Li pardonis al la richuloj, nur kiam la richulo, sekve de ia antaujugho, estis malbone rigardata de la socio. Li pliamis sentime la homojn je vivo suspektinda kaj je shatateceto ol la eminentulojn bonreligiajn. « Publikanoj kaj kurtizanoj(1), li diris al ili, antauiros vin en la regholando de Dio. Johano venis; publikanoj kaj kurtizanoj kredis lin, kaj malgrau tio vi ne konvertighis ». Oni komprenas kiel la riprocho esti ne lauinta la bonan ekzemplon, kiun donis al ili la dibochistinoj, devis esti ofendega al homoj elmontrantaj kutimon de graveco kaj moralo severa.

Li havis neniun afekton eksteran, nek elmontron de severmoreco. Li ne forkuris de la ghojo, li iris volonte al la distrighoj edzighaj. Unu el liaj mirakloj li faris por gajigi edzighan feston en malgranda urbo. La edzighoj en Oriento okazas vespere. Chiu portas lampon; la lumoj, kiuj iras kaj venas faras impreson tre agrablan. Jesuo amis chitiun elrigardon gajigan kaj vivan, kaj el tio tiris komparumojn. Kiam oni komparis tian konduton al tiu de Johano-Baptisto, oni estis skandaligata. En unu tago, kiam la alighintoj de Johano kaj la farizianoj lauis pri la fasto : « Kiel estas eble, oni diris al li, ke, dum la alighintoj de Johano kaj la farizianoj fastas kaj preghas, la ciaj manghas kaj trinkas? — Lasu ilin, diris Jesuo; chu vi volus fastigi la paranimfojn de la edzo, dum la edzo estas kun ili? Tagoj venos, dum kiuj la edzo estos de ili forprenita; ili tiam fastos.» Lia dolcha gajeco esprimighis senchese per pensajhoj vivaj, amindaj shercoj « Al kiu, li diris, estas similaj la homoj de chitiu idaro, kaj al kiu mi komparos ilin?

(1) Virino kies vivo estas dibocha, sed kiu diferencas lau la spirito, eleganteco

Ili estas similaj al la infanoj sidantaj sur la placoj, kiuj diras al siaj kolegoj :

Jen ni kantas
Kaj ne dancas vi.
Jen ni ploras,
Kaj ne ploras vi.

Johano estas veninta, li nek manghis nek trinkis, kaj vi diras : « Li estas frenezulo ». La filo de la homo estas veninta, li vivas kiel chiuj, kaj vi diras : « Li estas manghamulo, vintrinkemulo, la amiko de la limdepagistoj kaj fishkaptistoj ». Vere, mi tion certigas al vi, la sagho estas pravigata nur de siaj faroj ».

Li tiel trakuris Galileon meze de festado senchesa. Li uzis mulinon, rajdajho en Oriento tiel bona kaj tiel certa, kaj kies granda okulo nigra ombrata de longaj okulharoj estas tre dolcha. Liaj alighintoj iafoje disigis chirkau li procesion kamparan, che kiuj iliaj vestoj, anstatauante tapishojn, faris la precipon. Ili metis ilin sur la mulinon, kiu portis lin, au sternis ilin sur lia irejo. Kiam li ekloghis en iu domo, okazis ghojo kaj beno. Li haltis en la urbetoj kaj grandaj farmdomoj, kie li ricevis gastadon diligentan. En Oriento, la domo, kien venas fremduloj, tuj farighas publika loko. La tuta vilaghanaro tie kunvenas; la infanoj ekokupas ghin; la servistoj ilin forigas ; ili revenas chiam. Jesuo ne povis elporti, ke oni malghentile agu kun tiuj naivaj auskultantoj; li alproksimigis ilin al li kaj ilin kisis. La patrinoj, kuraghigate de tia akcepto, alportis al li siajn suchinfanojn, por ke li tushu ilin. Virinoj venis vershi oleon sur lian kapon kaj bonodorojn sur liajn piedojn. Liaj alighintoj iafoje ilin forigis kiel tedantajn ; sed Jesuo, kiu amis la kutimojn antikvajn kaj chion montrantan la simplecon de la koro, rebonigis la malbonon faritan de siaj amikoj tro fervoraj. Li protektis tiujn, kiuj volis lin honori. Tial la infanoj kaj la virinoj lin adoris. La riprocho igi malamikaj al iliaj familioj tiujn delikatulojn,

chiam rapide logeblajn, estis unu el tiuj, kiujn turnis al li plejofte liaj malamikoj.

La religio naskighanta estis tiel pri multaj punktoj, movado de virinoj kaj infanoj. Chitiuj faris chirkau Jesuo kvazau junan gvardion por la enstarigo de lia senkulpa regheco, kaj donis al li ovacietojn, kiuj tre plachis al li, lin nomante « Davidido », kriante *Hosana*(1), kaj portante palmobranchojn chirkau li. Jesuo estis tre kontenta vidi tiujn junajn apostolojn, kiuj ne kompromitis lin, sin jheti antauen kaj doni al li titolojn, kiujn li ne kuraghis preni si mem. Li lasis ilin diri, kaj kiam oni demandis lin, chu li audas, li respondis lau ielo lerte evitanta, ke la laudo, kiu eliras el la junaj lipoj, estas la plej agrabla al Dio.

Li perdis nenian okazon por ripeti, ke la malgranduloj estas estajhoj sanktaj, ke la regholando de Dio apartenas al la infanoj, ke oni devas infanighi por tien eniri, ke oni devas ghin ricevi infane, ke la Patro chiela kashas siajn sekretojn al la saghuloj kaj malkovras ilin al la malgranduloj. La ideo pri liaj alighintoj konfuzighas preskau por li kun tiu pri la infanoj. Unu tagon, kiam okazis inter ili unu el tiuj malpacoj pro antauesto, kiuj ne estis maloftaj, Jesuo prenis infanon, metis lin meze de ili, kaj al ili diris : « Jen la pli granda; kiu estas humila kiel tiu malgrandulo, tiu estas la plej granda en la regholando de la chielo. »

Ghi ja estis la infanaro, en sia propramoveco, en siaj naivaj blindighoj pro ghojo, kiu prenis posedon de la tero. Chiuj kredis che chiu momento, ke la regholando tiel dezirata estis tuj vidighonta. Chiu jam vidis sin sidanta sur unu trono apud la majstro. Oni dividis inter si la tieajn lokojn; oni penis kalkuli la tagojn. Tion oni nomis la « bona novajho »; la dogmaro ne havis alian nomon. Malnova vorto, *paradizo*, kiun la hebrea, kiel chiuj lingvoj orientaj, estis pruntinta al Per-

(1) Krio, kiun oni elkriis che la procesio de la Tendoj, svingante palmobranchojn. N. del. Verk.

sujo, kaj kiu unue montris la parkojn de la reghoj akemenidoj. resumis chies revojn : unu ghardeno agrablega, kie oni daurigos por chiam la vivon charman, kiun oni kondutis chimalsupre. Kioman tempon dauris tiu ravo? Oni ghin nescias. Neniu dum la estado de tiu magia apero mezuris plibone la tempon, ol oni mezuras songhon. La dauro interrompighis; unu semajno estis kiel jarcento. Sed, ghi estu pleniginta jarojn au monatojn, la revo estis tiel bela, ke per ghi la homaro de tiam vivis, kaj ke nia konsolo estas ankorau rekolekti ghian bonodoron malfortighintan. Neniam tiom da ghojo sublevis bruston homan. Momenton en tiu penado, la plej fortika, kiun ghi faris por levi sin super sia planedo, la homaro forgesis la plumbsharghon, kiu ligas ghin al la tero, kaj la malgajajhojn de la vivo chimalsupra. Felicha tiu, kiu povis vidi per siaj okuloj tiun elsheliron dian, kaj partopreni, ech nur unu tagon, tiun iluzion sensimilan! Sed pli felicha ankorau, dirus al ni Jesuo, tiu, kiu liberigite de chia iluzio reproduktus en si mem la aperon chielan, kaj sen revo primiljara, sen paradizo kimera, sen signoj en la chielo, per la senartifikeco de sia volo kaj la poezio de sia animo, scius denove krei en sia koro la veran regholandon de Dio!

---

## CHAPITRO DEKUNUA.

**Senditaro de Johano mallibera al Jesuo. — Morto de Johano. — Rilatoj de lia lernantaro kun tiu de Jesuo.**

Dum la ghojema Galileo solenis feste la venon de la treamato, malgaja Johano, en sia malliberejo de Mahhero, konsumighis pro atendado kaj deziroj. La sukcesoj de la juna majstro, kiun li estis vidinta antau kelkaj monatoj en sia lernantaro, alvenis ghis li Oni diris ke la Mesio antaudirita de la profetoj, kiu estas restarigonta la regholandon de Israelujo, estis veninta kaj elmontrinta sian tieeston en Galileo per faroj mirindaj. Johano volis informighi pri la vereco de chitiu famo, kaj, char li komunikis libere kun siaj alighintoj, li elektis du el ili por iri al Jesuo en Galileon.

La du alighintoj trovis Jesuon en la plenegeco de lia famo. La eksterajho festa, kiu regis chirkau li surprizis ilin. Kutimaj al la fastoj, al la pregho obstina, al vivo tute aspira, ili miris vidi sin subite transportitaj meze de la ghojoj de la bonveno. Ili komunikis al Jesuo sian mision : « Chu ci estas la venonto? Chu ni devas atendi alian? » Jesuo, kiu de tiam nur malmulte shancelighis pri sia propra rolo mesia, denombris al ili la farojn, kiuj estis karakterizontaj la venon de la regholando de Dio, la resanigon de la malsanuloj, la bonan novajhon pri savo baldaua sciigata al la malrichuloj. Li faris chiujn chitiujn farojn. « Felicha do, aldonis li, kiu ne dubos pri mi ! »

Oni nescias chu chitiu respondo trovis Johanon-Baptiston vivanta, au en kian inklinon ghi metis la severmoran asketon. Chu li mortis konsolite kaj certa, ke tiu, kiun li anoncis jam vivis, au chu li konservis dubojn pri la misio de Jesuo? Nenion

tion sciigas al ni. Vidante tamen lian lernantaron dauri suficne longatempe ankorau paralele al la Eklezioj kristanaj, oni estas emigata kredi, ke malgrau lia shato Jesuon, Johano ne rigardis lin kiel efektivigonta la promesojn diajn. La morto ja venis tranchi liajn shancelighojn. La nedresebla libereco de la solemulo estis krononta lian vivon malkvietan kaj turmentatan per la sole inda je ghi finigho.

La inklinoj malseveraj, kiujn unue Antipaso estis montrinta al Johano. ne povis dauradi. En la interparoloj, kiujn lau la tradicio kristana Johano havis kun la tetrarko, li ne chesis ripetadi al li, ke lia edzigho estis malpermesita, kaj ke li devis forsendi Herodiadon. Oni imagas facile la malamon, kiun la nepino de Herodo la Granda kredeble elpensis kontrau tiu konsilanto trudema. Shi jam atendis nur unu okazon por lin pereigi.

Shia filino Salomeo. naskighinta de shia unua edzeco, kaj kiel shi glorama kaj dibocha, partoprenis shiajn malbonintencojn Tiun jaron (kredeble la jaron 30 an), Antipaso estis che la tago datrevena de sia naskigho en Mahhero. Herodo la Granda estis konstruiginta en la interno de la fortikajho palacon belegan, kie la tetrarko ofte loghis. Li tie donis grandan feston, dum kiu Salomeo dancis unu el tiuj dancoj karakteraj, kiujn oni ne rigardas en Sirio kiel malkonvenaj por persono bonedukita. Antipaso charmite demandis la dancintinon, pri kio shi deziras; chitiu respondis, lau la instigo de sia patrino : « La kapon de Johano sur chitiu pleto. » Antipaso malkontentighis; sed li ne volis rifuzi; gardisto prenis la pleton, iris tranchi la kapon de la malliberulo, kaj ghin alportis.

La alighintoj de la baptisto donigis al si lian korpon, kaj ghin metis en tombon. La popolo ighis tre malkontenta. Ses jaroj poste, Hahretho atakinte Antipason por repreni Macheron, kaj venghi la malhonoron al sia filino. Antipaso estis tute venkita, kaj oni rigardis ghenerale lian malvenkon kiel puno pro la mortigo Johanon.

La sciigo pri tiu morto estis alportata al Jesuo de la alighintoj mem de la baptisto. La lasta klopodo, kiun Johano estis farinta al Jesuo finis fari inter la du skoloj ligojn intimajn. Jesuo, timante de la flanko de Antipaso pligrandighon de malbonvolo, prenis kelkajn antauzorgojn kaj forighis en la dezerton. Multe da personoj lin tien sekvis. Dank'al ekstrema sobreco, la anaro sankta tie vivis; oni kredis komprenebIe vidi per tio miraklon. De chitiu momento, Jesuo parolis pri Johano nur kun pli grandigo de admiro. Li sciigis ne shancelighante, ke li jam estis nur profeto, ke la Legho kaj la profetoj malnovaj estis valoraj nur ghis li, ke li ilin nuligis, sed ke la regholando de la chielo lin nuligos siavice. Fine li donis al li en la ekonomion de la mistero kristana lokon specialan, kiu faris lin la rilatigilo inter la malnova Testamento kaj la alveno de la rego nova.

Profeto Malachi, kies opinio pri chitio estis tre vive disputata, estis anoncinta kun multe da forto antauulon al la Mesio, kiu devis prepari la homojn al la renovigo fina, senditon, kiu venos ebenigi la vojojn antau la elektito de Dio. Tiu sendito estis profeto Elio, kiu lau kredo tre disa estis baldau malsuprenironta de la chielo, kien li estis forprenita, por prepari la homojn per la pentoforado al la granda alveno kaj pacigi Dion kun lia popolo. Iafoje al Elio oni kunigis chu la chefpatron Henocho, al kiu de unu au du jarcentoj oni emis havigi altan sanktecon, chu Jeremion, kiun oni rigardis kiel la genio protektema al la popolo, chiam okupata preghi por ghi antau la trono de Dio. Tiu ideo pri du malnovaj profetoj renaskighontaj por esti antauuloj al la Savonto estas retrovebla lau ielo tiel spiritfrapanta en la dogmaro de la parsioj, ke oni estas tre inklina kredi, ke ghi venis de tiu flanko. Kio ajn ghi estu, ghi estis che la epoko de Jesuo parto pleniga de la teorioj hebreaj pri la Savonto. Estis konsentite, ke la vidigho de « du atestantoj fidelaj », vestitaj je vestoj pentofaraj, estos la antauago de la granda dramo, kiu estis baldau disvolvighonta, je la mirego de la tutmondo.

Oni komprenas, ke per tiuj ideoj Jesuo kaj liaj instruatoj ne

povis shancelighi pri la misio de Johano-Baptisto. Kiam la skribistoj faris al ili tiun chi kontraudiron, ke oni ne povis ankorau paroli pri la demando de la Mesio, char Elio ankorau ne venis, ili respondis, ke Elio venis, ke Johano estis Elio renaskita. Lau lia vivielo, lau lia kontraustaro al la povoj publikaj starigitaj, Johano ja rememorigis tiun figuron strangan de la malnova historio de Israelujo. Jesuo ne lacighis denombradi la meritojn kaj la bonegecon de sia antauulo. Li diris, ke el la infanoj de la homoj neniam naskighis unu pli granda. Li mallaudis energie la farizianojn kaj la doktorojn, tial ke ili ne volis akcepti lian bapton, kaj ne konvertighis al lia voko.

La alighintoj de Jesuo estis fidelaj al tiuj principoj de la majstro. La respekto al Johano estis tradicio konstanta en la unua samaghularo kristana. Oni supozas lin parenco de Jesuo. Por fondi la mision de chitiu sur atesto akceptita de chiuj, oni rakontas ke Johano tuj de la unua vido al Jesuo, lin proklamis Mesio; ke li rekonis sin lia subulo, neinda malligi la shnuretojn de liaj shuoj; ke li rifuzis unue lin bapti kaj pretendis, ke *li* devis esti baptata de Jesuo. Tio estis trograndigoj, kiujn rifutas sufiche la formon dubecan de la lasta senditajho de Johano. Sed lau senco pligenerala, Johano restis en la legendo kristana tia, kia li estis malsonghe, la severmora preparisto, la malgaja predikisto pri pentofaro antau la gnojoj pro la alveno de la edzo, la profeto, kiu sciigis la reghlandon de Dio kaj mortis antau ol ghin vidi. Grandegulo de la devenoj kristanaj, tiu manghemulo de akridoj kaj sovagha mielo, tiu akra rebonigisto de malpravajhoj, estis la absinto, kiu preparis la lipojn al la dolcheco de la reghlando de Dio. La senkapigita pro Herodiado malfermis la epokon de la martiroj kristanaj; li estis la unua atestanto de la konscienco nova. La altsocianoj, kiuj rekonis en li sian veran malamikon, ne povis permesi, ke li vivu; lia kadavro senmembrigita, kushante sur la sojlo de kristanaro, desegnis la vojon sangan, kie tiom multe da aliaj estis trairontaj post li.

La skolo de Johano ne mortis kun sia fondinto. Ghi vivis

kelkatempe, distinga de tiu de Jesuo, kaj unue bone rilatante kun ghi. Kelkaj jaroj post la morto de la du majstroj, oni ankorau baptigis sin lau la bapto de Johano. Kelkaj personoj estis samtempe el la du skoloj ; ekzemple, la fama Apollos, la konkuranto de Sankt Paulo (chirkau la jaro 50a), kaj sufiche granda nombro da kristanoj de Efezo. Fl. Jozefo alighis (jaron 53an) al la skolo de asketo nomita Banu, kiu prezentas rilate Johanon-Baptiston la plej grandan similecon, kaj kiu eble estis el lia skolo. Tiu Banu vivis en la dezerto, vestita je arbfolioj ; li nutris sin nur per plantoj kaj fruktoj sovaghaj, kaj prenis ofte dum la tago kaj la nokto baptojn malvarmajn por sin purigi. Jako, tiu, kiun oni nomis la « frato de la Sinjoro » (estis eble en chitio ia konfuzo samnoma), praktikis piajhojn similajn. Pli malfrue, chirkau la jaro 80a, baptismo batalis kontrau kristanaro, precipe en Azieto. La vera alighintaro de Johano, duone kunfandita kun kristanaro, ighis ia herezeto kristana kaj estiginghis senfame. Johano estis bone vidinta, kie estis la estonteco. Se li estus cedinta al konkuro malgrandanima, li estus hodiau forgesita en la amaso de la sektanoj siatempaj. Per la submetigho, li alvenis al la gloro kaj al stareco ununura en la panteono religia de la homaro.

---

## CHAPITRO DEKDUA.

### Unuaj provoj pri Jeruzalemo.

Jesuo, preskau chiujare iris Jeruzalemon pro la festo de Pasko. La detalo de chiu el tiuj vojaghoj estas malmulte konata; char la unuvidaj ne parolas pri ghi kaj la notoj de la kvara evangelio estas pri chitio tre malprecizaj. Ghi estas lau tio, kio shajnas, en la jaro 31a, kaj certe post la morto de Johano, ke havis lokon la plejgrava el la restadoj de Jesuo en la chefurbo. Kelkaj alighintoj lin sekvis. Kvankam Jesuo de tiam ne donis multe da valoro al la pilgrimo, li al ghi submetighis por ne ofendi la opinion hebrean, kun kiu li ne ankorau rompis. Tiuj vojaghoj cetere estis necesegaj por lia intenco; char li jam sentis, ke, por ludi rolon unuaordan, estis necese eliri el Galileo kaj ataki judaismon en ghia fortikajho, kiu estis Jeruzalemo.

La kunulareto galilea chitie estis tre malbonorientita. Jeruzalemo tiam estis proksimume tia, kia ghi estas hodiau, urbo de pedanteco, mordeco, malpacoj, malamoj, malgrandeco spirita. La fanatikeco tie estis ekstrema kaj la ribeloj religiaj tre oftaj. La farizianoj tie regis, la studo pri la Legho, pushita ghis la plej sensignifaj malgravajhoj, malgrandigita al demandoj de kazuisto, estis la sola lerno. Tiu kulturo ekskluzive discienca kaj kanona neniel kunhelpis por klerigi la spiritojn. Tio estis io simila al la dogmaro senfrukta de la fakio mahomedana, al tiu sciencacho, kiu agitighas chirkau moskeo, granda elspezo da tempo kaj rizonarto farita tute malprofite, kaj ne profitigante al la bona diskiplino de la spirito. La

edukado discienca de la pastraro nuntempa, kvankam tre seka, ne povas doni ian montron pri tio; char la Renesanco enkondukis en niajn chiujn instruojn, ech la plej kontraustaremaj, parton de literaturo kaj de bona metodo, kiu prenigis iom al la skolastiko la elrigardon de la humaniteoj(1). La scio de la doktoro hebrea estis pure barbara, sensenca sen kompenso, mankanta de chia elemento morala. Por tutigi la malfelichon, ghi plenigis je ridinda fiereco tiun, kiu lacigis sin por akiri ghin. Fiera pro la shajna scio, kiu kostis al li tiom da penoj, la skribisto hebrea havis por la kulturo greka tiun saman malshaton, kiun la scienculo mahomedana havas nuntempe por la civilizo europa, kaj kiun la malnova discienculo katolika havis por la scio de la altsocianoj. La propreco de tiuj kulturoj skolastikaj estis fermi la spiriton al chio delikata, kaj permesi shaton nur por la malfacilaj infanajhoj, pri kiuj oni konsumis sian vivon, kaj kiujn oni rigardas kiel la okupado natura de la personoj rigardigantaj sin kiel seriozaj.

Tiu mondo malaminda nepre esti pezonta tre sharghe sur la animojn amemajn kaj delikatajn de la Nordo. La malestimo de la Jeruzalemanoj al la Galileanoj igis la dividon ankorau pli profunda. En tiu bela templo, objekto de iliaj chiuj deziroj, ili ofte trovis nur insultojn publikajn. Liniaro el la psalmo de la pilgrimantoj : « Mi elektis tenadi min che la pordo en la domo de mia Dio, » tre shajnis esti farita pro ili. Pastraro malshatema ridetis pro ilia naiva pieco, proksimume kiel en Italujo la pastraro kutima je la sanktejoj cheestis senentuziasme kaj preskau mokante al la fervoro de la pilgrimantoj venintaj de malproksime. La Galileanoj parolis kamparlingvon sufiche difektitan; ilia elparolo estis malbona; ili konfuzis la diversajn elspirojn, kio okazigis erarojn, pro kiuj oni multe ridis. Pri religio, oni rigardis ilin kiel malkleraj kaj malmulte bonreligiaj; la esprimo « malsagha Galileano »

(1) Parto de la instruado, kiu enhavas la lernon de la lingvoj mortintaj kaj de ilia literaturo.

estis faringhinta sentenca. Oni kredis (ne malprave) ke la sango hebrea che ili estis tre miksita, kaj estis rigardite kiel konstante, ke Galileo ne povis doni profeton. Lokitaj tiel che la limoj de judaismo kaj preskau ekstere, la malfelichaj Galileanoj havis por restarigi siajn esperojn nur lokojn de Isajo sufiche malbone tradukitajn : « Lando de Zabulono kaj lando de Neftalio, Vojo al la maro, Galileo de la idolanoj! La popolo, kiu marshis che la ombro vidis grandan lumon; la suno levighis por tiuj, kiuj sidis che la senlumo. » La famo de la urbo naskigha de Jesuo estis speciale malbona. Chitio estis proverbo populara : « Chu io tauga povas veni el Nazareto ! »

La sekegeco de la naturo che la chirkauajhoj de Jeruzalemo kredeble aldonis al la malplezuro de Jesuo. La valoj tie estas senakvaj; la terajho estas senfrukta kaj shtonplena Kiam la okulo malsuprenrigardas en la malmonton de la Mortamaro, la vidajho havas ion surprizan; aliloke ghi estas unuforma. Sole la monteto de Micpa, kun siaj memorajhoj el la plej malnova historio de Israelujo, subtenas la rigardon. La urbo prezentis en la tempo de Jesuo proksimume la saman starejon kiel hodiau. Ghi havis malmulte da konstruajhoj antikvaj; char ghis la Asmoneanoj la Hebreoj restis fremdaj al chiaj artoj; Johano Hurkano ekbeligis ghin, kaj Herodo la Granda faris ghin unu el la plej belegaj urboj el Oriento. La konstruajhoj herodaj konkuras la plej finitajn el la antikvo per sia karaktero grandeca, la perfekteco de la faro, la beleco de la materialo. Amaso da belegaj funebraj monumentoj lau ielo originala starighis proksimume en la sama tempo che la chirkauajhoj de Jeruzalemo. La stilo de tiuj monumentoj estis la greka, sed alfarita al la kutimoj de la Hebreoj, kaj tre aliigita lau iliaj principoj. La ornamajhoj de skulptajho vivula, kiujn la Herodoj permesis al si, je la granda malkontentigho de la tromoralistoj, de ili estis ekzilitaj kaj anstatauigitaj de ornamajho kreskajha. La emo de la malnovaj loghantoj de Fenicio kaj de Palestino al la monumentoj

unushtonaj eltranchitaj sur la shtonego mem, shajnis revivi en tiuj strangaj tombujoj detranchitaj en la shtonego, kaj kie la ordnoj grekaj estas tiel strange almetitaj al konstruarto de kavernanoj. Jesuo, kiu rigardis la farajhojn artajn kiel luksa elmontrajho de vanteco, malkontente vidis chiujn tiujn monumentojn. Lia spiritualismo absoluta kaj lia opinio firma. ke la figuro de la malnova mondo estis tuj malestighonta, lasis al li emon nur al la aferoj de la koro.

La templo, che la epoko de Jesuo, estis tute nova, kaj la farajhoj eksteraj ne estis tute finitaj. Herodo ghian rekonstruon estis komencinta en la jaro 20a au 21a antau la kristana jararo, por ghin agordigi kun siaj aliaj konstruajhoj. La navo de la templo estis konstruata en dekok monatoj, la portikoj en ok jaroj; sed la partoj flankaj dauris malrapide kaj estis finataj nur iom da tempo antau la kapto de Jeruzalemo. Jesuo kredeble vidis tie labori, ne malhavante ian humoron sekretan. Tiuj esperoj pri longa estonteco estis kvazau insulto al lia baldaua altigho. Pli sagaca ol la nekreduloj kaj la fanatikuloj, li divenis ke tiuj belegaj konstruajhoj estis difinitaj por mallonga dauro.

La templo ja formis kunon mirinde imponantan. La kortoj kaj la portikoj estis uzataj chiutage kiel kunvenejoj de popolamaso tre granda, tiel tiu granda spaco estis samtempe la templo, la forumo, la jughejo, la universitato. Chiuj disputoj religiaj de la sektoj hebreaj, la tuta instruo kanona, la procesoj ech kaj la publikaj aferoj, la tuta agado de la nacio, unuvorte, estis alcentrigata tie. Ghi estis senchesa renkontado de argumentoj, disputejo, resonanta de sofismoj kaj demandoj subtilaj. La templo tiel havis multe da simileco kun moskeo mahomedana. Plenaj je respektoj al la religioj alilandaj, kiam ili restis sur sia propra teritorio, la Romanoj malpermesis al si la eniron en la sanktejon; surskribajhoj grekaj kaj latinaj montris la lokon, ghis kiu estis permesate al la Nehebreoj antaueniri. Sed la turo Antonia, kvartalo ghenerala de la forto roma, superis la zonon kaj ebligis vidi tion, kio okazis. La

polico de la templo apartenis al la Hebreoj; kapitano de la templo havis ghian intendon, malfermigis la pordojn, malhelpis, ke oni trairu la zonon kun bastono en la mano, kun shuoj polvaj, portante pakajhojn au por mallongigi la vojon. Oni precipe gardis tre atente, ke neniu eniru en stato de nepureco legha en la portikojn internajn. La virinoj havis loghion absolute apartan.

Tie Jesuo pasigis siajn tagojn, dum li restadis en Jeruzalemo. La epoko de la festoj venigis en tiun urbon alfluon eksterordinaran. Unuigitaj en plenchambroj de dek kaj dudek personoj,la pilgrimantoj enighis chien kaj vivis en tiu amaseco senorda shatata en Oriento. Jesuo perdighis en la popolamaso, kaj liaj malrichaj Galileanoj, grupigitaj chirkau li, malmulte impresis. Li sentis kredeble ke li estis chitie en mondo malamika kaj kiu akceptos lin nur kun malshato. Chio, kion li vidis lin malkontentigis. La templo, kiel ghenerale la piejoj tre vizitadataj, prezentis elrigardon malmulte edifan. La kulto naskis amason da detaloj sufiche mallogaj, precipe la aferoj komercaj,sekve de kiuj veraj butikoj starighis en la zono sankta. Oni tie vendis bestojn por la oferoj; tie trovighis tabloj por la monshanghado; che momentoj, oni kredus sin en bazaro. La malaltaj oficiroj de la templo plenumis sendube siajn oficojn kun la vulgareco senreligia de la preghejservistoj chiutempaj. Tiu eksterajho nesankta kaj distra en la manumado de la sanktajhoj ofendis la senton religian de Jesuo, iafoje portitan ghis la skrupulo. Li diris ke oni faris la domon de preghejo kavernon de shtelistoj. Unu tagon ech, oni diras, la kolero forportis lin; li frapis per vipo tiujn malnoblajn vendistojn kaj renversis iliajn tablojn. Ghenerale, li malmulte amis la templon. La kulto, kiun li estis elpensinta por sia Patro, estis neniel rilata kun la scenoj de buchado. Chiuj fondajhoj hebreaj malplachis al li kaj li suferis esti devigata laui ilin. Tial la templo kaj ghia ejo inspiris sentojn piajn, che kristanaro, nur al la kristanoj judaismemaj. La vere novaj homoj havis malporsenton pri tiu antikva sanktejo. Konstanteno

kaj la unuaj imperiestroj kristanaj tie lasis persisti la konstruajhojn idolanajn de Adriano. Nur malamikoj al kristismo kiel Juliano. pensis pri tiu loko. Kiam Omaro eniris en Jeruzalemon, la loko de la templo estis intence malpurigata pro malamo al la Hebreoj. Estis islamo, t.e ia renaskigho de judaismo, kiu redonis al ghi ghian gloron. Chitiu loko chiam estis kontraukristana.

La fieracho de la Hebreoj finis malkontentigi Jesuon, kaj igi peniga la restadon en Jeruzalemo. Sammezure kun la maturighado de la grandaj ideoj. la pastraro malfortighis. La fondo de sinagogoj estis doninta al la klarigisto de la Legho, al la doktoro, grandan superecon rilate la pastron. Estis pastroj nur en Jeruzalemo, kaj ech tie ili estis malgrandigataj al oficoj tute ceremoniaraj, proksimume kiel niaj parokaj pastroj eksigitaj de la predikado; ili estis antauitaj de la parolisto de la sinagogo, la kazuisto, la skribisto, ech tute nereligia kiel estis chitiu lasta. La viroj famaj de Talmudo ne estis pastroj; ili estis scienculoj lau la ideoj tiamaj. La alta pastraro de Jeruzalemo havis, estas vere, rangon tre altan en la nacio; sed ghi neniel estis al la kapo de la movado religia. La chefpastro, kies rango jam estis malnobligita de Herodo, farighis pli kaj pli oficisto roma, kiun oni eksigis ofte por igi la oficon pli profita al kelkaj. Kontraustarantaj al la farizianoj, fervoruloj nereligiaj tre ekscitighemaj, la pastroj estis preskau chiuj sadokeanoj, t.e. anoj de la nobelaro nekredema, kiu formighis chirkau la templo, vivis dank' al la altaro, sed kies vanecon ghi vidis. La kasto pastra tiel apartighis de la sento nacia kaj de la granda direkto religia, kiu fortiris la popolon, ke la nomo « sadokeano » (sadoki), kiu montris unue simple anon de la familio pastra de Sadok, estis farighinta egalsenca de « materiisto » kaj de « epikurano ».

Elemento ankorau pli malbona estis veninta, de la regado de Herodo la Granda, putrigi la altan pastraron. Herodo amighinte al Mariammo, filino de iu Simono, filo li mem de Boethus de Alexandrio, kaj volinte edzighi je shi (proksimume en la jaro 28a A. J. K., vidis neniun alian

rimedon, por nobeligi sian bopatron kaj altigi lin ghis si, ol fari lin chefpastro. Tiu familio intrigema restis chefo, preskau senchese, de la supera chefpastreco dum tridek-kvin jaroj. Intime ligita al la familio reganta, ghi perdis ghin nur post la eksigo de Arkelauso, kaj ghin rehavis (en la jaro 42a de nia jararo), kiam Herodo Agrippa refaris por kelka tempo la farajhon de Herodo la Granda. Sub la nomo de Boethusim, tiel formighis nova nobelaro pastra, tre monduma, tre malmulte pia, kiu fandighis iom post iom kun la Sadokidoj. El chio tio rezultis chirkau la templo ia « kortego de Romo », vivanta de politiko, malmulte ema al la malmoderajhoj fervoraj, ilin timanta ech, volanta audi paroli nek pri sanktaj personoj nek pri novigantoj, char ghi profitis la kutimachon fonditan. Tiuj pastro epikuristaj ne havis la perfortecon de la farizianoj; ili volis nur la ripozon; ilia malpenemo morala, ilia malvarma malpieco ribeligis Jesuon. Kvankam tre malsimilaj, la pastroj kaj la farizianoj tiel kunighis en liaj kontrausentoj. Sed char fremda kaj havanta nenian autoritaton, li devigite longtempe entenadis sian malkontentecon en si mem kaj komunikis siajn sentojn nur al la kunularo intima, kiu akompanis lin.

Antau la lasta restado, je multe la plej longa el chiuj tiuj, kiujn li faris en Jeruzalemo, kaj kiu finighis per lia morto, Jesuo provis tamen auskultigi sin. Li predikis; oni parolis pri li; oni interparolis pri kelkaj faroj, kiujn oni rigardis kiel miraklaj. Sed el chichio rezultis nek Eklezio staranta en Jeruzalemo, nek grupo da sektanoj jeruzalemaj. La charma doktoro, kiu pardonis al chiuj. kondiche ke oni lin amu, ne povis trovi multe da ehho en tiu sanktejo de vantaj disputoj kaj de oferoj malnovighintaj. El tio rezultis nur por li kelkaj bonaj rilatoj, kies fruktojn li pli malfrue kolektis. Ne shajnas ke en chitiu tempo li konatighis kun la familio de Bethanio, kiu alportis al li che la mezo de la elprovoj de liaj lastaj monatoj, tiom da konsoloj. Sed frue li altiris la atenton de iu Nikodemo, richa fariziano, ano de la sinedrio kaj tre shatata en Jeruzalemo. Tiu viro, kiu shajne esti honesta kaj sincera, sentis sin altirata al la juna

Galileano. Char li ne volis kompromiti sin, li venis viziti lin nokte kaj havis kun li longan interparoladon. Li sendube de ghi konservis impreson favoran, char pli malfrue li defendis Jesuon kontrau la antaujughojn de siaj kolegoj, kaj che la morto de Jesuo, ni vidos lin diligentantan piajn zorgojn al la kadavro de la majstro. Nikodemo ne kristanighis; li kredis shuldi al sia situacio ne partopreni movadon revolucian, kiu ankorau ne enhavis eminentajn alighantojn. Sed li videble havis multe da amikeco al Jesuo kaj utilis al li, kvankam, li ne povis fortiri lin de la morto, kies pridecido en la epoko, en kiun ni alvenis, jam estis kvazaŭ skribita.

Pri la doktoroj famaj de tiu tempo, Jesuo ne shajnas havi rilatojn kun ili. Hillelo kaj Shammajo estis mortintaj; la plej granda autoritato tiama estis Gamalielo, nepo de Hillelo. Li estis spirito liberama kaj monduma, ema al la studoj ne sanktaj, kutimigita al la toleremo de lia rilatado kun la alta socio. Male je la farizianoj tre severaj, kiuj marshis vualitaj au fermante la okulojn, li rigardis la virinojn, ech la idolaninojn. La tradicio pardonis al li, tiel same kiel pro lia scio de la greka lingvo, char li rilatis kun la kortego. Post la morto de Jesuo, li esprimis pri la sekto nova opiniojn tre moderajn. Sankt-Paulo eliris el lia skolo. Sed tre kredeble Jesuo neniam alighis al ghi.

Penso, kiun almenau Jesuo kunportis de Jeruzalemo, kaj kiu de tiam shajnas che li enradikita, estas ke nenia interkonsento estas ebla kun la malnova kulto hebrea. La neniigo de la oferoj, kiuj tiel nauzigis lin, la forigo pastraron malpian kaj fierachan, kaj en senco ghenerala la nuligo de la Legho shajnis al li absolute necesaj. De chitiu momento, jam ne kiel reformanto hebrea, sed kiel detruanto de judaismo li starighas Kelkaj partianoj de la ideoj mesiaj jam konsentis ke la Mesio alportos leghon novan, kiu estus komuna al la tuta tero. La esenianoj, kiuj estis apenau hebreoj, kredeble estis ankau sensentaj pri la templo kaj la ordonoj mosheaj. Sed tio estis nur kuraghajhoj izolaj kaj ne konfesataj. Jesuo

estis la unua kuraghanta diri, ke de li, au plighuste de Johano, la Legho jam ne ekzistis. Se iafoje li uzis terminojn pli detenajn, tio estis por ne frapi tro perforte la antaujughojn konfesatajn. Kiam oni senpaciencigis lin, li levis chiujn vualojn, kaj sciigis ke la Legho jam havis nenian forton. Li uzis pri tiu temo komparojn energiajn. « Oni ne rebonigas, li diris, malnovajhon per novajho. Oni ne metas vinon novan en malnovajn felsakojn » Jen estas, en la praktiko, lia ago de majstro kaj de kreanto. Tiu templo forpelas la Nehebreojn el sia zono per afishoj malshataj. Jesuo ghin ne volas. Tiu Legho malgrandanima, maldolcha, senkompata, ne estas farita por la Abrahamidoj. Jesuo pretendas, ke chiu homo bonvola, chiu homo, kiu lin akceptas kaj amas, estas Abrahamido. La fieracho pro la sango shajnas al li la chefa malamiko batalota. Jesuo, per aliaj vortoj, jam ne estas Hebreo. Li estas revoluciulo lau la plej alta grado; li alvokas la homojn al religio fondita sur ilia sola eco de infanoj de Dio. Li proklamas la rajtojn de la homo, ne la rajtojn de la hebreo; la religion de la homo, ne la religion de la hebreo; la liberigon de la homo, ne la liberigon de la hebreo. Ha! kiel malproksimaj ni estas de unu Judas Gaulonitidano, de Mathias Margaloth, predikantaj la revolucion je la nomo de la Legho! La religio de la homaro, starigita ne sur la sango, sed sur la koro, estas fondita. Mosheo estas superita; la templo jam ne havas estotialon kaj estas por chiam kondamnita.

---

## CHAPITRO DEKTRIA.

### Rilatoj de Jesuo kun la Idolanoj kaj la Samarianoj

Lauante tiujn principojn, li malshatis chion ne estantan la religio del'koro. La vantaj praktikoj de la piuloj, la princip-severeco ekstera, kiu fidas pri la savo per afektajhoj, havis lin kiel mortiga malamiko. Li malmulte zorgis pri la fasto. Li pliamis la forgeson pri ofendo ol la oferon. La amo al Dio, la kompato, la pardono reciproka, jen lia tuta legho. Nenio estas malpli pastreca. La pastro, pro sia profesio, chiam instigas al la ofero publika, kies peranto deviga li estas; li malemigas al la pregho privata, kiu estas rimedo por liberigi sin de li. Oni vane serchus en Evangelio praktikon religian rikomenditan de Jesuo. La bapto havas lau li nur flankan gravecon ; kaj, pri la pregho, li nenion regulas, krom ke ghi farighu el la koro. Kelkaj, kiel chiam okazas, kredis anstatauigi de la bonvolo de la animoj malfortaj la veran amon al la bono, kaj imagis almiliti la regholandon de la chielo dirante al li: Rabbi, rabbi; li forpushis ilin, kaj proklamis, ke lia religio estas bonfari. Ofte li citis tiun lokon en Isajo : « Tiu popolo honoras min per la lipoj, sed ghia koro estas malproksima de mi. »

La sabato estis la chefa punkto, sur kiu starighis la konstruajho de la skrupuloj kaj subtiloj fariziaj. Tiu fondajho antikva kaj bonega estis faringhinta preteksto por malgrandanimaj disputoj de kazuistoj kaj fonto de kredoj superstichaj. Oni kredis, ke la naturo ghin respektis; chiujn fontojn intermitajn oni rigardis kiel « sabataj ». Tio estis ankau la temo, pri kiu Jesuo plejplezure ekscitis siajn kontrauulojn. Li malrespektis malkashe la sabaton, kaj respondis al la ripro-

choj, kiujn oni faris al li pro tio, per delikataj mokoj. Li tial des pli malshatis amason da respektajhoj nuntempaj, kiujn la tradicio estis aldoninta al la Legho, kaj kiuj pro tio mem estis la plej karaj por la piuloj. La sinlavoj, la distingoj tro subtilaj pri la ajhoj puraj kaj malpuraj trovis lin senkompata. « Chu vi povus ankau, li diris al ili, lavi vian animon? Ne tio, kion la homon manghas, malpurigas lin, sed tio, kio eliras el lia koro. » La farizianoj, disvastigantoj de tiuj ceremoniachoj, estis la celtabulo de liaj chiuj frapoj. Li kulpigis ilin superdiri pri la Legho; elpensi pretekstojn neeblajn por krei al la homoj okazojn pekajn. « Blinduloj, kondukantoj de blinduloj, li diris, gardu vin ne fali en la kavon. » — « Raso de viperoj, li aldonis sekrete, ili parolas nur pri la bono, sed interne ili estas malbonaj; ili mensogigas la proverbon : « La busho shutas nur la superplenajhon de la koro ».

Li ne sufiche konis la idolanojn por revi starigi sur ilia konvertigho ion daureblan. Galileo enhavis multe da idolanoj, sed ne, lau tio, kio shajnas, religio de falsaj dioj publika kaj organizita. Jesuo povis vidi tiun kulton disvolvighi en ghia tuta almiregindeco en la lando de Tiro kaj Sido, en Cezareo de Filipo, kaj en Dekapolo. Li malmulte atentis pri ghi Neniam oni trovas en li tiun pedantecon lacigan de la Hebreoj liatempaj, tiujn deklamajhojn kontrau idolkulto, tiel kutimajn al liaj samreligianoj post Aleksandro, kaj kiuj igas teda ekzemple la libron pri la Sagho. Kio plej frapas che la idolanoj, tio ne estas ilia idolismo, estas ilia sklaveco. La juna popolregano hebrea, samideano pri chitio kun Judas la Gaulonitidano, char li akceptis neniun ordonanton krom Dio, estis tre ofendata de la honoroj, per kiuj oni chirkauis la personon de la regnestroj kaj de la titoloj ofte falsaj, kiujn oni donadis al ili. Krom tio, che la plejmulto el la okazoj, kiam li renkontas idolanojn, li havas por ili grandan malseverecon; iafoje li afektas fondi sur ili pli da espero ol sur la Hebreojn. La reghlando de Dio estos al ili transdonata. « Kiam bienulo estas malkontenta pri tiuj, kiuj luis lian vinberejon, kion li

faras? Li luigas ghin al aliuloj, kiuj elfaras por li bonajn fruktojn. » Jesuo kredeble donis tiom pli da valoro al tiu ideo, ke la konvertigho de la idolanoj estis, lau la ideoj hebreaj, unu el la signoj plejcertigaj pri la veno de la Savonto. En lia regholando de Dio, li sidigas che la festeno, apud Abrahamo, Isaako kaj Jakobo, homojn venintajn de la kvar ventoj chielaj, dume la heredontoj rajtaj de la regholando estos forpushataj. Ofte, estas vero, oni kredas trovi en la ordonoj, kiujn li donas al siajn sektanojn, emon tute kontrauan : li shajnas rikomendi al ili prediki la savon nur al la Hebreoj bonreligiaj; li parolas pri la idolanoj lau ielo konforma al la antaujughoj de la Hebreoj. Sed oni devas memori ke la alighintoj, kies spirito ne submetighis al tiu alta sensenteco pri la eco de Abrahamidoj, tre bone povis klinigi en la sencon de siaj propraj ideoj la instruojn de sia majstro. Plie, estas tre eble ke Jesuo diversis pri tiu punkto, tiel same kiel Mahomedo parolas pri la Hebreoj, en la Korano, chu lau ielo plejhonora, chu kun ekstrema maldolcheco, lau ke li esperas au ne ilin altiri al si. La tradicio ja donas al Jesuo du regulojn verbajn tute malajn, kaj kiujn li eble praktikis alterne : « Kiu ne estas kontrau vi, tiu estas por vi. » — « Kiu ne estas kun mi, tiu estas kontrau mi. » Batalado pasia okazigas preskau chiam nepre tiujn specojn de kontraudiroj.

Kio estas certa, tio estas ke li kalkulis inter siaj sektanoj kelkajn homojn, kiujn la Hebreoj nomis « Helenoj ». Tiu vorto havis, en Palestino, sencojn tre diversajn. Ghi montris jen idolanojn, jen hebreojn grekeparolantajn kaj loghantajn inter la idolanoj, jen homojn de deveno idolana konvertighintajn al judaismo. Che chitiu lasta klaso da Helenoj, Jesuo kredeble trovis alsenton. La aligho al judaismo havis multe da gradoj; sed la varbitoj chiam restis en stato malsupera rilate la Hebreo naskigha. Tiuj, pri kiuj ni chitie parolas, estis nomitaj « varbitoj de la pordo » au « timantoj Dion », kaj submetataj al la instruoj de Noemo, ne al la instruoj

mosheaj. Tiu malsupereco mem estis sendube la kauzo, kiu proksimigis ilin al Jesuo, kaj kiu havigis al ili sian favoron.

Li tiel same agis kun la Samarianoj. Premate kiel insuleto inter la du grandaj provincoj de judaismo (Judeo kaj Galileo), Samario formis en Palestino ian enfermitajhon, kie estis konservadata la malnova kulto de Garizimo, frato kaj konkuranto de tiu de Jeruzalemo. Tiu senfama sekto, kiu havis nek la genion, nek la sciencan organizecon de judaismo propre nomita, estis rigardata de la Jeruzalemanoj kun ekstrema severeco. Oni metis ghin en tiun saman vicon, kiel tiu de la idolanoj, kun grado de malamo plia. Jesuo, kiel pro ja malcedemo, estis favora al ghi. Ofte li pliamas la Samarianojn ol la Hebreojn bonreligiajn. Se che aliaj okazoj li shajnas malpermesi al siaj lernantoj iri prediki al ili, rizervante sian Evangelion por la Izraelidoj mem, tio estas ankorau sendube instruo cirkonstanca, al kiu la apostoloj estus postdonintaj sencon tro absolutan. Kelkafoje, la Samarianoj ja lin malbone akceptis, tial ke ili supozis lin plena de la antaujughoj de liaj samreligianoj; tiel same kiel niatempe la Europanon liberpensan la mahomedano rigardas kiel malamiko, kredante chiam lin kristano fanatika. Jesuo sciis meti sin super tiuj malkomprenighoj. Li havis kelkajn sektanojn en Sihhemo, kaj tie pasigis almenau du tagojn. En unu cirkonstanco, li renkontas dankemon kaj veran piecon nur che Samariano. Unu el liaj plej belaj komparumoj estas tiu, pri la viro vundita sur la vojo al Jerihho. Pastro pashas, vidas lin kaj daurigas sian vojiradon. Levido pashas kaj ne haltas. Samariano kompatas lin, proksimighas, vershas oelon sur liajn vundojn kaj ilin bandaghas. Jesuo konkludas el tio ke la vera frateco starighas inter la homoj per la kompato, ne per la kredo religia. La « proksimulo », kiu, lau judaismo, estis precipe la samreligiano, estas por li la homo, kiu kompatas al sia similulo ne atentante la distingojn sektajn. La frateco homa lau la plej largha senco eliris superflue el liaj chiuj instruoj.

Tiuj pensoj, kiuj sieghis Jesuon che lia eliro el Jeruzalemo, trovis sian vivan esprimon per anekdoto, kiun oni konservis pri lia reveno. La vojo al Jeruzalemo en Galilelo lokas je duono da horo de Sihhemo(1), che le malfermigho de la valo superata de la montoj Ebal kaj Garizimo. Tiu vojo estis ordinare evitata de la pilgrimantoj hebreaj, kiuj pliamis, en siaj vojagho, fari longan kurbon tra Pereo ol riski la malbonajn agojn de la Samarianoj au peti ion de ili. Estis malpermesate manghi kaj trinki kun ili; estis aksiomo de iuj kazuistoj lau kiu « panpeco de la Samarianoj estas porkviando. » Kiam oni lauiris tiun vojon, oni do faris siajn provizojn antaue; kaj ech oni nur malofte evitis la batighojn kaj la malbonajn agojn. Jesuo partoprenis nek tiujn devplenumojn nek tiujn timojn. Alveninte, che lia vojiro, che la loko, kie malfermighas maldekstren la valo de Sihhemo, li lacighis, kaj haltis apud puto. La Samarianoj havis, tiam kiel hodiau, la kutimo doni al chiuj lokoj de sia valo nomojn deprenitajn de la memorajhoj chefpatraj; ili rigardis tiun puton kiel donita de Jakobo al Jozefo; ghi estis kredeble tiu sama, kiun ili nomas ankorau nun *Bir-Jakub*. La skolanoj eniris en la valon kaj iris al la urbo acheti provizojn; Jesuo sidighis sur la bordo de la puto, havante kontrau li Garizimon.

Estis chirkaue tagmezo. Virino de Sihhemo venis cherpi akvon. Jesuo petis de shi trinki, kio naskis che tiu virino grandan miron, char la Hebreoj malpermesis al si ordinare chian rilaton kun la Samarianoj. Logite de la kunparolado de Jesuo, la virino rekonis en li profeton, kaj, atendante riprochojn pro sia religio, shi antauis. « Sinjoro, diris shi, niaj patroj adoris sur tiu monto, dume, vi aliaj, vi diras ke en Jeruzalemo oni devas adori. — « Virino, kredu min, respondis al shi Jesuo, la horo venis, kiam oni jam adoros nek sur tiu monto, nek en Jeruzalemo, sed kiam la veraj adorantoj adoros la Patron per la spirito kaj per la vero ».

---

(1) Hodiau Napluzo N. del. Verk.

La tagon, kiam li elparolis tiujn vortojn, li estis vere filo de Dio. Li diris por la unua fojo la vorton, sur kiu starados la konstruajho de la religio chiama. Li fondis la kulton puran, sendatan, senpatrujan, tiun, kiun praktikos chiuj animoj altaj ghis la finigho de la tempoj. Ne nur lia religio, en tiu tago, farighis la bona religio de la homaro, ghi farighis ankau la religio absoluta; kaj, se aliaj planedoj havas loghantojn posedantajn prudenton kaj moralecon, ilia religio ne povas esti malsimila je tiu, kiun Jesuo proklamis apud la puto de Jakobo. La homo ne povis sin tenadi al ghi; char oni atingas la idealon nur momenton. La vortoj de Jesuo estis eklumo en senluma nokto; estis bezonotaj dekok cent jaroj, por ke la okuloj de la homaro (kion mi diras ! de parto etege malgranda de la homaro) al ghi kutimighu. Sed la eklumo farighos la plentaglumo, kaj, trairinte chiujn rondojn da eraroj, la homaro revenos al tiuj vortoj, kiel al la esprimo nemortebla de sia kredo kaj de siaj esperoj.

---

## CHAPITRO DEKVARA.

### Komencigho de la legendo pri Jesuo. — Ideo, kiun li mem havas pri sia rolo supernatura.

Jesuo returnen iris en Galileon perdinte tute sian kredon hebrean, kaj en plena varmegeco revolucia. Liaj ideoj nun esprimighis kun precizeco perfekta. La senkulpaj aforismoj de lia unua agho profeta, parte elprenitaj de la rabbioj antauaj, la belaj predikadoj moralaj de lia dua periodo finighas al politiko decidita. La legho estos nuligata; *li* estos ghia nuliganto. La Savonto estas veninta; tiu chi estas *li*. La regholando de Dio baldau malkovrighos. Li bone scias, ke li suferos pro sia kuragheco; sed la regholando de Dio ne povas esti almilitata neperforte; per krizoj kaj dissirighoj ghi estas fondighonta. La filo de la homo, post sia morto, venos en gloro, akompanata de legioj da angheloj, kaj kiuj estos forpushintaj lin, tiuj estos konfuzataj.

La kuraghegeco de tia elpensajho ne devas nin surprizi. Jesuo rigardis sin de longe kun Dio sur la vico de filo kun sia patro. Kio estus che aliaj fieracho neelportebla, tio ne devas esti pri li ecigata atenco.

La titolo « Davidido » estis la unua, kiun li akceptis, kredeble ne partoprenante en la falsojn senkulpajn, per kiuj oni penis al li ghin havigadi. La Davididaro tiam estis lau tio, kio shajnas, estingighinta de longe; nek la Asmoneanoj, de deveno pastreca, nek Herodo, nek la Romanoj pensas momenton, ke ekzistas chirkau ili prezentanto ia ajn de la rajtoj de la antikva dinastio. Sed de la finigho de la Asmoneanoj, la revo de ido nekonata de la malnovaj reghoj, kiu venghos la nacion je

ghiaj malamikoj, agitis chiujn kapojn. Chies kredo estis, ke la Savonto estos Davidido kaj naskighos kiel li en Bethlehemo. La sento unua de Jesuo ne estis ghuste tio.

La memoro pri Davido, kiu priokupis la plimulton el la Hebreoj, havis nenion komunan kun lia rego chiela. Li kredis sin filo de Dio, kaj ne Davidido. Lia regholando kaj la liberigo, kiun li meditis, estis tute alispecaj. Sed la opinio pri chitio lin iel perfortas. La sekvo tuja de tiu propozicio : « Jesuo estas la Savonto », estis chitiu alia propozicio : « Jesuo estas Davidido ». Li lasis doni al si titolon, sen kiu li povis esperi nenian sukceson. Li fine, tio shajnas, plezuris je ghi, char li faris kun la plejcharma bonvolo la miraklojn, kiujn oni petis de li vokante lin tiel. Chitie, kiel en kelkaj cirkonstancoj de lia vivo, Jesuo submetighis sub la ideoj, kiuj havis akceptadon en sia tempo, kvankam ili ne estis ghuste liaj. Li alligis al sia dogmo pri la « regholando de Dio » chion, kio varmigis la korojn kaj la imagojn. Tial ni vidis lin akceptanta la bapton de Johano, kiu tamen kredeble ne estis grava por li.

Grava malhelpajho prezentighis : lia naskigho en Nazaretho, kiu estis publike sciata. Oni ne scias chu Jesuo kontraustaris al tiu malfaciligo. Eble ghi ne prezentighis en Galileo, kie la ideo, ke la Davidido devis esti Bethlehemano, estis malpli disa. Por la Galileano idealista, la titolo « Davidido » ja estis sufiche rajtiga se tiu, al kiu oni ghin donis, restarigus la gloron de sia raso kaj revenigus la belajn tagojn de Israelujo. Chu li permesis per sia silentado la idarskribojn (1) falsajn, kiujn siaj partianoj imagis por trovi lian devenon reghan? Chu li sciis ion pri la legendoj elpensitaj por kredigi lin naskighinta en Bethlehemo, kaj speciale pri la lertajho, per kiu oni rilatigis lian devenon bethleheman al la popolsumigo, kiu okazis lau ordono de la legato imperia Kvirinius? Oni nescias tion. La malghusteco kaj la kontraudiroj de la idarskriboj

(1) aŭ « genealogiojn ».

kredemigas, ke ili estis la rezultato de laboro popola farita en diversaj lokoj, kaj ke neniu el ili estis sankciita de Jesuo. Neniam li konigas sin per sia propra busho kiel Davidido. Liaj partianoj, tre malpli kleraj ol li, superdiris iafoje pri tio, kion li diris pri si mem; plejofte li ne konis tiujn trograndigojn. Aldonu ni ke dum la tri unuaj jarcentoj partumoj gravaj de la kristanaro neis obstine la reghidecon de Jesuo kaj la kredindecon de la idarskriboj.

Lia legendo estis tiel la frukto de granda konspiro tute propramova, kiu ellaborighis chirkau li dum lia vivo. Neniu granda okazo historia pasis ne donante lokon al ciklo de fabeloj, kaj Jesuo ne estus povinta, ech se tion li estus volinta, tuj neniigi tiujn elpensajhojn popularajn. Eble okulo sagaca estus rekoninta de tiam la ghermon de la rakontoj, kiuj estis havigontaj al li naskighon supernaturan, chu sekve de tiu chi ideo, tre disa en la antikveco, ke la homo neordinara ne povas naskighi de la rilatoj ordinaraj inter la du seksoj; chu por respondi al chapitro malbone komprenita de Isajo, per kiu oni kredis legi, ke la Savonto naskighus de virgulino; chu fine sekve de la ideo ke la « Blovo de Dio », jam starigita en persono dia, estas principo de fruktodoneco Jam eble trafluis pri lia infaneco anekdoto elpensita en celo montri en lia vivoskribo la plenumighon de la lokoj konsideritaj kiel profetaj, kiun oni rilatigis al la Savonto.

Aliajn fojojn oni kreis pri li tuj de la lulilo rilatojn kun la famuloj, Johano-Baptisto, Herodo la Granda, astrodivenistoj kaldeanaj, kiuj, oni diras, faris chirkau tiu tempo vojaghon al Jeruzalemo, du maljunuloj, Simeo kaj Anno, kiuj lasis memorajhojn de alta sankteco. Tempokalkulo sufiche neghustega prezidis tiujn kombinojn plejmulte faritajn sur faktoj realaj aliigitaj. Sed emo stranga de dolcheco kaj boneco, sento profunde popola, enighis chiujn tiujn fabelojn, kaj faris ilin aldono de la predikado. Precipe post la morto de Jesuo tiuj rakontoj prenis grandan disvolvighon; oni tamen povas kredi, ke ili chirkauiris dum lia vivo, renkontante nenion krom pian kredemon kaj naivan admiremon.

Ke neniam Jesuo revis kredigi sin enkarnigho de Dio mem, tion oni ne povus dubi. Tia ideo estis profunde fremda al la spirito hebrea. Pri tio estas neniu postsigno en la tri unuaj evangelioj; oni ghin trovas montritan nur che kelkaj lokoj de la evangelio de Johano, kiuj ne povas esti akceptataj kiel ehho de la penso de Jesuo. Iafoje ech Jesuo shajnas antauzorgi por forpushi tian kredon. La kulpigo fari sin Dio au la egalulo de Dio estas prezentata, ech en la evangelio de Johano, kiel kalumnio de la Hebreoj. En tiu lasta evangelio, li sciigas sin malplia ol sia Patro. Alifoje li konfesas, ke la Patro ne chion malkovris al li. Li kredas sin pli ol viro ordinara, sed malkunigita de Dio per spaco senlima. Li estas filo de Dio; sed chiuj homoj tiaj same estas au povas tiaj farighi lau gradoj diversaj. Chiuj chiutage devas nomi Dion sia patro. Chiuj revivigontoj estos filoj de Dio. La fileco dia estis almetita en la Malnova Testamento al estajhoj, kiuj neniel estis pretendataj egali Dion. La vorto « filo » ja havas, en la lingvo de la Nova Testamento, la plejlarghajn sencojn.

Cetere, la ideo, kiun faras al si Jesuo, pri la homo ne estas tiu ideo humila, kiun malvarma diismo enkondukis. En lia poeta elpenso de la naturo, sola blovo enighas la tutmondon; la blovo de la homo estas tiu de Dio; Dio loghas en la homo, vivas per la homo, tiel same kiel la homo loghas en Dio, vivas per Dio. La idealismo altega de Jesuo neniam ebligis al li havi konon tre klaran pri lia propra personeco. Li estas lia Patro, lia Patro estas li. Li vivas en siaj alighintoj; li estas chie kun ili; liaj alighintoj estas unuo, tiel same kiel li kaj sia Patro estas unuo. La ideo lau li estas chiom; la korpo, kiu faras la distingojn pri la personoj, estas neniom.

La titolo de « Filo de Dio » au simple « Filo », tiel farighas por Jesuo titolo simila al « Filo de l'homo », kun tiu sola malsamo, ke li nomis sin mem « Filo de l'homo » kaj ke li ne shajnas esti farinta la saman uzon de la vorto « Filo de Dio ». La titolo de Filo de l'homo esprimas lian econ de jugho; tiu de filo de Dio lian partoprenon pri la intencoj superegaj

kaj lian potencon. Tiu potenco ne havas limojn. Lia Patro donis al li chian povon. Li havas la rajton ech shanghi la sabaton. Neniu konas la Patron krom per li. La Patro transdonis al li la rajton jughi. La naturo obeas al li; sed ghi obeas ankau al chiu ajn, kiu kredas kaj preghas; la kredo chion povas. Estas necese rememori, ke neniu ideo pri la leghoj de la naturo venis en lian spiriton, nek en tiun de liaj auskultantoj, marki la limon de la neeblo. La cheestantoj de liaj mirakloj dankas Dion « char li donis tian povon al la homoj ». Li pardonas la pekojn: li estas supera al Davido, Abrahamo, Salomono, al la profetoj. Ni ne scias lau kia formo, nek lau kia mezuro tiuj certigoj elfarighis. Jesuo ne devas esti jughata lau la principo de niaj malgrandaj konvenoj. La admiro de liaj instruatoj superis lin kaj lin forlogis. Videble la titolo *rabbi*, per kiu li unue kontentighis, jam ne sufichis al li; ech la titolo de profeto au sendito de Dio jam ne respondis lian penson. La stareco, kiun li alligis al si estis tiu de estajho superhoma; kaj li volis, ke oni rigardu lin kiel havanta kun Dio rilatadon pli altan, ol tiu de la aliaj homoj. Sed oni devas rimarki, ke tiuj vortoj « superhoma » kaj « supernatura », prenitaj de nia discienco malgrandanima, ne havis sencon che la alta konscienco religia de Jesuo. Lau li la naturo kaj la kreskado de la homaro ne estis regnoj limigitaj ekstere de Dio, malfortaj realajhoj submetitaj al leghoj de severeco malesperiga. Ne estis lau li supernaturo, char ne estis naturo. Ebria per la amo senlima, li forgesis la pezan katenon, kiu tenadas la spiriton mallibera; li transiris per saltego la profundegajhon, netransireblan por la plejmulto, kiun la malboneteco de la kapabloj homaj desegnas inter la homo kaj Dio.

Almenau la severegeco dogma estis neniel el tia mondo. La tuta aro de ideoj, kiun ni jhus elmetis, formis en la spirito de la partianoj sistemon tiel malmulte difinitan, ke la filo de Dio, tiu speco de duonigho de la Dieco, ili lin agigos pure home. Li estas tentata; li nescias multon da aferoj; li korektas sin; li estas senfortigita, senkuragha; li petas sian Patron indulgi lin pri la elprovoj, li estas obeema al Dio, kiel filo.

Li, kiu estas jughonta la mondon, li ne konas la tagon de la jugho. Li antauzorgas pri sia sendanghereco. Ne longe post lia naskigho, oni estas devigata lin malaperigi por eviti homojn potencajn, kiuj volis lin buchigi. Chio tio estas simple la faro de sendito de Dio, de homo protektata kaj favorata de Dio. Oni devas postuli pri chitio nek logikon, nek sekvon. La bezono, kiun havis Jesuo, havigi al si autoritaton, kaj la entuziasmo de siaj partianoj amasigis la konojn kontraudirajn. Lau la homoj precipe priokupataj de la veno de la Savonto, por la legantoj pasiaj de la libroj de Danielo kaj Henohho, li estis la filo del' homo; lau la Hebreoj de la kredo komuna, por la legantoj de Isajo kaj de Mihheo, li estis la Davidido; por la alighintoj, li estis la filo de Dio, au simple la Filo. Aliaj nemallaudate de la sektanoj rigardis lin kiel Johano-Baptisto revivighinta, kiel Elio, kiel Jeremio, konforme al la kredo populara, ke la malnovaj profetoj estis revekighontaj por pretigi la tempojn de la Savonto.

La mirakloj estis rigardataj, en tiu epoko, kiel la marko necesega de la dieco kaj kiel la signo de la profesiemo profeta. La legendoj de Elio kaj Eliseo estis plenaj je ili. Estis akceptate, ke la Savonto faros multe da ili. Oni devas rememori, ke la tuta antikvo, escepte la grandaj skoloj sciencaj de Grekujo kaj iliaj samideanoj romaj, akceptis la miraklon; ke Jesuo, ne nur al ghi kredis, sed ankau ne havis la malplej grandan ideon pri ordo natura regata de leghoj. Liaj konoj pri tiu temo estis neniel superaj al tiuj de liaj samtempuloj. Ech plie, unu el liaj opinioj plej profunde enradikitaj, estis ke per la kredo kaj la pregho la homo havas chian povon super la naturo. La kapablo mirakli estis rigardata kiel permeso regule disdonata al la homoj, kaj kiu havis nenion surprizantan.

Sendube la famo populara, antau kaj post la morto de Jesuo, trograndigis ege la nombron da faktoj tiaspecaj. Preskau chiuj mirakloj, kiujn Jesuo kredis fari, shajnas esti mirakloj resanigaj. La resanigarto estis en tiu epoko en Judeo tia, kia ghi estas ankorau hodiau en Oriento, t. e. neniel scienca, tute forlasita al la inspiro individua. La resanigarto scienca,

fondita de kvin jarcentoj de Grekujo, estis en la epoko de Jesuo nekonata de la Hebreoj Palestinaj. En tia stato de konoj, la cheesto de homo supera aganta dolche kun la malsanulo, kaj donanta al li per kelkaj signoj senteblaj la certigon pri lia resanigho, estas ofte resanigilo decidiga. Kiu kuraghus diri ke, che multo da okazoj, kaj krom la vundoj tute karakterizataj, la kuntusho de persono charma ne valoras la rimedojn de la farmacio? La plezuro vidi ghin resanigas. Ghi donas tion, kion ghi povas, rideton, esperon, kaj tio ne estas senutila.

Nek Jesuo, nek ankau liaj samlandanoj, havis ideon pri scienco racia; li kredis, kiel chiu, ke la resanigho devas farighi per praktikoj religiaj, kaj tia kredo estis perfekte kunsekva. Char oni rigardis la malsanon kiel la puno pro peko, au kiel la faro de demono, neniel kiel la rezultato de kauzoj fizikaj, la plej bona resanigisto estis la sanktulo, kiu havis povon en la regno supernatura. Resanigi estis konsiderata kiel afero morala; Jesuo, kiu sentis sian forton moralan, devis kredi sin speciale dotita por resanigi. Char li estis konvinkata, ke la altusho al sia robo, la surmeto de siaj manoj, faris bonon al la malsanuloj, li estus maldolcha, se li estus rifuzinta al tiuj, kiuj suferas, helpon, kiu estis donebla de li. La resanigo al la malsanuloj estis konsiderata kiel unu el la signoj de la regholando de Dio, kaj chiam kunigata al la liberigo de la malrichuloj. Unu kaj la alia estis la signoj de la granda revolucio, kiu estis finighonta al la rebonigo de chiuj kriploj.

Unu el la manieroj de resanigo, kiujn Jesuo uzas plej ofte estas la demonforigo. Ghi estis chies opinio, ne nur en Judeo sed en la tuta mondo, ke la demonoj enkaptas la korpojn de iuj personoj kaj agigas ilin kontrau ilia volo. La epilepsio, la malsanoj spiritaj kaj nervaj, che kiuj la suferanto shajnas jam ne aparteni al si, la kriploj, kies kauzo ne estas videbla, kiel la surdeco, la muteco, estis klarigataj per la sama ielo. Tiam estis multe da frenezuloj en Judeo, sendube pro la granda ekscitighemo de la spiritoj. Tiuj frenezuloj, kiujn oni lasis vagadi, kiel tio okazas ankorau hodiau en la samaj regionoj, loghis en grotoj tombaj forlasitaj, rifughejo ordinara de la

vagistoj. Jesuo havis multe da povo sur tiujn malfelichulojn. Oni rakontis pri liaj resanigoj mil historiojn strangajn, per kiuj la tuta kredemeco tiama havis plenan liberecon. Sed, chitie ankorau oni ne devas trograndigi al si la malfacilajhojn. La malordajhoj, kiujn oni klarigis per « posedatecoj », estis ofte tre malgravaj. Nuntempe, en Sirio, oni rigardas kiel frenezaj au posedataj de demono homojn, kiuj havas nur ian strangecon. Dolcha parolo sufichas ofte, en tiu okazo, por forpeli la demonon. Tiaj estis sendube la rimedoj uzataj de Jesuo. Plena senkulpeco, entuziasmo, kiu maldonis al li ech la kapablon de ia dubo, kovris chiujn tiujn kuraghojn. Homoj malpli puraj ol li penis trompi per lia nomo por movoj ribelaj. Sed la emo tute morala kaj neniel politika de la karaktero de Jesuo lin savis de tiuj forlogoj. Lia regholando estis en la rondo da infanoj, kiujn tia juneco de imago kaj sama antaugusto pri la chielo estis grupintaj kaj retenis chirkau li.

---

## CHAPITRO DEKKVINA.

### Formo definitiva de la ideoj de Jesuo pri la Regholando de Dio.

Ni supozas, ke chitiu lasta fazo de la agado de Jesuo dauris chirkaue dekok monatojn, de lia reveno de la pilgrimo pro la Pasko en la jaro 31a ghis lia vojagho pro la festo de la Tabernakloj en la jaro 32a. En tiu intertempo, la penado de Jesuo ne shajnas richigita de ia elemento nova; sed chio estanta en li disvolvighis kaj elfarighis lau grado chiam kreskanta de potenco kaj sentimego.

La ideo fundamenta de Jesuo estis tuj de lia unua tago, la fondo de la regholando de Dio. Sed chitiu regholando de Dio, tiel, kiel ni jam diris, Jesuo shajnas esti kompreninta ghin lau sencoj tre diversaj. Che momentoj. oni konsiderus lin kiel estro popolregana, volanta tute simple la regadon de la malrichuloj kaj de la malfelichuloj. Aliajn fojojn, la regholando de Dio estas la plenumigho lauvorta de la aperoj de Danielo kaj Henohho. Ofte fine la regholando de Dio estas la regholando de la animoj, kaj la liberigho baldaua estas la liberigho per la spirito.

La revolucio volita de Jesuo estas tiam tiu, kiu okazis reale : la fondo de religio nova, pli pura ol tiu de Mosheo. — Chiuj tiuj pensoj shajnas esti ekzistintaj samtempe en la konscienco de Jesuo. La unua tamen, tiu pri revolucio tempa, ne shajnas esti lin tre haltiginta. Jesuo neniam rigardis la teron, nek la richajhojn de la tero, nek la potencon materian kiel valorantaj la zorgon priokupi sin pri ili. Li havis nenian gloramon eksteran. Kelkafoje, pro kunsekvo natura, lia granda

graveco religia estis preskau tuj aliighonta en gravecon socian. Homoj venis lin peti fari sin jughanto kaj arbitracianto en la demandoj profitaj. Jesuo forpushis tiujn proponojn kun fiereco, preskau kiel insultojn. Plena je sia idealo chiela, li neniam elighis el sia malshatema malricheco.

Pri la du aliaj komprenajhoj pri la regholando de Dio, Jesuo shajnas chiam esti konservinta ilin samtempe. Se lia ununura penso estus, ke la finigho de la tempoj estis baldaua, kaj ke estis necese pretighi al ghi, li ne estus preteririnta Johanon-Baptiston. Forlasi mondon baldau falontan, disighi iom post iom de la vivo nuna, aspiri la regnon baldau venontan, tia estus estinta la lasta vorto de lia predikado. La instruado de Jesuo chiam havis multe pli grandan povon. Li proponis al si krei staton novan de la homaro, kaj ne nur prepari la finon de tio, kio ekzistas. Elio au Jeremio, revideblighante por prepari la homojn al la krizoj superegaj ne estus predikintaj kiel li. Tio chi estas tiel vera, ke tiu moralo, tiel nomita de la lastaj tagoj, ighis la moralo eterna, tiu, kiu savis la homaron. Jesuo mem, che multe da okazoj, uzas parolielojn, kiuj neniel rilatas al la teorio pri materia regholando de Dio. Ofte li sciigas, ke la regholando de Dio jam estas komencita, ke chiu homo portas ghin en si kaj povas, se je tio li estas inda, ghui ghin; ke tiun regholandon chiu kreas senbrue per la vera konvertigho de la koro. La regholando de Dio tiam estas nur la bono, ordo de aferoj pli bona ol tiu, kiu ekzistas; la regado de la justeco, kiun la kredanto, lau sia povo, devas kunfondi, au ankorau la libereco de la animo, io simila al la « liberigho » budaa, frukto de la sin forlaso. Chitiuj verajhoj, kiuj estas por ni pure abstraktaj, estis por Jesuo realajhoj vivantaj. Chio estas konkreta kaj shtofa en lia pensado : Jesuo estas la viro, kiu plejenergie kredis al la realeco de la idealo.

Kaj ne diru ke chitio estas interpreto bonvola, imagita por purigi la honoron de nia granda majstro pri la kruela malkonfirmo alfrapita al liaj revoj de la realeco. Ne, ne. Pro eraro

komuna al chiuj grandaj reformistoj, Jesuo rigardis la celon multe pli proksima, ol ghi estis; li ne kunkalkulis la malrapidecon de la movoj homaraj; li imagis efektivigi en unu tago tion, kio dekok cent jaroj pli malfrue ne estos ankorau finota. Sed la vera regholando de Dio, la regholando de la spirito, kiu faras chiun regho kaj pastro; tiu regholando, kiu kiel la semo de sinapo farighis arbo, kiu ombras la mondon, kaj sub kies branchoj la birdoj havas sian neston, Jesuo ghin komprenis, ghin volis, ghin fondis. Flanke de la ideo falsa pri okazontajho baldaua, kun la sono de la trumpeto, li elpensis la realan urbon de Dio, la revivighon veran, la predikon sur la monto, la apoteozon de la malfortulo, la amon al la popolo, la emon al la malrichulo, la restarigon por chio humila, vera kaj naiva. Chitiu restarigo, li ghin faris kiel artisto nekomparebla per trajtoj, kiuj daurados eterne. Chiu el ni shuldas al li tion, kio estas plejbona en si. Pardonu ni lian esperon pri veno kun granda triumfo sur la nubojn chielajn. Eble chitio estis plighuste la eraro de la aliaj ol lia, kaj, se estas vere, ke li mem partoprenis la iluzion de chiuj, tio estas sengrava, char lia revo igis lin forta kontrau la morto, kaj lin subtenis en batalado, en kiu sen tio eble li estus estinta neegalforta?

Akceptante la utopiojn de lia tempo kaj de lia raso, Jesuo sciis tiel fari ilin altaj verajhoj. Lia regholando de Dio, ghi estis sendube la apero, kiu estis baldau disvolvighonta en la chielo. Sed ghi estis plie, kaj kredeble ghi estis antau chio la regholando de la animo, kreita de la libereco kaj de la sento fila, kiun la homo virta sentas sur la brusto de sia Patro. Ghi estis la religio pura, senpraktikajha, sentempla, senpastra; ghi estis la jugho morala pri la mondo donata al la konscienco de la homo justa kaj al la brako de la popolo. Jen tio, kio estis farata por vivi; jen tio, kio vivis. Kiam, post unu jarcento je vana atendado, la espero materiista pri baldaua finigho de l'mondo konsumighis, la vera regholando de Dio liberighas. Troservemaj klarigoj jhetas vualon sur la regadon realan, kiu ne volas veni. Kelkaj malfelichaj malantaualo

konservante ankorau la esperojn de la unuaj alighintoj farighas hereziuloj (ebionanoj, miljaranoj), perdighintaj che la malaltajhoj de la kristanaro. La homaro estis irinta al alia regholando de Dio. La parto de vero enhavata en la penso de Jesuo estis venkinta la kimeron, kiu ghin mallumigis.

Ne malshatu ni tamen chitiun kimeron, kiu estis la shelo maldelikata de la bulbo sankta, per kiu ni vivas. Tiu fantazia regholando de Dio, tia persekutado senfina al urbo de Dio, kiu chiam priokupis kristanaron en ghia longa irado, estis la granda instinkto pri estonteco, kiu vigligis chiujn reformintojn, sektanoj obstinaj de la Malkovro, de Joachimo de Flore ghis la sektano protestanta niatempa. Tiu penado nepotenca por fondi socion perfektan estis la fonto de la penado eksterordinara, kiu igis la veran kristanon fortegulo batalanta kontrau la estantajho. La unuan fojon, kiam oni sciigis al la homaro, ke ghia planedo estis tuj finighonta; kiel la infano, kiu akceptas la morton kun rideto, ghi eksentis la plej vivan movon de ghojo, kiun ghi iam sentis. Maljunighante la mondo fine alligighis al la vivo. La tago de favoro, tiel longe atendadita de la animoj puraj de Galileo, farighis por la jarcentoj de fero de la mezepoko tago de kolero : *Dies iræ, dies illa* ! Sed, che la mezo mem de la barbareco, la ideo pri regholando de Dio restis fruktodona. Malgrau la Eklezio feudala, sektoj, monakaroj, sanktaj personoj daurigis protestadi, en la nomo de Evangelio, kontrau la nejustegeco de la mondo. En niaj tagoj mem, tagoj malkvietaj, kiam Jesuo ne havas pli verajn daurigantojn ol tiuj, kiuj shajnas lin forpeli, la provoj pri organizado ideala de la socio, kiuj havas tiom da simileco kun la aspiroj de la sektoj kristanaj unuatempaj, estas lau unu senco nur la ekflorigho de la sama ideo, unu el la branchoj de tiu arbo grandega, kie ghermas chia penso pri estonteco, kaj kies trunko kaj radiko la « regholando de Dio » estos eterne. Chiuj revolucioj sociaj de la homaro estos inokulitaj sur tiu vorto. Sed, enmakulitaj kaj aliigitaj de maldelikata materialismo, aspirante al la neeblo, t. e. fondi

chies felichon sur rimedojn politikajn kaj richajhsciencajn, la provoj « socialismaj » niatempaj restos senfruktaj, ghis ili prenos kiel regulo la veran spiriton de Jesuo; mi volas diri la idealismon absolutan, tiun principon, lau kiu, por posedi la teron, oni forlasi devas ghin.

La vorto « regholando de Dio » esprimas unuflanke kun nekomuna prospero la bezonon, kiun sentas la animo pri aldono de sorto, de kompenso pro la vivo nuna. Kiu scias chu la lasta limo de la progreso, post milionoj da jarcentoj, ne naskos la konscion absolutan pri la tutmondo, kaj en tiu konscio la revekigho de chio vivinta? Dormado milionjara ne estas pli longa ol dormo unuhora. Jesuo, en chitiu subtezo, estus ankorau prava sciiginte la rebonigon finan por morgau. Estas certe, ke la homaro morala kaj virta havos sian venghon, ke iam la sento de la honesta malrichulo jughos la mondon, kaj tiam la figuro ideala de Jesuo estos la konfuzigo al la frivolulo, kiu ne kredis al la virto; al la egoistulo, kiu ne sciis ghisiri ghin. La vorto preferata de Jesuo restas do plena je eterna beleco. Ia divenarto grandioza shajnas esti teninta ghin en nepreciza altego chirkauprenanta samtempe diversajn ordojn de veroj.

---

## CHAPITRO DEKSESA.

### Fondajhoj de Jesuo.

Kio ja bone pruvas, ke Jesuo neniam forlasis sin tute al siaj ideoj malkovraj, tio estas ke en la tempo mem, kiam li estas plejpriokupata de ili, li jhetas kun neordinara certeco vida la fundamentojn de Eklezio difinata por dauri. Estas malmulte dubeble, ke li mem elektis inter siaj instruatoj tiujn, kiujn oni nomis ghustege la « apostoloj » au la » dekdu », char che la morgaua tago de lia morto, oni trovas ilin formantajn korpuson kaj plenigantajn vochdone la mankojn okazintajn inter ili. Tio estis la du filoj de Jonas, la du filoj de Zebedeo, Jako Kleofasido, Filipo, Nathaelo bar-Tolmaj, Tomaso, Levi filo de Alfeo au Matheo, Simono la Zelotono, Thaddeo au Lebbeo, Judo de Keriotho. Estas kredinde, ke la ideo pri la dekdu gentoj de Israelujo ne estis senrilata al la elekto de tiu nombro. La « dekdu », almenau, formis grupon de partianoj plifavorataj, en kiu Petro konservis sian unuvicecon tute fratan, kaj al kiu Jesuo komisiis la zorgon disvastigi sian aferon. Nenio chitie similis aron pastran regule organizitan; la nomaroj pri la «dekdu », kiuj estas konservitaj ghis ni, prezentas multe da necertoj kaj kontraudiroj; du au tri el tiuj, kiuj estas sur ili restis tute senfamaj. Du almenau, Petro kaj Filipo, estis edzoj kaj havis infanojn.

Jesuo por la dekdu konservis sendube sekretojn, kiujn li malpermesis komuniki al chiuj. Shajnas kelkafoje, ke lia celo estis chirkauigi sin de ia mistero, forjheti la grandajn pruvojn nur post sia morto, malkovri sin nur al siaj instrua-

toj, komisiante al chitiuj la zorgon elmontri lin pli malfrue al la mondo. « Kion mi diras al vi che la ombro, tion prediku che la granda taglumo; kion mi diras al vi apud la orelo, tion proklamu sur la tegmentoj. » Kio estas certa, tio estas ke li vastigis kelkajn komparumojn, kies sencon li lasis nepreciza por la vulgarulo. Shajnigo enigma kaj iom da strangeco en la kunligo de la ideoj estis modaj che la instruado de la doktoroj, kiel oni tion vidas per la sentencoj de *Pirke Aboth*. Jesuo klarigis al siaj intimuloj tion, kion siaj sentencoj au instrufabloj havis da strangeco, kaj liberigis por ili sian instruadon el la lukso de komparoj, kiu ghin malklarigis. Multe da tiuj klarigoj shajnas esti zorge konservitaj.

Tuj de la vivanteco de Jesuo, la apostoloj predikis, sed neniam forighante de li. Ilia predikado ja estis limigita sciigi la baldauan venon de la regholando de Dio. Ili iris de urbo al urbo, ricevante la gastecon, au por plighuste diri ghin prenante de si mem lau la kutimo. La gasto, en Oriento, havas multe da autoritato; li estas supera al la mastro de la domo; chitiu havas al li la plejgrandan konfidon. Tiu predikado che la hejmo estas bonega por la disvastigado de la dogmaroj novaj. Oni komunikas la trezoron kashitan; oni tiel pagas tion, kion oni ricevas; la ghentileco kaj la bonaj rilatoj tion helpante, la hejmanaro estas tushata, konvertata. Formetu la gastamon orientan, la disvastigado de kristismo ne estus klarigebla. Jesuo, kiu tre shatis la malnovajn bonajn morojn, admonis la alighintojn havi nenian skrupulon profitante tiun malnovan rajton publikan, kredeble jam neniigitan che la grandaj urboj, kie estis hoteloj. « La laboristo, li diris, estas inda je sia salajro. » Ekloghinte che iu, ili devis tie resti, manghante kaj trinkante tion, kion oni prezentis al ili, tiel longe kiel dauris sia misio.

Jesuo deziris ke, lau sia ekzemplo, la senditoj de la bona novajho igu ilian predikadon aminda per manieroj bonvolaj kaj ghentilaj. Li volis ke, enirante en iun domon, ili donu al ghi la *selâm* au bondeziron pri felicho. Iuj shancelighis, char la *selâm* estis kiel hodiau, en Oriento, signo de samideaneco

religia, kiun oni ne riskas kun personoj je kredo duba. « Nenion timu, diris Jesuo; se neniu en la domo estas inda je via *selâm*, ghi revenos al vi. » Kelkafoje, la apostoloj de la regholando de Dio ja estis malbone akceptataj, kaj venis plendi al Jesuo, kiu ordinare penis ilin kvietigi. Iuj, konvinkitaj pri la chiopovo de sia majstro, estis ofendataj de tiu ofendtoleremo. La filoj de Zebedeo volis, ke li alvoku la fajron chielan sur la urbojn negastamajn. Jesuo akceptis ilian koleron kun sia delikata ironio, kaj ilin haltigis per chitiu vorto : « Mi ne venis por pereigi la animojn, sed por ilin savi. »

Ghermo de Eklezio de tiam ekvideblighis. Tiu ideo fruktodona pri la povo de la homoj unuigitaj tre shajnas esti ideo de Jesuo. Plena je sia kredo tute idealista, ke kio faras la cheeston de la animoj, tio estas la unuigho per la amo, li sciigis, ke chiam kiam kelkaj homoj kunvenighos en lia nomo, li estos meze de ili. Li komisias al la Eklezio la rajton ligi kaj malligi (t. e. igi iajn aferojn permesitaj au malpermesitaj), pardoni la pekojn, riprochi, averti autoritate, preghi kun certeco esti plenumata. Estas vere, ke multe el tiuj vortoj estas alkalkulitaj al la majstro, por doni fundamenton al la autoritato opa, per kiu oni penis pli malfrue anstatauigi sian. Chiuokaze, nur post lia morto oni vidis fondighi Eklezioj specialaj, kaj ech tiu unua fondigho farighis nur pure kaj simple lau la modelo de la sinagogoj. Kelkaj personoj, kiuj estis multe amintaj Jesuon kaj fondintaj sur lin grandajn esperojn, kiel Jozefo de Arimathio, Lazaro, Mario de Magdala, Nikodemo, ne alighis, chitio shajnas, al tiuj Eklezioj, kaj sin detenadis che la memoro dolcha au respekta, kiun ili konservis de li.

Estas senutile rimarkigi kiel la ideo pri libro religia, enhavanta kodon kaj temojn pri kredo, estis malproksima de de Jesuo. Ne nur li ne skribis, sed ghi estis kontraua al la emo de la sekto naskighanta elfari librojn sanktajn. Oni kredis esti che la antautago de la granda katastrofo fina. La Savonto venis meti la sigelon sur la Leghon kaj la profetojn, ne publikigi tekstojn novajn. Tiel, krom la Malkovro, kiu estis en unu

senco la sola libro malkovrita de la kristismo unuatempa, chiuj aliaj skribajhoj de la epoko apostola estas verkoj cirkonstancaj, havantaj neniel la pretendon liveri kunon dogman tutan. La Evangelioj havis unue karakteron tute privatan kaj autoritaton tre malpli grandan ol la tradicio.

Chu tamen la sekto ne havis ian sakramenton, ian ceremoniaron, ian rekolektigilon? Ghi havis unu, kiun chiuj tradicioj resendas ghis Jesuo. Unu el la ideoj favoraj de la majstro, estis ke ekzistis la nova pano, pano tre supera al la manao, kaj per kiu la homaro estis vivonta. Chitiu ideo, ghermo de eukaristio. prenis kelkafoje en lia busho formojn strange konkretajn. Unu fojon precipe li forlasis sin en la sinagogo de Kafarnaho al movo sentimega, kiu kostis al li kelkajn partianojn. « Jes, jes, mi tion diras al vi, ne *Mosheo*. sed *mia Patro* donis al vi la panon de la chielo. » Kaj li plidiris : « *mi* estas la pano de vivo ; kiu venas al mi, tiu neniam malsatos, kaj kiu kredas min, tiu neniam soifos. » Estas kredeble ke, en la manghoj komunaj de la sekto, farighis ia kutimo, al kiu rilatis tiaj vortoj. Sed la tradicioj apostolaj pri tiu punkto tre disverghas kaj estas kredeble intence neplenaj. La tri unuaj evangelioj supozigas agon sakramentan ununuran, kiu estis la fundamento de la ceremoniaro mistera, kaj ili ghin lokas en la lastan sanktan vespermanghon. Johano, kiu precize konservis al ni la okazintajhon de la sinagogo de Kafarnaho, ne parolas pri tiu ago, kvankam li rakontas la lastan vespermanghon tre longe. Aliloke, ni vidas Jesuon rekonitan per la partumigo de la pano, kvazau chitiu gesto estus por tiuj, kiuj estis vizitadintaj lin, la plej karakteriza de lia persono. Kiam li estis mortinta, la formo, lau kiu li aperis al la pia memoro de liaj alighintoj, estis tiu de prezidanto de festeno mistika, tenanta la panon, ghin benanta, ghin disrompanta kaj ghin proponanta al la cheestantoj. Oni povas kredi, ke chitio estis unu el liaj kutimoj, kaj ke che chitiu momento li estis aminda kaj kortushata. Cirkonstanco materia, la cheesto de fisho sur la tablo (montro frapanta, kiu pruvas ke la ceremoniaro farighis

che la bordo de la lago de Tiberiado), estis ghi mem preskau sakramenta kaj farighis parto necesa el la imagoj, kiujn oni faris al si pri la festeno sankta.

La manghoj estis farighintaj che la kunularo naskighanta unu el la momentoj plejdolchaj. Che chitiu momento, oni interrenkontis; la majstro parolis al chiu kaj daurigis interparoladon plenan je gajeco kaj charmo. Jesuo amis tiun momenton kaj al li plachis vidi sian familion spiritan tiel grupitan chirkau li. La partopreno al la sama pano estis konsiderata kiel ia unuigilo, ia ligilo reciproka. La majstro uzis che chitiu okazo terminojn treege energiajn, kiuj estis pli malfrue prenitaj kun lauvorteco freneza. Jesuo estas samtempe tre idealista en la elpensoj kaj tre materialista en la esprimo. Volante traduki chitiun penson, ke la kredanto vivas nur de li, ke tute (korpe, sange kaj anime) li estis la vivo de la vera fidelulo, li diris al siaj instruatoj : « Mi estas via nutrajho » frazo kiu, aliigita en stilon figuran, farighis : « Mia karno estas via pano, mia sango estas via trinkajho. » Poste la kutimoj lingvajhaj de Jesuo, chiam forte shtofaj, lin forportis pli malproksimen ankorau. Che tablo, montrante la manghajhon, li diris : « Jen mi estas »; tenante la panon : « Chitio estas mia korpo »; tenante la vinon : Chitio estas mia sango; » chiuj parolieloj, kiuj estis la egalsenco de « Mi estas via nutrajho ».

Tiu ceremoniaro mistera akiris dum la vivo de Jesuo grandan gravecon. Ghi estis kredeble fondita sufiche longe antau la lasta vojagho Jeruzalemon, kaj ghi estis la rezultato de dogmaro ghenerala multe pli ol de ago determinita. Post la morto de Jesuo, ghi farighis la granda simbolo de la samideaneco kristana, kaj al la momento plejsolena de la vivo de la Savinto oni rilatigis ghian fondon. Oni volis vidi per la dedicho de la pano kaj de la vino la memorajhon adiauan, kiun Jesuo, che la momento forlasi la vivon, estus lasinta al siaj alighintoj. Oni retrovas Jesuon mem en chitiu sakramento. La ideo tute spirita de la cheesto de la animoj, kiu

estis unu el la plej kutimaj de la majstro, kiu igis lin diri, ekzemple, ke li estas per sia persono che la mezo de siaj alighintoj, kiam ili kunvenas en lia nomo, igis tion facile akceptebla. En la grado de ekscitateco, kiun li estis atinganta, la ideo che li tiel superis chion, ke la korpo jam neniighis. Oni estas unuo, kiam oni interamas, kiam oni vivas unu per la alia; kial li kaj siaj instruatoj ne estus estintaj unuo? Liaj instruatoj alprenis saman lingvajhon. Kiuj dum jaroj, estis vivantaj de li, tiuj lin vidis chiam tenanta la panon, poste la kalikon « inter liaj manoj sanktaj kaj respektegindaj », kaj proponanta sin mem al ili. *Lin* oni manghis kaj trinkis; li farighis la vera Pasko, char la malnova estis nuligita de lia sango. Estas neeble traduki en nian idiomon estece determinitan, che kiu la distingo ghustega de la senco propra kaj de la metaforo devas chiam esti farata, kutimojn stilajn, kies karaktero esteca estas doni al la metaforo, au por pli ghuste diri, al la ideo, plenan realecon.

---

## CHAPITRO DEKSEPA.

### Kontraustaro al Jesuo.

Dum la unua periodo de lia majstrado, ne shajnas, ke Jesuo renkontis kontraustaron seriozan. Lia predikado, dank' al la ekstrema libereco, kiun oni ghuis en Galileo kaj al la multo da majstroj, kiuj starighis el chie, havis brilon nur en rondo da personoj sufiche malgranda. Sed, de la tempo, kiam Jesuo eniris en vojon brilan de sukcesoj publikaj la tondrado ekbruis. Pli ol unufoje li devis kashi sin kaj forkuri. Antipaso tamen malhelpis lin neniam, kvankam Jesuo esprimis kelkafoje tre severe pri li. En Tiberiado, lia loghejo ordinara, la tetrarko estis nur je kvar au ok metromiloj for de la kantono elektita de Jesuo kiel centro de sia agado; li audis paroli pri liaj mirakloj, kiujn li konsideris kredeble kiel jhonglajhoj lertaj, kaj li deziris lin vidi. La nekredemuloj tiam estis tre scivolemaj pri tiaj logoj. Kun lia delikateco ordinara, Jesuo rifuzis. Li bone gardis sin perdighi en mondon malpian, kiu volis tiri de li vanan amuzon; li aspiris gajni nur la popolon; li konservis por la simpluloj rimedojn taugantajn por ili sole.

Unu momenton, la famo disvastighis, ke Jesuo ne estis alia ol Johano-Baptisto revivighinta el la mortuloj. Antipaso ighis zorgema kaj malkvieta; li uzis la ruzon por forigi la novan profeton el siaj reghlandoj. Farizanoj, sub shajno de intereso al Jesuo, venis al li diri ke Antipaso intencis buchigi lin. Jesuo, malgrau sia granda simpleco, vidis la insidon kaj ne foriris. Liaj iradoj tute pacemaj, lia forteno de la agitado popola, fine rekuraghigis la tetrarkon kaj forigis la dangheron.

Neniel oni pensu, ke en chiuj urboj Galileaj la akcepto

farata al la nova dogmaro estis same bonvola. Ne nur la nekredema Nazaretho daurigis forpushi tiun, kiu estis faronta ghian gloron; ne nur liaj fratoj persistis ne kredi lin; la urboj de la lago mem, gheneralе bonvolaj, ne estis chiuj konvertighintaj. Jesuo plendas ofte pro la nekredemo kaj la kormaldolcheco, kiujn li renkontas, kaj kvankam estas nature fari che tiaj riprochoj la parton de ia trograndigo, kiun Jesuo shatis imitante Johanon Baptiston, estas klare, ke la lando havis intencojn tre malproksimajn alighi tute al la regholando de Dio. « Ve al ci, Hhorazino! Ve al ci, Bethsajdo! ekkriis li; char, se Tiro kaj Sido estus vidintaj la miraklojn, al kiuj vi cheestis, jam de longe ili estus pentofarantaj sub la hara vesto kaj sub la cindro. Tial mi diras al vi ke che la jughotago, Tiro kaj Sido havos sorton pli elporteblan ol via. Kaj ci, Kafarnaho, kiu kredas cin levi ghis la chielo, ci estos mallevata ghis la inferoj; char se la mirakloj, kiuj estas faritaj en ci, estus faritaj en Sodomo, Sodomo ekzistus ankorau hodiau. Tial mi diras al ci ke, che la jughotago, kun la lando de Sodomo oni agos malpli severege ol kun ci ». — « La reghino de Saba, aldiris li, starighos che la jughotago kontrau la homoj de chitiu samaghularo, kaj ilin kondamnos, tial ke shi venis de la bordoj de la mondo por audi la saghecon de Salomono; nu, estas chitie pli ol Salomono. La Ninivanoj starighos che la jughotago kontrau chitiu samaghularo kaj ghin kondamnos, tial ke ili pentofaris che la prediko de Jonas; nu, estas chitie pli ol Jonas ». Lia vivo vagema, unue por li plena je charmo, ankau eksharghis lin. « La vulpoj, li diris, havas siajn nestegojn kaj la birdoj chielaj siajn nestojn; sed la filo del homo ne havas ion, sur kion apogi sian kapon ». Li kulpigis la nekredulojn malkonfesi la klarecon, kaj diris, ke ech che la momento, kiam la filo del' homo videblighos en sia procesio chiela, tiam estos ankorau homoj dubantaj pri li.

La baro nevenkebla al la ideoj de Jesuo venis precipe de la judaismo bonreligia, prezentita de la farizanoj. Jesuo forighis pli kaj pli de la malnova Legho. Kaj la farizanoj estis la

veraj Hebreoj, la nervo kaj la forto de judaismo. Kvankam chitiu partio havis sian centron en Jeruzalemo, ghi havis tamen anojn loghantajn en Galileo, au kiuj chi-tien venis ofte. Ili estis ghenerale homoj spiritetaj, zorgantaj multe la eksteron, je pieco malshatema, oficiala, kontenta kaj certa pri si mem. Iliaj manieroj estis ridindaj kaj ridetigis ech tiujn, kiuj ilin respektis. La alnomoj, kiujn donis al ili la popolo, kaj kiuj proksimighas de la karikaturo, tion pruvas.

Estis la « farizano krurkurba » (*nikfi*), kiu marshis sur la stratoj trenante la piedojn kaj ilin renkontigante al la shtonoj; la « farizano fruntsanga » (*kizaj*), kiu iradis okulfermante por ne vidi la virinojn, kaj frapante la frunton al la muroj, tiel ke ili havis ghin chiam sangmakulitan; la « pistilfarizano » (*medukia*), kiu tenis sin faldita kiel la tenilo de pistilo; la « farizano dikshultra (*shikmi*), kiu marshis kun la dorso kurba, kvazaue li portus sur siaj shultroj la sharghon tutan de la Legho; la « farizano *Kio estas farota? mi tuj ghin faros* », chiam esploranta pri instruo plenumota, kaj fine la « farizano kolorigita », che kiu la tuta ekstero de la pieco estis nur lako de hipokriteco. Tiu severmoraleco ja estis ofte nur shajna kaj kashis efektive grandan forlasemon moralan. Tamen la popolo estis de tio trompata. La popolo, kies instinkto chiam estas senartifika, ech kiam ghi eraras plejforte pri la demandoj pri personoj, estas tre facile trompebla de la malveraj piuloj. Tio, kion ghi amas en ili estas bona kaj aminda; sed ghi ne havas sufiche da sagaco por distingi la shajnon el la realeco.

La kontrausento, kiu che mondo tiel pasia kredeble krevis unue inter Jesuo kaj personoj havantaj tiun karakteron, estas facile komprenebla. Jesuo volis nur la religion de la koro, tiu de la farizanoj konsistis preskau sole el plenumoj. Jesuo serchis la humilulojn kaj la forjhetitojn chiaspecajn; la farizanoj vidis en tion insulton al sia religio de bonedukituloj. Farizano estis homo neerarema kaj senpeka, pedanto certa esti prava, prenanta la unuan lokon che la sinagogo, preghanta sur la stratoj, almozanta je sono trumpa, rigardanta chu oni lin salutas. Jesuo subtenis, ke chiu devas atendi la jughon de

Dio kun timo kaj tremo. Malsufichis multe por ke la malbona direkto religia prezentita de la farizanismo regu nekritikate. Multe da homoj antau Jesuo, au samtempe kiel li, tiaj, kiaj Jesuo Sirahhido, unu el la veraj antauuloj de Jesuo de Nazaretho, Gamalielo. Antigono de Soko, la dolcha kaj nobla Hillelo precipe, estis instruintaj dogmarojn religiajn tre altajn kaj jam preskau evangeliajn. Sed tiuj bonaj semoj estis sufokitaj. La belaj sentencoj de Hillelo resumante la tutan Leghon en la justeco, tiuj de Jesuo Sirahhido, konsistigante la religion en la farado del'bono, estis forgesitaj au ekskomunikitaj. Shammajo, kun sia spirito mallargha kaj ekskluziva, estis superinta Amasego da « tradicioj » estis sufokinta la Leghon, sub la preteksto ghin protekti kaj interpreti.

La bataloj de Jesuo kontrau la hipokriteco oficiala estis senchesaj. La reformanto rigidprincipa estas ordinare estece « biblia » deiranta de la teksto nemovebla por kritiki la disciencon ordinaran, kiu progresis de samaghularo al samaghularo. Tiel faris pli malfrue, che la Hebreoj, la karaidoj; che la kristanoj, la protestantoj. Jesuo portis multe pli energie la hakilon al la radiko. Oni vidas lin kelkafoje, estas vere, alvoki la tekston kontrau la malveraj tradicioj de la farizanoj. Sed ghenerale *la konscienco̧n* li alvokas. Per la sama frapo, li tranchas la tekston kaj la komentariojn. Li montras, estas vere, al la farizanoj, ke per iliaj tradicioj ili aliigas grave mosheismon, sed li mem neniel pretendas reiri al Mosheo. Lia celo estis antauen, ne malantauen. Jesuo estis pli ol reformanto de religio maljunighinta; li estis la kreanto de la religio eterna de la homaro.

La disputoj naskighis precipe pri amaso de ceremonioj eksteraj enkondukitaj de la tradicio, kaj kiujn nek Jesuo nek liaj instruatoj plenumis. La farizanoj pro tio vive riprochis al li. Kiam li manghis che ili, li tre skandalis ilin ne submetighante al la akvopurigoj kutimaj. « Almozu, li diris, kaj chio por vi ighos pura ». Kio je la plej alta grado ofendis lian delikatecon, tio estis la shajno certeca, kiun la farizanoj alportis en la oferojn religiajn. ilia pieco malgrandanima,

kiu finighis al vanta esploro pri antauviceco kaj titoloj, neniel al la plibonigho de la koroj. Admirinda komparumo tradukis chitiun penson kun senlima charmo kaj ghusteco. « Iam, diris, du viroj supreniris al la templo por preghi. Unu estis farizano, kaj la alia publikano. La farizano starante diris en si mem : « O Dio, mi dankas al ci, char mi ne estas kiel la aliaj homoj (ekzemple, kiel chitiu publikano), shtelema, nejusta, adulta. Mi fastas dufoje chiusemajne, mi donas la dekonon el chio, kion mi posedas ». La publikano, male, tenante sin for ne kuraghis rigardi al la chielo; sed li frapis sian bruston dirante : « O Dio, estu malsevera al mi, malfelicha pekulo. » Mi tion al vi sciigas, chitiu foriris senkulpigite, sed ne la alia ».

Malamo, kiu povis satighi nur per la morto farighis la sekvo de tiuj bataloj. Johano-Baptisto jam estis kauzinta malamikecon samspecan. Sed la nobeloj de Jeruzalemo, kiuj lin malshatis, lasis la simplulojn lin konsideri kiel profeto. Chitiun fojon la batalado estis ghismorta. Ghi estis nova spirito, kiu aperis en la mondo kaj kiu faligis chion antauinta ghin. Johano-Baptisto estis profunde hebrea; Jesuo tia apenau estis. Jesuo chiam sin turnas al la delikateco de la sento morala. Tuj de Galileo, la farizanoj penadis lin pereigi kaj uzis kontrau li la intrigon, kiu estis prosperonta al ili pli malfrue en Jeruzalemo. Ili provis interesi al sia malpaco la partianojn de la nova ordo politika, kiu estis fondita. La helpoj, kiujn Jesuo trovis en Galileo por forkuri la malfortecon de la regado de Antipaso malprosperigis tiujn provojn. Li iris prezenti sin mem al la danghero. Li bone vidis, ke sia ago, se li restus nur en Galileo, estus nepre limigata. Judeo altiris lin kiel per sorcho; li volis provi lastan penon por gajni la urbon ribelan, kaj shajnis decidi pravigi la proverbon, lau kiu profeto ne devas morti ekstere de Jeruzalemo.

## CHAPITRO DEKOKA.

### Lasta vojagho de Jesuo Jeruzalemon.

De longe Jesuo havis la senton de la dangheroj, kiuj chirkauis lin. Dum tempospaco, kiun oni povas taksi je dekok monatoj, li evitis iri pilgrime Jeruzalemon. Che la festo de la Tabernakloj de la jaro 32a (lau la hipotezo, kiun ni alprenis), liaj parencoj, chiam malbonvolaj kaj nekredemaj, admonis lin tien iri. La evangeliisto Johano shajnas subdiri, ke estis en tiu invito ia projekto lin pereigi. « Malkovru cin al la mondo, ili diris al li; oni ne faras tiujn aferojn en la sekreto. Iru en Judeon, ke oni vidu tion, kion ci scias fari. » Jesuo, malfidante ian perfidajhon, rifuzis unue ; poste, kiam la karavano de la pilgrimantoj estis foririnta, li ekvojiris siaflanke, je la nescio de chiuj kaj preskau sole. Ghi estis la lasta adiauo, kiun li diris al Galileo. La festo de la Tendaroj okazis che la tagnoktegalo autuna. Ses monatoj estis ankorau pasontaj ghis la finigho fatala. Sed dum tiu intertempo Jesuo ne revidis siajn karajn provincojn de la Nordo. La tempo de la dolcheco jam pasis; nun estas devigate trakuri pasho post pasho la vojon doloran, kiu finighos per la korpremegoj de la morto.

Liaj instruatoj kaj la virinoj piaj, kiuj lin servis lin retrovis en Judeo. Sed kiel chio chitie estis aliighinta por li ! Jesuo estis alilandulo en Jeruzalemo. Li sentis, ke tie estis muro kontraustara, kiun li ne trapenetros. Chirkauata de insidoj kaj kontrauparoloj, li estis senchese persekutata de la malbonvolo de la farizanoj. Anstatau la kapablo senlima kredi, felicha donaco de la naturoj junaj, kiun li trovis en Galileo, anstatau la loghantaroj bonaj kaj dolchaj che kiuj la kontrau-

parolo (kiu chiam estas la frukto de iom da malbonvolo kaj de neobeemo) ne havis eniron, li renkontis chitie che chiu pasho nekredemon obstinan, sur kiun la rimedoj, kiuj estis tiel bone prosperintaj al li en Galileo, malmulte efikis. Liaj alighintoj, pro ilia Galileaneco, estis malshatataj. Nikodemo, kiu estis havinta kun li, en unu el liaj antauaj vojaghoj, noktan interparoladon, preskau kompromitis sin che la sinedrio, tial ke li volis lin defendi. « Nu, kiel! ci ankau, ci estas Galileano? oni diris al li. Esploru la Skribajhojn ; chu povas veni profeto de Galileo !

La urbo, kiel ni jam diris, malplachis al Jesuo. Ghis tiam, li chiam estis evitinta la grandajn centrojn, char li plishatis por sia agado la kamparojn kaj la urbojn nemulte gravajn. Kelkaj el la instruoj, kiujn li donis al siaj apostoloj, estis absolute nealmeteblaj ekstere de simpla societo de malgravaj homoj. Havante nenian ideon pri la mondo, alkutimigita al sia aminda komunismo galilea, li sengarde ellasis naivajhojn, kiuj en Jeruzalemo povis shajni strangaj. Lia imagado, lia inklino al la naturo sin trovis mallarghaj en tiuj muregoj. La vera religio ne devis eliri el la tumultado de la urboj, sed el la trankvila sereneco de la kampoj.

La aroganteco de la pastroj igis malagrablaj al li la vestiblojn de la templo. Iam, kelkaj el liaj instruatoj, kiuj konis plibone ol li Jeruzalemon, volis rimarkigi al li la belecon de la konstruajhoj de la templo, la almirindan elektitecon de la materialo, la richecon de la oferajhoj votaj kiuj kovris la murojn. « Vi vidas chiujn tiujn konstruajhojn, li diris; nu, mi chition al vi sciigas, da ili ech unu shtono ne restos sur shtono ». Li rifuzis ion ajn almiri, krom malrichan vidvinon, kiu tiam pasis, kaj jhetis en la almozujon monereton. « Shi donis pli ol la aliaj, li diris; la aliaj donis el sia superfluo; shi el sia necesajho. « Tiu maniero rigardi kritikeme chion faratan en Jeruzalemo, altigi la malrichulon, kiu malmulte donis, malaltigi la richulon, kiu multe donis, mallaudi la pastraron richan, kiu nenion faris por la bono de la popolo, kolerigis kompreneble la kaston pastran. Sidejo de nobelaro

konservativa, la templo, kiel la *haram* mahomedana, kiu sekvis ghin, estis la lasta loko en la mondo, kie la revolucio povis prosperi. Tie estis tamen la centro de la vivo hebrea, la loko, kie oni devis venki au morti. Sur chitiu suferadejo, kie Jesuo certe pli suferis ol sur la Golgoto, liaj tagoj pasis en la disputado kaj la akreco, che la mezo de tedaj disputoj pri la kanonscienco kaj interpreto, pri kiuj lia granda alteco morala donis al li malmulte da supereco, kion mi diras? kreis al li ian malsuperecon.

Che la mezo de tiu vivo malkvieta, la koro sentema kaj bona de Jesuo prosperis krei al si rifughejon, kie li ghuis multon da dolcheco. Pasiginte la tagon per la disputoj templaj, Jesuo malsupreniris vespere en la valon de Cedrono, por iom ripozi en la fruktoghardeno de fondajho kampkultura (kredeble valorigejo oela) nomita *Gethsemani*, kiu estis uzata kiel loko plezura de la loghantoj, kaj iris noktumi sur la monton de la Olivujoj, kiu limigas oriente la horizonton de la urbo. Chitiu flanko estas la sola, en la cirkauajhoj de Jeruzalemo, prezentanta elrigardon iom gajigan kaj verdan. La plantejoj de olivujoj, figarboj kaj palmoj chi tie estis multaj kaj donis siajn nomojn al la vilaghoj, farmbienoj au enfermajho de Bethfego, Gethsemani, Bethanio. Staris sur la monto de la Olivarboj du grandaj cedroj, kies memoro konservighadis longatempe che la Hebreoj disigitaj; iliaj branchoj estis rifughejoj por nuboj da kolomboj, kaj sub ilia ombro lokighis bazaretoj. Chiu tiu chirkauajho estis iel la kvartalo de Jesuo kaj de siaj instruatoj; oni vidas, ke li konis ghin preskau kampon post kampo kaj domon post domo.

La vilagho Bethanio precipe, lokita che la supro de la monteto, sur la deklivo kontrau Mortamaro kaj Jurdeno, je unu horo kaj duono malproksime de Jeruzalemo, estis la loko pliamata de Jesuo. Li tie konatighis kun familio tripersona konsistanta el du fratinoj kaj unu frato, kies amikeco havis por li multe da charmo. El la du fratinoj, unu, nomita Martho, estis persono komplezа, bona, diligenta; la alia, male, nomita Mario, plachis al Jesuo pro ia malfortemeco, kaj pro instinktoj

spekulaj tre disvolvitaj. Ofte, sidante che la piedoj de Jesuo, shi forgesis auskultante lin la devojn de la vivo reala. Shia fratino, tiam, sur kiun refalis la tutan servadon, plendis dolche. « Martho, Martho, diris al shi Jesuo, ci turmentas sin, kaj zorgas pro multe da aferoj ; nu, unu sola estas necesa. Mario elektis la plejbonan parton, kiu ne estos de shi forprenata. » La frato, Eleazar au Lazaro, estis ankau tre amata de Jesuo. Fine, iu Simono la lepra, kiu estis, tio shajnas, partoprenanto en la familio. Tie, che la mezo de pia amikeco, Jesuo forgesis la tedojn de la vivo publika. En chitiu trankvila hejmo, li konsolighis pri la enuoj, kiujn la farizanoj kaj la skribistoj naski al li ne chesigis. Li ofte sidis sin sur la monto de la Olivujoj, kontrau la monto Moria, havante sub la okuloj la belegan perspektivon de la terasoj de la templo kaj de ghiaj tegmentoj kovrataj de lamenoj brilegaj. Chitiu vidajho frapis de almiro la alilandulojn ; che la sunlevigho precipe la monto sankta blindigis la okulojn kaj kvazauis amason da negho kaj oro. Sed profunda sento je malghojo venenis por Jesuo la vidajhon, kiu plenigis chiujn aliajn Izrealidojn je ghojo kaj fiereco. « Jeruzalemo, Jeruzalemo, kiu mortigas la profetojn kaj shtonvundas tiujn, kiuj estas al ci senditaj, li ekkriis che tiuj momentoj maldolchaj, kiom da fojoj mi provis kunigi ciajn infanojn, kiel la kokino rekunigas siajn idojn sub siajn flugilojn, kaj ci ne volis ! »

Oni ne kredu tamen ke kelkaj bonaj animoj, chitie kiel en Galileo, ne lasis sin tushi. Sed tia estis la pezo de la bonreligio superreganta, ke nur tre malmultaj kuraghis tion konfesi. Oni timis senhonorigi sin kontrau la Jeruzalemanoj alighante al la sekto de Galileano. Oni estus riskinta forpeligi sin el la sinagogo, kio che ularo bigota kaj malgrandanima estis la lasta insultego. La ekskomuniko, cetere, kunportis la konfiskon de chiuj bienoj. Ekshebreighante, oni ne Romanighis ; oni restis havanta nenian defendon sub la potenco de legharo pastrarega havanta la plej kruelegan severecon. Unu tagon malsuperaj oficiroj de la templo, kiuj cheestis che unu el la paroladoj de Jesuo kaj de ghi estis logitaj, iris konfidi siajn dubojn al la

pastroj. « Chu iu el la princoj au farizanoj kredis li? oni respondis al ili; tiu tuta popolamaso, kiu ne konas la Leghon, estas kanajlaro malbenita ». Jesuo restis tiel en Jeruzalemo provincano almirita de provincanoj kiel li, sed forpushata de la tuta nobelaro de la nacio. La sektestroj estis tro multaj, ke oni estu ekscitata vidante unu pluan. Lia vocho havis en Jeruzalemo malmulte da gloro. La antaujughoj rasaj kaj sektaj, la malamikoj rektaj al la karaktero de Evangelio, tie estis tro enradikitaj.

Lia instruado en tiu mondo nova shanghighis devigite multe. Liaj belaj predikoj, kies efiko estis chiam mezurata lau la juneco de la imagado kaj la pureco de la konscienco morala de la audantoj, falis chitie sur la shtonon. Li, tiel senghena che la bordo de sia charma lageto, estis ghenata, senorienta kontrau la pedantoj. Li devigite farighis disputadisto, juristo, interpretisto, disciencisto. Liaj kunparoloj, ordinare tiel charmaj, farighis pafado senchesa de disputoj, sekvo senfina de bataloj skolatiskaj. Lia harmonia genio malfortighis per argumentadoj senspritaj pri la Legho kaj la profetoj. Ghenerale, li malembarisighis tre sprite. Kiam la charmo senkompara de lia spirito trovis okazon montrighi, tiam estis triumfoj Unu tagon oni pensis embarasi lin prezentante al li virinon adultan, kaj demandante lin kiel oni devis kun shi agi. Oni scias la admirindan respondon de Jesuo. La sprita mokemo de la mondumano, moderigata de boneco dia, ne povis esprimighi per spritajho pli rava. Sed la spriteco, kiu alligighas al la grandeco morala, estas tiu, kiun la malsaghuloj malplej pardonas. Elparolante tiujn vortojn je gusto tiel ghusta kaj pura : « tiu el vi, kiu estas senpeka, jhetu al shi la unuan shtonon! » Jesuo traboris en la koron la hipokriton, kaj per la sama frapo subskribis sian mortdekreton.

Estas ja kredeble, ke, se ne estus la kolerego kauzita de tiom da spritajhoj maldolchaj, Jesuo longatempe povus restadi nevidate kaj perdighi en la terura fulmontondro, kiu estis baldau forportanta la nacion hebrean tutan. La alta pastraro kaj la sadukanoj havis al li plighuste malshaton ol

malamon. La grandaj familioj pastraj, la *Boethusim*, la familio de Hanan, shajnis vere fanatikaj nur de ripozado. Ne de tia partio povis veni kontraubatalo tre viva kontrau Jesuo. La pastraro oficiala, kun la okuloj turnitaj al la povo politika kaj intime ligita kun li, neniom komprenis pri tiuj movoj entuziasmaj. Ghi estis la burgharo farizana, ghi estis la nekalkuleblaj skribistoj, vivantaj de la scienco de la « tradicioj », kiuj maltrankvilighis kaj kiuj estis efektive minacataj pri siaj antaujughoj kaj utiloj per la dogmaro de la majstro nova.

Unu el la plej konstantaj penoj de la farizanoj estis altiri Jesuon sur la kampon de la demandoj politikaj kaj lin kompromiti en la partion de Judas la Gaulonitidano. La taktiko estis lerta; char la profunda simplanimeco de Jesuo estis necesa por ne esti jam malpacighinta kun la autoritato roma, malgrau lia proklamo pri la regholando de Dio. Oni volis malestigi chitiun dusencon kaj devigi lin sin klarigi. Unu tagon grupo da farizanoj kaj da tiuj politikuloj, kiujn oni nomis « herodanoj » (kredeble *Boethusim*), alproksimighis al li, kaj sub la elrigardo de fervoro pia : « Majstro, ili diris al li, ni scias, ke ci estas verdirema kaj ke ci instruas la vojon al Dio ne zorgante pri iu ajn. Diru al ni tion, kion ci opinias : Chu estas permesate depagi al Cezaro? » Ili esperis respondon donantan pretekston por liveri lin al Pilato. Tiu de Jesuo estas admirinda. Li montrigis al si la figuron moneran : « Redonu, li diris, al Cezaro tion, kio estas al Cezaro, al Dio tion, kio estas al Dio. » Diro profunda, kiu decidis pri la estonteco de kristismo! Diro je spiritualismeco perfekta kaj je ghusteco mirinda, kiu fondis la dividon de la spirita kaj de la monda regno, kaj kiu metis la fundamenton de la vera liberamo kaj de la vera civilizeco.

Lia dolcha kaj enighema genio inspiris al li, kiam li estis sola kun siaj instruatoj, vortojn plenajn je charmo : « Vere, vere, mi tion chi diras al vi, kiu ne eniras tra la pordo en la shafejon, tiu estas shtelisto. Kiu eniras tra la pordo, tiu estas la vera shafisto. La shafinoj audas lian vochon ; li alvokas

ilin chiun per shia nomo kaj ilin kondukas en la pashtejojn; li iras antau ili, kaj la shafinoj lin sekvas, tial ke ili konas lian vochon. La fripono venas nur por elshteli, por buchi, por detrui. La dungato, al kiu la shafinoj ne apartenas, vidante veni la lupo, forlasas la shafinojn kaj forkuras. Sed mi, mi estas la bona shafisto; mi konas miajn shafinojn; miaj shafinoj min konas; kaj mi donas mian vivon por ili. » La ideo pri baldaua solvo pri la krizo de la homaro al li revenis ofte : « Kiam la figarbo, li diris, kovrighas je junaj branchetoj kaj de folioj malfirmaj, vi scias ke somero proksimighas. Alten rigardu, kaj vidu la mondon; ghi estas blanka por la rikolto. »

Lia forta bonparoleco retrovighis chiufoje, kiam estis bezone batali la hipokriton :

« Sur la predikejo de Mosheo sidas la skribistoj kaj la farizanoj. Faru tion, kion ili diras al vi; sed ne faru, kiel ili faras; char ili diras kaj ne faras. Ili kunfaras sharghojn pezajn, neporteblajn, kaj ili metas ilin sur la shultrojn de aliaj; pri ili, ili ne volus movi ilin per la ekstremajho de la fingro.

« Ili faras siajn chiujn farojn por esti vidataj de la homoj : ili promenas kun longaj roboj; ili portas larghajn filakterojn(1); ili havas grandajn randajhojn sur siaj vestoj; ili amas havi la unuajn lokojn che la festenoj kaj la unuajn seghojn che la sinagogoj, esti salutataj sur la stratoj kaj nomataj « majstro ». Ve al ili!...

« Ve al vi, skribistoj kaj farizanoj hipokritaj, kiuj forprenis la shlosilon de la scienco kaj uzas ghin nur por fermi al la homoj la regholandon de la chieloj! Tien vi ne eniros, kaj v malhelpas la aliajn tien eniri. Ve al vi, kiuj englutas la domojn de la vidvinoj, kvazauante longajn preghojn! Via jugho estos proporcia. Ve al vi, kiuj trakuras la landojn kaj la marojn por gajni varbiton, kaj kiuj scias fari ghin nur gehenano! Ve al vi,

(1) Metalfolioj au banderoloj pergamenaj, enhavantajn lokojn el la Legho, kiujn la Hebreoj piaj portadis alligitajn al la frunto kaj al la brako maldekstra. *Noto del verk.*

char vi estas kiel la tombujoj, kiuj ne aperas, kaj sur kiuj oni marshas nesciante (1)!

« Malsaghuloj kaj blinduloj, kiuj pagas la dekonon pro trunketo de mento, de fenikulo, de kumeno, kaj kiuj malzorgas ordonojn multe pli gravajn, la juston, la kompaton, la sinceron! Jen la instruoj, kiujn vi devus esti plenumintaj; la aliaj, estas bone ne malzorgi ilin. Gvidistoj blindaj, kiuj filtras sian vinon por ne engluti insekton, kaj kiuj englutas kamelon, ve al vi! »

« Ve al vi, skribistojn kaj farizanoj hipokritaj! Char vi purigas la eksteron de la pokalo kaj de la plado (2); sed la internon, kiu estas plena je forrabemo kaj avidemo, vi ne zorgas. Farizano blinda, lavu unue la internon; poste ci pensos pri la pureco ekstera.

« Ve al vi, skribistoj kaj farizanoj hipokritaj! Char vi similas al la tombaj monumentoj blankigitaj (3), kiuj ekstere shajnas belaj, sed kiuj interne estas plenaj je ostoj de mortuloj kaj de chia putrajho. Shajne vi estas bonkondutaj; sed funde vi estas plenaj de shajnigemo kaj de peko.

« Ve al vi, skribistoj kaj farizanoj, kiuj konstruas la tombujojn de la profetoj, kaj ornamas la monumentojn de la bonkondutuloj, kaj kiuj diras : « Se ni estus vivintaj en la tempo de niaj prapatroj, ni ne estus partoprenintaj kun ili che la mortigo pri la profetoj! » Ha! vi do konfesas, ke vi estas la idoj de tiuj, kiuj mortigis la profetojn. Nu, finu plenigi la mezuron de viaj patroj. La Sagho de Dio estis tre prava dirante : « Mi sendos al vi profetojn, saghulojn, scienculojn; vi mortigos kaj krucumos unujn, vi vipigos la aliajn en viaj sinagogoj, vi persekutos ilin de urbo post urbo; por ke iam refalos sur vin la tutan sangon senkulpan disvershitan sur la teron, de la sango de Abelo la justulo ghis la sango

(1) La altusho tomba igis nepura.

(2) La purigo de la teleraro estis submetata, che la farizanoj, al reguloj plej malsimplaj.

(3) Char la tombaj monumentoj estis nepuraj, oni kutime blankigis ilin per kalko, por averti ne al ili proksimighi.

de Zahhario Barahhido, kiun vi buchis inter la templo kaj la altaro. » Mi chition al vi diras, al la samaghularo nuna tiun tutan sangon estos repetata. »

Lia dogmo terura pri la anstatauigho de la idolanoj. tiu ideo, ke la regholando de Dio estis baldau transdonota al aliaj, char tiuj, al kiuj ghi estis difinita, ne volis ghin, revenis kiel minaco ofendega kontrau la nobelaro, kaj lia titolo je filo de Dio, kiun li konfesis malkashe che vivaj komparumoj, che kiuj líaj malamikoj ludis la rolon de mortigintoj de la senditoj chielaj, estis ekscitigo al la judaismo legha. La alvoko sentima, kiun li turnis al la humiluloj estis pli ribela ankorau. Li sciigis, ke li venis por lumigi al la blinduloj kaj blindigi tiujn, kiuj kredas vidi. Unu tagon lia malbona humoro kontrau la templo fortiris al li diron nesingardan : « Tiu templo konstruita per homa mano, li diris, mi povus, se mi volus, ghin detrui, kaj en tri tagoj mi rekonstruus alian ne konstruitan de homa mano. » Oni ne scias kian signifon Jesuo alligis al tiu diro, kie liaj lernantoj serchis alegoriojn nenaturajn. Sed, char oni volis nur unu pretekston, la diro estis rapide raportata. Ghi estos che la konsiderajhoj de la mortodekreto pri Jesuo, kaj resonos al lia orelo inter la maltrankvilegoj lastaj sur Golgotho. Tiuj diskutoj incitantaj chiam finighis per koleregoj. La farizanoj jhetis al li shtonojn, per kio ili nur plenumis artikolon de la Legho, ordonanta shtonbuchi neauskultinte chiun profeton, ech miraklofaran, kiu deturnus la popolon de la malnova kulto. Alifoje ili nomis lin frenezulo, posedato, samariano, au provis ech lin buchi. Oni notis liajn parolojn por alvoki kontrau li la leghojn de pastrarego netolerema, kiujn la rego roma ne estis ankorau nuliginta.

## CHAPITRO DEKNAUA.

### Intrigoj de la malamikoj de Jesuo.

Jesuo pasigis la autunon kaj parte la vintron en Jeruzalemo. Chitiu sezono estas sufiche malvarma. La portiko de Salomono, kun siaj aleoj kovritaj, estis la loko, kie li promenis kutime. Tiu portiko konsistis el du galerioj, formitaj de tri vicoj de kolonoj, kaj kovritaj de plafono el ligno skulptita. Ghi superis la valon de Cedrono, kiu estis kredeble malpli embarasata de elshutajho ol nun. La okulo, de la alto de la portiko, ne mezuris la fundon de la valeto, kaj shajnis pro la deklivajhoj, ke profundegajho malfermighis perpendikle sub la muro. La alia flanko de la valo jam posedis sian ornamajhon el luksaj tombujoj. Iuj el tiuj monumentoj, kiujn oni vidas hodiau estis eble tiuj kvazautombujoj (1) en la honoro de la malnovaj profetoj, kiujn Jesuo montris per la fingro, kiam sidante sub portiko li tondris kontrau la klasoj oficialaj, kiuj shirmis malantau tiuj amasoj kolosaj sian hipokritecon au sian vantecon.

Che la fino de la monato decembro, li solenis en Jeruzalemo la feston fonditan de Juda Makhhabeo en la memoro de la purigo de la templo post la malpiegajhoj de Antiohhus Epifano. Oni ghin nomis ankau la « festo de la Lumiloj », tial ke dum la ok tagoj tiufestaj oni tenis che la domoj lampojn brulantajn. Jesuo entreprenis iom poste vojaghon Pereon kaj sur la bordojn de Jordano, t. e. en la landojn mem, kiujn li estis vizitinta kelkaj jaroj antaue, kiam li sekvis la sekton de

(1) Tombujo malplena starigita je la memoro de mortinto, kies korpon oni ne havas.

Johano, kaj kie li mem donis la bapton. Tie li kolektis chitio shajnas, kelkajn konsolojn, precipe en Jerihho. Chitiu urbo, chu char ghi estis kapvojo tre grava, chu pro siaj ghardenoj de bonodoroj kaj siaj richaj kulturajhoj, havis limdepagan postenon sufiche grandan. La chefkolektisto. Zahheo, richulo, deziris vidi Jesuon. Char li estis malaltkreska, li supreniris sur sikomoron apud la vojo, sur kiu la sekvantaro estis traironta. Jesuo kortushighis pro la naiveco de persono shatinda. Li volis eklogi che Zahheo, ech kun la risko skandali. Oni ja multe murmuris vidante lin honori per sia vizito la domon de pekulo. Forirante, Jesuo sciigis sian mastron bona Abrahamido, kaj, kvazaue por aldoni al la kolereto de la bonreligiuloj, Zahheo farighis sanktulo : li donis, oni diris, la duonon de siaj bienoj al la malrichuloj kaj rebonigis duoble la domaghojn, kiujn li povis esti farinta. Tio ne estis cetere la sola ghojo de Jesuo. Che la elirejo de la urbo, la almozulo Bartimeo faris al li multe da plezuro lin nomante obstine « Davidido », kvankam oni ordonis al li silentighi. La ciklo de la mirakloj galileaj shajnis unu momenton remalfermighi en chitiu lando, kiun multe da similajhoj rilatigis al la provincoj de la Nordo. La agrablega oazo de Jerihho, tiam sufiche akvohava, estis kredeble unu el la plej belaj lokoj en Sirio. Fl. Jozefo parolas pri ghi kun tiel sama admiro kiel pri Galileo, kaj ghin nomas, kiel chitiun lastan provincon « lando dia ».

Jesuo plenuminte tiun specon de pilgrimo al la lokoj de sia unua agado profeta, reiris al sia restadejo kara de Bethanio. La kolerego de liaj malamikoj estis plenega. De tiam, konsilighantaro estis kunigata de la pastrestroj, kaj en chitiu konsilighantaro la demandon oni klare starigis : Chu Jesuo kaj judaismo povas kunvivi? Starigi la demandon, estis ghin solvi, kaj ech ne estante profeto, kiel tion volas la evangeliisto, la chefpastro tre kredeble elparolis sian aksiomon sangan : « Utilas ke unu homo mortu por la tuta popolo. »

« La tiujara chefpastro », por uzi esprimon de la kvara evangeliisto, kiu tre bone tradukas la staton malaltan, al kiu estis malgrandigita la chefpastrecon, estis Jozefo Kajafa,

enoficita de Valerius Gratus kaj tute sindona al la Romanoj. De tiam, kiam Jeruzalemo dependis de la prokuratoroj, la chefpastreco farighis ofico eksigebla; la eksigoj sin sekvis preskau chiujare. Kajafa tamen starigadis sin pli longe ol la aliaj. Li prenis sian oficon en la jaro 25a, kaj ghin perdis nur en la jaro 36a. Oni nenion scias pri lia karaktero. Multe da circonstancoj emigas kredi, ke lia povo estis nur noma. Flanke de kaj super li ni ja chiam vidas alian personon, kiu shajnas esti havinta, che la momento decidiga, kiu nin okupas, povon plipezan.

Chitiu persono estis la bopatro de Kajafa, Hanan au Annas, filo de Setho, maljuna chefpastro eksigita, kiu che la mezo de tiu nekonstanteco de la chefpastreco konservis malsuprajhe la tutan autoritaton. Hanan estis ricevinta la chefpastrecon de la legato Kvirinius, en la jaro 7a de nia tempokalkulo. Li perdis sian oficon en la jaro 14a, che la ekrego de Tibero; sed li restis tre shatata. Oni daurigis nomi lin « chefpastro », kvankam li estis eksterofica, kaj konsilighi kun li pri chiuj demandoj gravaj. Dum kvindek jaroj, la chefpastreco restadis preskau seninterrompe en lia familio, kvin el liaj filoj ricevis intersekve tiun rangon, nekalkulante Kajafon, kiu estis lia bofilo. Tio estis, kion oni nomis la « familio pastra », kvazaue la pastreco farighus hereda. La grandaj oficoj de la templo estis ankau al ili preskau chiuj donataj. Alia familio, estas vere, alternis kun tiu de Hanan en la chefpastreco; ghi estis tiu de Boethus. Sed la *Boethusim*, kiuj dankis la devenon de sia richeco al kauzo sufiche malmulte honora, estis tre multe malpli shatataj de la burgharo pia. Hanan do estis efektive la estro de la partio pastra. Kajafa faris chion nur lau li; oni kutimis alligi iliajn nomojn, kaj ech tiu de Hanan chiam estis la unuemetata. Oni ja komprenas, ke sub tiu regado de chefpastreco chiujara kaj transdonita alterne lau la kaprico de la prokuratoroj, unu maljuna pastro konservinta la sekreton de la tradicioj, vidinta intersekvi multe da richecoj pli freshaj ol sia, kaj konservinta sufiche da autoritato por delegigi la potencon al personoj, kiuj lau la familio estis de

li dependantaj, estis kredeble grava persono. Kiel la tuta nobelaro de la templo, li estis sadukano, « sekto, diras Fl. Jozefo, speciale malmola en siaj jughoj, » Chiuj liaj filoj estis ankau varmegaj persekutemuloj. Unu el ili, nomita kiel sia patro Hanan, shtonbuchigis Jakon, frato de la Sinjoro en cirkonstancoj, kiuj ne estas sen rilato kun la morto de Jesuo. La emo de tiu familio estis fiera, sentimega, kruela; ghi havis tiun specon specialan de malboneco malshatema kaj kashema, kiu karakterizas la politikon hebrean. Tial sur Hananon kaj la siajn devas pezi la respondeco de chiuj agoj sekvontaj. Hanano (au, se oni volas, la partio, kiun li prezentis) mortigis Jesuon. Hanano estis la aktoro chefa en chitiu dramo terura, kaj tre plimulte ol Pilato li devus porti la pezon de la malbenoj de la homaro.

En la bushon de Kajafa la evangeliisto shatas loki la vorton decidigan, kiu okazigis la sentencon mortigan pri Jesuo. Oni supozis, ke la chefpastro posedis ian povon pri profetado; la vorto tiel farighis por la kunularo kristana oraklo plena je sencoj profundaj. Sed tia vorto, kiu ajn estu tiu, kiu ghin elparolis, estis la penso de la tuta partio pastrara. Tiu partio estis tre malfavora al la ribeloj popolaj. Ghi penadis haltigi la entuziastojn religiajn, antauvidante prave ke per iliaj predikoj ekscitaj ili kauzus la ruinighon tutan de la nacio. Kvankam la agitado naskita de Jesuo havis nenion mondan, la pastroj vidis kiel sekvo lasta de tiu agitado pligrandigon de la jugo roma kaj la renverson de la templo, fonto de siaj richecoj kaj honoroj. Certe la kauzoj, kiuj estis okazigontaj tridek-sep jaroj poste la ruinighon de Jeruzalemo estis aliloke ol che la kristanaro naskighanta. Ili estis en Jeruzalemo mem, kaj ne en Galileo. Tamen oni ne povas diri, ke la tialo pretendita, en chitiu cirkonstanco, de la pastroj estis tiel ekstere de la vershajno, ke oni devis vidi en tio malsincerecon. Lau senco ghenerala, Jesuo, se li estus prosperonta, alkondukis reale la ruinighon de la nacio hebrea. Deirante de principoj akceptitaj unuamove de la tuta malnova politiko, Hanano kaj Kajafa do rajtis dirante : « Plibona estas la morto de unu homo ol la ruinigho

de unu popolo. » Tio estas rizono lau ni malshatinda. Sed tiu rizono estis tiu de la partioj konservativaj depost la deveno de la socioj homaj. La « ordopartio » (mi uzas tiun esprimon lau la senco mallargha kaj malgrandanima) chiam estis la sama. Pensante ke la lasta vorto de la regado estas malhelpi la ekscitighojn popolajn, ghi kredas agi patriote antauzorgante per la mortigo jura la elvershadon tumultan de la sango. Maltre zorgema pri la estontajho, ghi ech ne pensas ke militante chian iniciaton, ghi riskas ofendi la ideon iam triumfontan. La mortigo Jesuon estis unu el la mil uzoj de tiu politiko. La movado, kiun li direktis, estis tute spirita; sed ghi estis movado; sekve la ordanoj, konvinkitaj ke la necesego por la homaro estas ne agitighi, devis malhelpi la novan emon disvastighi. Neniam oni vidis per pli frapanta ekzemplo kiel tia konduto iras kontrau sia celo. Lasita libera, Jesuo estus konsumighinta pro batalado malespera kontrau la neeblo. La malamo neinteligenta de liaj malamikoj decidis pri la prospero de lia afero kaj surmetis la sigelon al ghia dieco.

La morto de Jesuo tiel estis decidita tuj de la monato februaro au de la komencigho de marto. Sed Jesuo forkuris ree por kelka tempo. Li foriris al urbo malmulte konata, nomita Efrajmo au Efron, al Bethelo, malproksima de apenau unu tagmarsho de Jeruzalemo. Li tie vivis kelkajn semajnojn kun siaj alighintoj, lasante forpasi la koleradon. Sed la ordonoj por lin aresti, tuj kiam oni rekonos lin en Jeruzalemo estis donitaj. La soleno de Pasko baldauighis, kaj oni pensis, ke Jesuo lau sia kutimo venos soleni tiun feston en Jeruzalemon.

## CHAPITRO DUDEKA.

### Lasta semajno de Jesuo.

Li efektive ekiris kun siaj alighintoj, por revidi lastan fojon la urbon nekredeman. La esperoj de lia chirkauularo estis pli kaj pli ekscitighantaj. Chiuj kredis suprenirante al Jeruzalemo, ke la regholando de Dio tie estis elmontrighonta. Char la malpieco de la homoj estis plenega, chitio estis granda signo, ke la konsumigho estis baldaua. La konvinko pri tio estis tia, ke oni jam interdisputis pro la antauviceco che la regholando. Ghi estis, oni diras, la momento, kiun Salomeo elektis por peti por siaj filoj la du sidejojn dekstre kaj maldekstre de la Filo de l'Homo. La majstro male estis premata de gravaj pensoj. Kelkafoje li lasis travideblighi venghemon negajecan; li rakontis la komparumon pri nobelo, foririnta por ricevi regholandon che landoj malproksimaj; sed li estas apenau ekirinta, ke liaj samlandanoj jam ne lin volas. La regho revenas, ordonas, ke oni alkonduku antau lin tiujn, kiuj ne volis ke li reghu ilin, kaj ilin chiujn buchigas. Alifoje, li detruis rekte la erarojn de la alighintoj. Iam, kiam ili marshis sur la vojoj shtonhavaj de la nordo de Jeruzalemo, Jesuo pensante antauiris la grupon de siaj kunirantoj. Chiuj rigardis lin silente, timante, kaj ne kuraghante lin demandi. Jam che diversaj okazoj li parolis al ili pri siaj suferoj estontaj, kaj ili auskultis lin kontrauvole. Jesuo fine ekparolis, kaj jam ne kashante al ili siajn antausentojn, li al ili parolis pri sia finigho baldaua. Tio okazigis grandan malgajecon che la tuta anaro. La alighintoj esperis vidi baldau videblighi la signon en la nuboj. La krio malfermfesta de la regholando de Dio : « Benata estu tiu, kiu venas en

la nomo de la Sinjoro, » resonis jam che la anaro kun tonoj ghojaj. Chitiu sanga antauvido ilin konfuzigis. Che chiu pasho sur la vojo pereiga la regholando de Dio proksimighis au forighis en la fantazio de iliaj revoj. Pri li, li konfirmighis en la penso, ke li estis tuj mortonta, sed ke lia morto savos la mondon. La malkomprenigho inter li kaj liaj alighintoj farighis che chiu momento pli profunda.

La kutimo estis veni Jeruzalemon kelkajn tagojn antau la Pasko, por al ghi pretighi. Jesuo alvenis post la aliaj, kaj unu momenton liaj malamikoj kredis sin senigitaj je la espero, kiun ili havis, lin kapti. La sesan tagon antau la festo (sabate, 8an de nisan : 28an de marto), li atingis fine Bethanion. Li ekloghis, lau sia kutimo, en la domo de Lazaro, Martho kaj Mario, au de Simono la Leprulo. Oni faris al li grandan akcepton. Okazis che Simono la Leprulo vespermangho al kiu kunvenis multe da personoj, altiritaj de la deziro lin vidi. Martho servis, lau sia kutimo. Shajnas ke oni penis per duobligo da respektajhoj eksteraj venki la alsensentecon de la publiko kaj marki forte la altan rangon de la gasto, kiun oni akceptis. Mario, por doni al la festeno pligrandan elrigardon festan, eniris dum la verspermangho, portante vazon da bonodoro, kiun shi disigis sur la piedojn de Jesuo. Shi rompis poste la vazon, lau malnova kutimo, kiu konsistis pecigi la teleraron, kiun oni uzis por trakti fremdulon altrangan. Fine pushante la homaghojn de sia honorado al trograndigoj ghis tiam nekonataj, shi terenkushighis kaj vishis per siaj longaj haroj la piedojn de sia majstro. La domo plenighis je la bonodoro, je la granda ghojo de chiuj, escepte tiun de la avara Juda de Keriotho. Konsiderante la kutimojn shparemajn de la kunularo, tio estis vere malshparo. La kasisto avida tuj kalkulis kiom la bonodoron oni estus povinta vendi, kaj kiom ghi estus profitinta al la kaso de la malrichuloj. Tiu sento malmulte ama, kiu shajnis meti ion super li, malplachis al Jesuo. Li amis la honorojn, char la honoroj utilis lian celon kaj fondis lian titolon de Davidido. Tial, kiam oni parolis al

li pri la malrichuloj, li respondis sufiche vive : « Malrichulojn vi havos chiam kun vi; sed *min* vi ne havos chiam. » Kaj ekscitighante, li promesis la senmortecon al la virino kiu, en tiu momento kritika, donis al li garantiajhon de amo.

La posttagon (dimanchon, 9an de nisan), Jesuo malsupreniris de Bethanio Jeruzalemon. Kiam, che la kurbo de la vojo, sur la supro de la monto de la Olivujoj, li vidis la urbon malvolvighantan antau li, li ploris, oni diras, pri ghi, kaj turnis al ghi lastan alvokon. Che la malsupro de la monto, je kelkaj pashoj malproksime de la pordego, enirante en la zonon najbaran de la murego orienta de la urbo, kiun oni nomis *Bethfage*, sendube pro la figarboj, je kiuj ghi estis surplantita, li havis ankorau momenton de kontentigho homa. La bruo de lia alveno estis disighinta. La Galileanoj venintaj al la festo sentis de tio multe da ghojo kaj pretigis al li triumfeton. Oni alkondukis al li azeninon sekvitan lau la kutimo de shia ido. La Galileanoj sternis anstatau tegajho siajn plejbelajn vestojn sur la dorson de tiu senluksa rajdajho, kaj lin sursidigis. Aliaj dume disvolvis siajn vestojn sur la vojon kaj ghin kovrigis je branchetoj verdaj. La popolamaso, kiu lin antauiris kaj sekvis portante palmojn, kriis : « Hosanna al la Davidido ! benata estu tiu, kiu venas en la nomo de l'Sinjoro ! Kelkaj personoj ech donis al li la titolon de regho de Israelujo. « Rabbi, silentigu ilin », diris al li la farizanoj. « Se ili silentighus, la shtonoj krios » respondis Jesuo, kaj li eniris la urbon. La Jeruzalemanoj, kiuj apenau konis lin, demandis pri kiu, li estas : « Li estas Jesuo, la profeto de Nazaretho en Galileo », oni respondis al ili. Jeruzalemo estis urbo chirkaue 50.000 anima. Okazeto, kiel la eniro de alilandulo iom fama, au la alveno de bando da provincanoj, au movo de la popolo al la aleoj de la urbo, ne povis manki en la cirkonstancoj ordinaraj, esti rapide disfamigata. Sed, en la tempo de la festoj, la konfuzo estis treega. Jeruzalemo en tiu tagoj apartenis al la fremduloj. Tial inter chitiuj lastaj la eksciteco shajnas esti estinta plejviva. Varbitoj grekeparolantaj, venintaj al la festo, farighis scivoligitaj, kaj volis vidi Jesuon. Ili sin turnis

al liaj alighintoj; oni ne bone scias tion, kio rezultis el tiu intervidigho. Pri Jesuo, lau sia kutimo, li iris noktumi en sian karan vilaghon Bethanio. La tri sekvantajn tagojn (lunde, marde, merkrede), li malsupreniris same Jeruzalemon; post la sunkushigho li resupreniris jen al Bethanio, jen al la farmdomoj sur la flanko okcidenta de la monto de la Olivujoj, kie li havis multe da amikoj.

Granda malgajeco shajnas en tiuj chi lastaj tagoj esti pleniginta lian animon ordinare tiel gajan kaj trankvilan. Chiuj rakontoj konsentas por alkalkuli al li antau lia arestatigho momenton de shanceligho kaj konfuzo, specon de agonio antaua. Lau unuj li estus subite ekkriinta : « Mia animo estas konfuza. Ho Patro, savu min el chitiu horo! » Oni kredis, ke en tiu momento vocho el la chielo audighis; aliaj diris, ke anghelo venis lin konsoli. Lau unu rakonto tre disa, la farigho estus okazinta che la ghardeno de Gethsemani. Jesuo, oni diris, forighis je unu shtonjheto for de siaj partianoj dormantaj, prenante kun li nur Kefas' on kaj la du Zebedeidojn. Tiam li preghis kun la vizagho sur la tero. Lia animo estis malgaja ghis la morto; korpremo terura pezis sur lin, sed la submetigho al la volo dia supervenkis. Kio estas certa, tio estas, ke dum liaj lastaj tagoj, la sharghego de la misio, kiun li estis akceptinta, pezis kruele sur Jesuon. La naturo homa revekighis momente. Li eble ekdubis pri sia afero. La teruro, la shanceligho ekkaptis lin kaj faligis lin en malfortighon pli malbonan ol la morto. La homo, kiu oferis al granda ideo la ripozon kaj la rekompencojn rajtajn de la vivo, sentas chiam momenton je returno malgaja, kiam la figuro de la morto prezentighas al li por la unua fojo, kaj penas konvinki lin, ke chio estas vana. Eble kelkaj el la kortushantaj memorajhoj, kiujn konservas la animoj plejfortaj, kaj kiuj che momentoj trapikas ilin kvazau glavo, venis al li en chitiu momento. Chu li rememoris la klarajn fontojn de Galileo, kie li povus malsoifighi; la vinarbon kaj la figujon, sub kiuj li povus sidighi; la junulinojn, kiuj eble konsentus lin ami? Chu li malbenis sian akran sorton, kiu malebligis al

li la ghojojn donatajn al chiuj aliaj? Chu li bedauris pro sia tro alta naturo, kaj, suferanto pro sia grandeco, chu li ploris, char li ne restis simpla metiisto en Nazaretho? Oni tion nescias. Char chiuj chitiuj konfuzoj restis videble ne konataj de liaj lernantoj. Ili nenion prikomprenis, kaj anstatauigis per naivaj konjektoj tion, kio estis por ili malklara en la granda animo de ilia majstro. Estas certe almenau, ke lia naturo dia baldau resuperis. Li povis ankorau eviti la morton : tion li ne volis. La amo al sia afero venkis. Li akceptis trinki el la kaliko ghis la fechon. De nun, Jesuo retrovighas ja tuta kaj sen konfuzo. La subtiloj de la disputisto, la kredemo de la miraklofaristo kaj de la demonforigisto estas forgesitaj. Restas nur la heroo senkompara de la Suferrakonto, la fondinto de la rajtoj de la konscienco libera, la modelo perfekta, kiun chiuj animoj suferantaj meditos por fortikighi kaj konsolighi.

La triumfo de Bethfage, tiu kuraghego de provincanoj, festantaj la altighon de sia regho-mesio, finis incitegi la farizanojn kaj la nobelaron de la templo. Nova konsiligho okazis la merkredon (12an de nisan) che Jozefo Kajafa. La aresto tuja Jesuon decidighis. Granda sento de ordamo kaj de polico konservativa inspiris chiujn antauzorgojn. Estis bezone eviti skandalon. Char la festo de Pasko, kiu komencighis tiun chi jaron vendrede vespere, estis momento de obstrukcio kaj ekscitigho, oni decidis antaui tiujn tagojn. Jesuo estis populara; oni timis ribelon. La aresto estis do fiksita al la morgaua jhaudo. Oni decidis ankau ne forpreni lin che la templo, kien li venis chiutage, sed sekrete observi liajn kutimojn, por lin kapti en ia loko sekreta. La agentoj de la pastroj sondis la partianojn, esperante ekhavi informojn utilajn el ilia malfortigho au simpleco. Ili trovis tion, kion ili serchis en Juda de Keriotho. Chitiu malfelichulo pro agigoj neklarigeblaj perfidis sian majstron, donis la montrojn necesajn, kaj ech prenis sur sin (kvankam tia malmodereco de maldankeco estas apenau kredebla) konduki la bandon, kiu devis fari la areston. La abomenmemoro, kiun la malsagho au la malboneco de chitiu viro lasis en la tradicio kristana kredeble enshovis chitien ian

trograndigon. Juda ghis tiam estis alighinto kiel la aliaj; li ech havis la titolon de apostolo. La legendo, kiu volas nur kolorojn tre markitajn, povis akcepti en la samideanaro nur dekunu sanktulojn kaj unu damniton. La realeco ne procedas per kategorioj tiel nepraj. La avareco, kiun la unuvidaj donas kiel agigo al la krimo, pri kiu ni parolas, ne sufichas por ghin klarigi. Estus strange ke viro tenanta la kason, kaj kiu scianta, kion li estis perdonta per la morto de la estro, estus elshanghinta la profitojn de sia ofico kontrau tre malgranda sumo da mono. Chu Juda estis ofendita en sia propra amo de la riprocho, kiun li ricevis che la vespermangho de Bethanio? Tio ankorau ne sufichas. Johano volus igi lin shtelulo, nekredanto de la komenco, kio havas nenian vershajnon. Oni pliamas kredi pri ia sento de jhaluzo, ia malkonsento interna. La malamo speciala, kiun Johano vidigas kontrau Juda, konfirmas tiun hipotezon. Havante koron malpli puran ol la aliaj, Juda estus preninta, tion neekvidante, la sentojn mallarghajn de de sia ofico. Pro kaprico tre ordinara che la oficoj agemaj, li kredeble ghisiris meti la utilojn de la kaso super la aferon mem, al kiu ghi estis difinata. Kredeble la administranto estas mortiginta la apostolon. La murmuro, kiun li forlasas en Bethanio shajnas supozigi, ke kelkafoje li trovis, ke la majstro tro kostis al la familio spirita. Sendube tiu malgrandanima shparemo estis naskinta che la kunulareto multe da aliaj ofendoj.

Chiu minuto en tiu momento farighas solena kaj estis pli grava ol jarcentoj tutaj en la historio de la homaro. Ni alvenas al la jhaudo, 13a de nisan (2a de aprilo). La morgauau tagon vespere komencighis la festo Paska, per la festeno, en kiu oni manghis la shafidon. La festo dauris la sep sekvantajn tagojn, dum kiuj oni manghis la macojn. La unua kaj la lasta el la sep tagoj havis karakteron specialan de soleneco. La alighintoj jam estis okupataj de la klopodoj por la festo. Pri Jesuo, oni inklinas kredi, ke li konis la perfidon de Juda, kaj ke li suspektis la sorton, kiu atendis lin. La tiutagan vesperon li manghis kun siaj alighintoj sian

lastan manghon. Ghi ne estis la festeno ceremoniara de la Pasko, kiel oni tion supozis pli poste, erarante de unu tago; sed por la Eklezio unuatempa, la vespermangho jhauda estis la vera Pasko, la sigelo de la interligo nova. Chiu partiano pri tio raportis siajn plej karajn memorojn, kaj multe da faroj kortushantaj, kiujn chiu konservis de la majstro estis amasigitaj sur tiun manghon, kiu farighis la fundamento de la pieco kristana kaj la forirpunkto de la plej fruktodonaj fondoj.

Nenia dubo ja estas ebla, ke la amo dolcha je kiu la koro de Jesuo estis plena por la malgranda Eklezio, kiu chirkauis lin, estis superfluanta en tiu momento. Lia animo serena kaj forta trovighis malpeza sub la shargho de la malgajigaj prikokupoj, kiuj lin sieghis. Li tiam havis vorton por chiu el siaj amikoj. Du el ili, Johano kaj Petro precipe, estis la objekto de vivaj signoj de alligiteco. Johano (li almenau tion chi certigas) kushis sur la divano, apud Jesuo, kaj lia kapo ripozis sur la brusto de la majstro. Chirkau la fino de la mangho la sekreto, kiu pezis sur la koron de Jesuo preskau preterlasighis de li. « Vere, li diris, mi chition al vi diras, unu el vi min perfidos. » Tio farighis por tiuj homoj naivaj korprema momento; ili sin rigardis unuj la aliajn, kaj chiu demandis sin. Juda cheestis; eble Jesuo, kiu de kelkatempe havis tialojn por malfidi lin, provis per tiu diro eltiri el liaj rigardoj au de lia sinteno ghenata la konfeson pri lia kulpo. Sed la alighinto malfidela ne konfuzighis; li kuraghis ech, oni diras, demandi kiel la aliaj : « Chu estus mi, rabbi ? »

Dume, la animo senartifika de Petro estis en turmentego. Li faris signon al Johano, ke li provu scii pri kiu la majstro parolis. Johano, kiu povis kunparoli kun Jesuo neaudate, demandis lin pri la vorto de tiu enigmo. Jesuo, havante nur suspektojn, volis elparoli neniun nomon; li nur diris al Johano bone rimarki tiun, al kiu li tuj prezentos panon trempitan. Samtempe, li trempis panon kaj ghin prezentis al Juda. Johano kaj Petro sole havis sciigon pri la faro. Jesuo turnis al Juda kelkajn vortojn enhavantajn ofendegan riprochon, sed kiuj ne estis komprenataj de la cheestantoj. Oni kredis ke

Jesuo donis al li ordonojn pri la festo morgaua, kaj li foriris.

Che la momento mem, tiu mangho neniel impresis iun ajn, kaj, krom la timoj, kiujn la majstro konfidenciis al la alighintoj, kiuj komprenis nur duone, nenio eksterordinara okazis. Sed, post la morto de Jesuo, oni allasis al tiu vesperkunveno sencon strange solenan, kaj la imago de la kredantoj disigis sur ghin kolorigilon de dolcha mistikeco. Kion oni plejbone rememoras pri persono kara, tio estas ghiaj lastaj tempoj. Pro iluzio neevitebla, oni donas al la kunparoloj, kiujn oni havis tiam kun ghi, sencon, kiuj ili prenis nur per la morto; oni proksimigas en kelkajn horojn la memorojn de kelkaj jaroj. La plimulto el la alighintoj jam ne vidis sian majstron post la vespermangho, pri kiu ni jhus parolis. Ghi estis la adiaua festeno. En chitiu mangho tiel same, kiel che multe da aliaj, Jesuo plenumis sian riton misteran pri la pandisrompo. Char oni kredis frue, ke la mangho priparolata havis lokon la tagon de Pasko kaj estis la festeno paska, la ideo venis nature, ke la fondo eukaristia farighis en chitiu momento plejgrava. Deirante de la hipotezo, ke Jesuo sciis antaue precize la momenton de sia morto, la alighintoj estis emigataj supozi, ke li rezervis por siaj lastaj horoj amason da agoj gravaj. Char, cetere, unu el la ideoj fundamentaj de la unuaj kristanoj estis, ke la morto de Jesuo estis ofero, anstatauanta tiun de la Ekslegho, la « sankta vespermangho », kiun oni supozis pasintan unu fojon por chiuj la antautagon de la Suferado, farighis la ofero plejaltgrada, la ago fonda de la nova interligo, la signo de la sango disvershita por la savo de chiuj La pano kaj la vino, rilatigitaj kun la morto mem, farighis tiel la figuro de la Testamento nova, kiun Jesuo sigelis de siaj suferoj, la memorigo pri la ofero de Kristo ghis lia altigho.

Alta sento de amo, konsento, kompato, la cedemo reciproka ja animis la memorojn, kiujn oni kredis konservi el la lastaj horoj de Jesuo. Ghi estas iam la unueco de sia Eklezio, farita de li au de lia spirito, kiu estas la animo de la simboloj kaj de la paroladoj, kiujn la tradicio kristana datumigis ghis tiu

momento sankta. « Mi donas al vi ordonon novan, li diris : t. e. ami vin unuj la aliajn kiel mi vin amis. La signo, per kiu oni rekonos, ke vi estas miaj alighintoj, estos ke vi amis vin reciproke. Mi ja ne nomas vin servistoj tial, ke la servisto ne ricevas la konfidencion de sia mastro, sed mi nomas vin miaj amikoj tial, ke mi komunikis al vi chion, kion mi sciighis de mia Patro. Kion mi ordonas al vi, tio estas ami vin unuj la aliajn. » Che chitiu lasta momento kelkaj konkuroj kaj disputoj pro antauviceco okazis ree Jesuo rimarkigis ke, se li, la majstro, estis estinta inter siaj lernantoj kiel ilia servisto, des pli juste ili devis submetighi unuj al la aliaj. Lau kelkaj, trinkante la vinon, li estus dirinta : « Mi jam ne gustumos chitiun frukton de la vinarbo, ghis mi trinkos ghin novan kun vi en la regholando de mia Patro. » Lau aliaj, li estus promesinta al ili baldauan festenon chielan, kie ili sidus sur tronoj che liaj flankoj.

Shajnas ke, chirkau la finigho de la vesperkunveno, la antausentoj de Jesuo enighis en liajn instruatojn. Chiu sentis, ke grava danghero minacas al la majstro, kaj ke oni ektushas krizon. Unu momenton Jesuo pensis pri kelkaj antauzorgoj kaj parolis pri glavoj. Da ili estis du en la kunularo. « Ili sufichas, » li diris. Li donis neniun sekvon al tiu ideo ; li bone konvinkighis, ke timemaj provincanoj ne kontraustarus kontrau la armitularoj de la grandaj potencoj de Jeruzalemo. Kefas, plena je koro kaj kredante sin certa pri si mem, jhuris, ke li iros kun li en malliberejon kaj al la morto. Jesuo, kun sia spriteco ordinara, esprimis al li kelkajn dubojn. Lau unu tradicio, devenanta kredeble de Petro mem, Jesuo ghin difinis che la kanto de koko. Chiuj tiel same, kiel Kefas, jhuris, ke ili ne malfortighos.

# CHAPITRO DUDEK-UNUA.

## Aresto kaj proceso Jesuon.

La nokto estis tutighinta, kiam oni eliris el la chambro. Jesuo, lau sia kutimo, trairis la valeton de la Cedrono, kaj iris kunirate de kelkaj lernantoj en la ghardenon de Gethsemani, che la malsupro de la monto de la Olivujoj. Li tie sidighis. Superante siajn amikojn de sia senlima supereco, li maldormis kaj preghis. Ili dormis apud li, kiam subite bando armita prezentighis che la lumo de torchoj. Ghi estis la policanoj de la templo, armitaj de bastonoj, speco de brigado polica, kiun oni estis lasinta al la pastroj; ili estis plifortigataj de soldatoj romaj kun iliaj glavoj; la ordono aresta devenis de la chefpastro kaj de la sinedrio. Juda, konante la kutimojn de Jesuo, estis montrinta chitiun lokon kiel tiu, kie oni povis lin surprizi plifacile. Juda mem, lau la unuanima tradicio de la unuaj tempoj, akompanis la tachmenton, kaj ech lau kelkaj li estus pushinta la abomenon ghis elekti kiel signon de sia perfido unu kison. Kio ajn estu pri chitiu cirkonstanco, estas certe, ke okazis ekmalcedon de la instruatoj. Unu el ili (Petro, lau atestantoj cheestintaj) eltiris la glavon kaj vundis che la orelo unu el la servistoj de la chefpastro nomitan Malek. Jesuo haltigis chitiun unuan movon. Li liveris sin mem al la soldatoj. Malfortaj kaj nekapablaj agi kun sekvo, precipe kontrau la autoritatoj, kiuj havis tiom da allogo, la instruatoj forkuris kaj disighis. Sole, Petro kaj Johano ne forlasis vide sian majstron. Alia junulo nekonata lin sekvis, kovrata de vesto maldensa. Oni volis lin aresti: sed la junulo forkuris lasante sian tunikon en la manoj de la policanoj.

La vojo, kiun la pastroj estis decidintaj persekuti kontrau Jesuo, estis tre konforma al la juro fondita. Ilia plano estis konvinki lin, per informigho atestanta kaj liaj propraj konfesoj, pri blasfemo kaj atenco kontrau la religio moshea, kondamni lin je la morto lau la legho, poste aprobigi de Pilato la kondamnon. La autoritato pastrara, kiel ni jam diris, estis fakte tute en la manoj de Hanan. La arestordono venis kredeble de li. Al tiu potenca persono, oni Jesuon kondukis unue. Hanan demandis lin pri lia dogmaro kaj liaj sektanoj. Jesuo rifuzis kun prava fiereco enighi en longajn klarigojn. Li reportis lin al sia instruado, kiu estis publika; li sciigis sin havinta nenian dogmaron sekretan; li invitis la ekschefpastron demandi tiujn, kiuj estis lin auskultintaj. Chitiu respondo estis perfekte natura; sed la respekto troa, de kiu la ekschefpastro estis chirkauata, shajnigis ghin kuraghega; unu el la cheestantoj respondis al ghi, oni diras, per survango.

Petro kaj Johano estis sekvintaj sian majstron ghis la loghejo de Hanan. Johano, kiu estis konata en la domo, estis akceptata senpene; sed Petron oni haltigis che la enirejo, kaj Johano estis devigata peti la pordistinon, lasi lin eniri. La nokto estis malvarma. Petro restis che la antauchambro kaj proksimighis al fajrujo, chirkau kiu la servistoj estis revarmigantaj sin. Oni baldau lin rekonis kiel instruaton de la kulpato. La malfelichulo, perfidata de sia elparolo galilea, persekutata de la demandoj de la servistoj, el kiuj estis parenco de Malek, kiu lin estis vidinta en Gethsemani, neis trifoje havi iam ian rilaton kun Jesuo. Li pensis, ke Jesuo ne povus lin audi, kaj li ne pensis, ke chitiu malkuraghajho kashita enhavis grandan maldelikatecon. Sed lia bona natureco malkovris al li baldau la kulpon, kiun li jhus faris. Cirkonstanco okaza, la kanto de koko, rememorigis al li la vorton, kiun Jesuo estis al li dirinta. Tushate en la koron, li eliris kaj ekploris maldolche.

Hanan, kvankam autoro vera de la mortigo jura plenumighonta, ne havis povon por elparoli la mortigordonon kontrau Jesuo; li resendis lin al sia bofilo Kajafa, kiu portis la titolon

oficialan. Chitiu viro, ilo blinda de sia bopatro, estis nature chion aprobonta. La sinedrio estis kunighanta che li. La informigho komencighis; kelkaj atestantoj antaupretigitaj venis antau la jughistaron. La vorto pereiga, kiun Jesuo reale estis dirinta : « Mi detruos la templon de Dio, kaj mi ghin rekonstruos en tri tagoj », estis citata de du cheestintoj. Blasfemi la templon de Dio estis lau la legho hebrea blasfemi Dion mem. Jesuo silentis kaj rifuzis klarigi la parolon kulpigan. Tio estis ghenerale, en chitiu lasta momento, lia konduta regulo. La decido estis prenita; oni jam serchis nur pretekstojn. Jesuo tion sentis, kaj ne entreprenis defendon senutilan. Lau la vidmaniero de judaismo bonreligia, li estis vere blasfeminto, detruanto de la religio fondita; nu, tiuj krimoj estis de la legho punataj per morto. Unuvoche la kunveno eldiris lin kulpa je krimo chefa. La anoj de la konsilighantaro, kiuj inklinis sekrete al li, forestis au ne vochdonis. La frivoleco ordinara de la nobelaroj de longe starigitaj ne ebligis al la jughantoj pripensi longe pri la sekvoj de la dekreto, kiun ili eldonis. La vivo homa tiam estis oferata tre malserioze; sendube la sinedrianoj ne pensis, ke iliaj filoj estos al posteularo kolerigita tialigontaj la decidon elparolitan kun tiel senzorga malshato.

La sinedrio ne rajtis plenumi mortigordonon. Sed, en la konfuzo pri povoj, kiu tiam regis en Judeo, Jesuo tamen estis en chitiu momento kondamnito. Li restadis la ceteron de la nokto elmetata al la malbonaj agoj de servistaracho, kiu ne shparis al li ian insulton.

Matene, la estroj de la pastroj kaj la eminentuloj rekunvenis. Estis koncernate aprobigi de Pilato la kondamnon eldiritan de la sinedrio, kaj tushitan de nesuficheco depost la okupo de la Romanoj. La prokuratoro ne havis la rajton, kiel la legato imperia, pri vivo kaj morto. Sed Jesuo ne estis regnano roma; sufichis la permeso de la guberniestro, por ke la decido eldonita kontrau li plenumeblighu. Kiel okazas chiufoje, kiam popolo politika submetas nacion, kie la legho civila kaj la

legho religia estas konfuzataj, la Romanoj estis tiel alkondukitaj doni al la legho hebrea specon de apogo oficiala. La juro roma ne estis almetata al la Hebreoj. Chitiuj restis sub la juro kanona, kiun ni trovas citita che la Talmudo, tiel same kiel la Araboj en Algerio estas ankorau regataj de la kodo de islamo. Kvankam neutralaj pri la religio, la Romanoj sankciis tiel tre ofte punojn rigardatajn kiel kulpoj religiaj. Fl. Jozefo pretendas (sed certe pri tio oni povas dubi) ke, se Romano transiris la kolonojn portantajn surskribajhojn malpermesantajn al la idolanoj antaueniri, la Romanoj mem liveris ilin al la Hebreoj, ke ili lin mortigu.

La policanoj de la pastroj ligis do Jesuon kaj lin alkondukis al la pretorejo, kiu estis la ekspalaco de Herodo, kunliga kun la turo Antonia. Tiam estis la mateno de la tago, en kiu oni devis manghi la shafidon paskan (vendredo, 14a de nisan : 3a de aprilo). La Hebreoj estus malpurigintaj sin enirante la pretorejon kaj estus ne povantaj partopreni en la festeno sankta. Ili restis ekstere. Pilato, sciigita pri ilia cheesto, supreniris al la *bima* au jughejo lokita en plena aero, che la loko, kiun oni nomis *Gabbatha* au en la greka *Lithostrotos*, pro la kahelaro, kiu kovris la teron.

Apenau informite pri la kulpigo, li elvidigis sian malbonan humoron esti miksita kun chitiu afero. Poste, li enfermis sin en la pretorejo kun Jesuo. Tie havis lokon kunparolado, kies detaloj precizaj mankas al ni tial, ke neniu cheestinto povis ghin diri al la skolanoj, sed kies koloro shajnas esti bone divenita de Johano. Lia rakonto ja perfekte akordighas kun tio, kion la historio sciigas al ni pri la situacio reciproka de la du kunparolantoj.

La prokuratoro Pontius, alnomita Pilatus, sendube pro la *pilum* au jhetponardo honora, je kiu li au unu el siaj prapatroj estis ordenita, estis havinta ghis tiam neniun rilaton kun la sekto naskighanta. Sensenta al la malpacoj de la Hebreoj, li vidis en chiujn tiujn movojn de sektuloj nur la kauzitajhojn de imagoj malmoderaj kaj de cerboj eraraj. Ghenerale, li ne amis la Hebreojn. Sed la Hebreoj lin malamis pli multe ankorau;

ili trovis lin maldolcha, malshatema, kolerema; ili kulpigis lin je krimoj nevershajnaj. Centro de granda fermentado popola. Jeruzalemo estis urbo tre ribelema kaj por alilandulo neelportebla restadejo. La eksciteloj pretendis, ke estis che la prokuratoro intenco decidita neniigi la leghon hebrean. Ilia fanatikeco mallargha, iliaj malamoj religiaj indignigis la larghan senton pri justeco kaj regado civila, kiun la Romano ech plej malboneta portadis chien kun si. Chiuj agoj de Pilato konataj de ni montras lin kiel bona administristo. Che la unuaj tempoj de la plenumo de sia ofico, li havis kun la administratoj malhelpojn, kiujn li solvis tre brute, sed che kiuj shajnas ke, pri la fundo de la aferoj, li estis prava. La Hebreoj kredeble shajnis al li homoj tre malantauaj; li opiniis pri ili sendube kiel prefekto liberama opiniis iam pri la Malalt-bretonoj ribelantaj pro nova vojo au pro la fondo de lernejo. En siaj plejbonaj projektoj pri la bono de la lando, nome pri chio rilatanta al la laborajhoj publikaj, li estis renkontinta la Leghon kiel baron netransireblan. La Legho enpremis la vivon ghis tia grado, ke ghi kontraustaris al chia aliigo kaj chia plibonigo. La konstruajhoj romaj ech la plej utilaj estis por la Hebreoj fervoraj la objekto de granda kontrausento. Du shildetoj votaj kun surskribajhoj, kiujn li estis almetiginta al sia loghejo, kiu estis najbara de la zono sankta, kauzis koleregadon ankorau pli perfortan. Pilato unue malmulte zorgis pri tiuj ofendsentemoj; li vidis sin tiel enmiksata en revenghadoj sangaj, kiuj pli poste fine okazigis lian eksigon La sperto pri tiom da konfliktoj igis lin tre singarda en siaj rilatoj kun popolo rilatmalfacila, kiu venghis sin pri siaj ordonantoj devigante ilin uzi kontrau ghi severegojn malamindajn. La prokuratoro vidis sin kun superega malplezuro alkondukita ludi en chitiu nova afero rolon kruelan pro unu legho, kiun li malamis. Li sciis, ke la fanatikeco religia, kiam ghi estas ricevinta ian perforton de la registaroj civilaj, estas poste la unua por pezigi sur ilin ghian respondecon, preskau pro tio ilin kulpigi. Superega maljustajho, char la vera kulpinto en tia okazo estas la instiginto!

Pilato estus do dezirinta savi Jesuon. Eble la sinteno nobla kaj kvieta de la kulpigito lin impresis. Lau unu tradicio, Jesuo estus trovinta apogon en la propra edzino de la prokuratoro. Chitiu eble estis videtinta la dolchan Galileanon de ia fenestro de la palaco, rigardanta al la kortoj de la templo. Eble shi lin revidis songhe, kaj la sango de chitiu bela junulo, kiu estis vershota, donis al shi songhachon. Kio estas certa, tio estas ke Jesuo trovis Pilaton antaujughantan lin favore. La guberniestro lin demandis kun boneco kaj kun la intenco serchi chiujn rimedojn por lin resendi senkulpigita

La titolo de « regho de la Hebreoj », kiun Jesuo neniam al si estis doninta, sed kiun siaj malamikoj prezentis kiel la resumo de lia rolo kaj pretendoj, estis kompreneble tiu, per kiu oni povis eksciti la suspekton de la autoritato roma. Per tio, kiel ribela kaj kulpa je krimo kontrauregna, oni ekkulpigis lin. Nenio estis pli malghusta, char Jesuo chiam estis konfesinta la imperion roman kiel potencon starigitan. Sed la partioj religiaj konservemaj ne havas la kutimon posteniri antau la kalumnio. Oni tiris malgrau li chiujn sekvojn de lia instruado; oni aliformigis lin sektano de Juda la Gaulonitidano; oni pretendis, ke li malpermesis pagi la depagon al Cezaro. Pilato demandis lin, chu li estas vere la regho de la Hebreoj. Jesuo nenion kashis pri tio, kion li pensis. Sed la granda dusenco, kiu estis farinta lian forton, kaj kiu post lia morto estis fondonta lian reghecon, lin pereigis chitiun fojon. Idealisto, t. e. ne distingante la spiriton kaj la materion, Jesuo, kun la busho armita de sia glavo dutranchranda, lau la figuro de la Malkovro, neniam rekuraghigis tute la potencojn de la tero. Se oni devas kredi Johanon, li estus konfesinta sian reghecon, sed elparolinte samtempe chitiun profundan vorton: « Mia regholando ne estas en chitiu mondo. » Poste li estus klariginta la naturecon de sia regheco, resumighanta tute en la posedo kaj la proklamo de la vero. Pilato nenion komprenis pri tiu idealismo supera. Jesuo donis al li sendube la impreson de revemulo sendanghera. La manko tuta de varbemo religia kaj filozofia che la Romanoj tiamaj igis ilin rigardi la sindonon al la vero kiel kimero.

Tiuj disputadoj tedis ilin kaj shajnis al ili sensencaj. Ne vidante kiun fermentilon dangheran al la imperio kashighis en la spekuloj novaj, ili havis nenian tialon por uzi la perforton kontrau ili. Ilia tuta malkontento falis tute sur tiujn, kiuj venis peti de ili suferigojn pro senutilaj subtiloj. Dudek jaroj poste, Gallion lauis ankorau la saman konduton kun la Hebreoj. Ghis la ruinigho de Jeruzalemo, la regulo administra de la Romanoj estis restadi tute sensentaj pri tiuj malpacoj de de sektanoj inter si.

Rimedo prezentighis en la spirito de la guberniestro por konsentigi siajn proprajn sentojn kun la postuloj de la popolo fanatika, kies premon li jam tiom da fojoj sentis. Estis kutime, pro la festo de Pasko liberigi al la popolo unu malliberulon. Pilato, sciante ke Jesuo estis arestita nur pro la jhaluzeco de la pastroj, provis lin profitigi je tiu kutimo. Li aperis de nove sur la *bima*, kaj proponis al la popolamaso forlasi la « reghon de la Hebreoj ». La propono farita per tiuj terminoj havis samtempe ian karakteron larghecan kaj ironian. La pastroj vidis ghian dangheron. Ili agis rapide, kaj, por kontraustari la proponon de Pilato, ili inspiris al la popolamaso la nomon de malliberulo, kiu ghuis en Jeruzalemo grandan popularecon. Per stranga hazardo, li estis nomata ankau Jesuo kaj havis la alnomon de Bar-Abba au Bar-Rabban. Li estis persono tre konata; li estis arestita sekve de ribelo akompanita de mortigo. Krio ghenerala lautighis : « Ne tiun; sed Jesuon Bar-Rabban. » Pilato estis devigata liberigi Jesuon Bar-Rabban.

Lia embaraso pligrandighis. Li timis, ke tro multe da malsevereco pri kulpigito, al kiu oni donis la titolon je « regho de la Hebreoj » lin kompromitu. La fanatiko ja alkondukas chiujn potencojn kuntrakti kun ghi. Pilato kredis sin devigata doni kelkajn cedajhojn; sed, reshanceligante disvershigi sangon por kontentigi homojn, kiujn li malamis, li volis aliigi la aferon en komedion. Afektante ridi pro la titolo luksa, kiun oni donis al Jesuo, li vipigis lin. La vipado estis la antaufaro ordinara de la kruca turmentego. Eble Pilato volis lasi kredi, ke chitiu kondamno jam estis eldonita, esperante tamen ke la antaufaro

sufichos. Tiam havis lokon, lau chiuj rakontoj, sceno indigniga. Soldatoj metis sur la dorson de Jesuon kazakon rughan, kaj sur la kapon kronon formitan el branchoj dornaj, kaj kanon en la manon. Oni alkondukis lin tiel vestachitan sur la tribunon, kontrau la popolo. La soldatoj defilis antau li, lin survangis chiu che sia vico, kaj diris genufleksante: « Saluton, regho de la Hebreoj! » Aliaj, oni diras, krachis sur lin kaj frapis lian kapon per la kano. Oni komprenas malfacile, ke la seriozemeco roma permesis al si agojn tiel hontindajn. Estas vere, ke Pilato kiel prokuratoro havis sub siaj ordonoj por tiel diri nur bandojn helpajn. Regnanoj romaj, kiel estis la legiuloj, ne estus malaltighintaj ghis tiaj malindajhoj.

Chu Pilato kredis per tiu parado protekti sian respondecon? Chu li esperis deturni la baton, kiu minacis Jesuon konsentante ion al la malamo de la Hebreoj, kaj anstatauigante la finighon tragedian per finigho ridindega el kiu shajnis rezulti, ke la afero ne meritis alian? Se tia estis lia penso, ghi havis nenian sukceson. La tumulto grandighis kaj farighis vera ribelo. La krioj: « Li estu krucumata! li estu krucumata! » resonis de chiuj flankoj. La pastroj uzante tonon pli kaj pli postulantan eldiris, ke la Legho estas en danghero, se la deloginto ne estus punata je morto. Pilato vidis klare ke, por savi Jesuon, estus necese haltigi ribelon sangan. Li tamen provis gajni tempon. Li reeniris en la pretorejon, informighis pri kiu lando estis Jesuo, serchante pretekston por rifuzi sian kompetentecon. Lau unu tradicio, li ech estus sendinta Jesuon al Antipas, kiu, oni diras, tiam estis en Jeruzalemo. Jesuo malmulte komplezis je tiuj penoj bonvolaj; li obstinis tiel same, kiel che Kajafa, en silento nobla kaj serioza, kiu mirigis Pilaton. La krioj el la ekstero farighis pli kaj pli minacaj. Oni jam denuncis la malmulton da fervoro de la oficisto, kiu protektis malamikon de Cezaro. La plej grandaj malamikoj de la rego roma trovighis aliformitaj en regatoj lojalaj de Tibero, por havi la rajton kulpigi je moshtofendo la prokuratoron tro tolereman. « Estas chitie, ili diris, neniu regho krom la imperiestro, kiu ajn faras sin regho, tiu kontrau-

staras al la imperiestro. Se la guberniestro senkulpigas lin, ghi estas tial, ke li ne amas la imperiestron. » La malforta Pilato kontrau tio ne staris; li antaulegis la raporton, kiun siaj malamikoj sendus Romon, kaj per kiu oni kulpigus lin esti helpinta konkuranton al Tibero. Jam, en la afero pri la shildetoj votaj, la Hebreoj estis skribintaj al la imperiestro kaj pravigitaj. Li timis pro sia ofico. Pro cedemo, kiu estis liveronta lian nomon al la vipoj de la historio, li cedis forjhetante, oni diras, sur la Hebreojn la tutan respondecon pri tio, kio estis okazonta. Chitiuj, lau la diro de la kristanoj, tion estus plene akceptintaj, ekkriante : « Lia sango refalu sur nin kaj sur niajn idojn ! »

Chu chitiuj vortoj estis vere elparolataj? Pri tio oni povas dubi. Sed ili estas la esprimo de profunda verajho historia. Vidinte la sintenadon, kiun la Romanoj estis prenintaj en Judeo, Pilato apenau povis fari alion ol tion, kion li faris. Kiom da mortigdekretoj diktitaj de la netoleremo religia perfortis la manon al la potenco civila ! La regho de Hispanujo, kiu por komplezi al pastraro fanatika liveris al shtiparo centojn el siaj regatoj, estis pli mallaudinda ol Pilato ; char li riprezentis potencon pli plenan, ol ankorau estis tiu de la Romanoj en Jeruzalemo. Kiam la potenco civila igas sin persekutanto au zorgiganto pro la peto de la pastro, ghi montras malfortecon. Sed la registaro, kiu pri tio estas senpeka, jhetu al Pilato la unuan shtonon. La potenco nereligia, post kiu shirmighas la krueleco pastrara, ne estas la kulpanto. Neniu estas akceptebla diri, ke li havas la sangabomenon, kiam ghi estas ghin vershiginta per siaj servistachoj.

Do nek Tibero, nek Pilato kondamnis Jesuon. Sed la malnova partio hebrea, la legho moshea. Lau la ideoj nuntempaj, estas nenia transigo de la malindeco morala de la patro al la filo ; chiu respondecas al la jugho homa kaj al la jugho dia nur pro tio, kion li faris. Sekve chiu hebreo, kiu suferas ankorau pro la mortigo Jesuon rajtas plendi; char eble li estus Simono la Kureneano; eble almenau li ne estus kun tiuj, kiuj kriis : « Krucumu lin ! » Sed la nacioj havas sian respondecon

kiel la individuoj. Nu, se iam krimo estis la krimo de unu nacio, ghi estis la morto de Jesuo. Tiu morto estis « legha », en tiu senco, ke ghi havis kiel unuan kauzon leghon, kiu estis la animo mem de la nacio. La legho moshea lau sia formo nuntempa, estas vere, sed konsentita, eldonis la mortigpunon kontrau chiu provo por shanghi la religion starigitan. Nu, Jesuo, sen ia dubo, atakis tiun religion kaj aspiris ghin detrui. La Hebreoj ghin diris al Pilato kun sincereco simpla kaj vera: « Ni havas unu Leghon, kaj lau chitiu Legho, li devas morti; char li sin faris Filo de Dio. » La legho estis malshatinda; sed ghi estis la legho de la kruelegeco antikva, kaj la heroo, kiu oferis sin por ghin nuligi, devis antau chio ghin suferi.

Ho ve! estos necesaj pli ol dekok cent jaroj, por ke la sango, kiun li estas vershinta, portu siajn fruktojn. En lia nomo, dum jarcentoj, oni almetos turmentegojn kaj la morton al pensuloj tiel noblaj, kiel li. Hodiau ankorau, che la landoj, kiuj diras sin kristanaj, punoj estas eldirataj pro kulpoj religiaj. Jesuo ne estas respondantebla pro tiuj eraroj. Li ne povis antauvidi, ke tia popolo kun la imagado erara lin elpensos iam kiel malbonega Molohho, avida je karno brulanta. Kristanaro estis maltolerema; sed la maltoleremeco ne estas fakto estece kristana. Ghi estas fakto hebrea, lau chi tiu senco ke judaismo starigis por la unua fojo la teorion de la absoluto pri religio kaj metis la principon, ke chiu noviganto, ech kiam li alportas miraklojn por apogi sian instruon, devas esti akceptata kun shtonjhetoj, shtonbuchata de chiu nejughite. Certe la mondo idolana havis ankau siajn perfortojn religiajn. Sed se ghi estus havinta tiun leghon, kiel ghi estus kristanighinta? La Kvinlibro tiel estis en la mondo la unua kodo de terurado religia. Judaismo donis ekzemplon de dogmo nemovebla, armita de glavo. Se anstatau persekuti la Hebreojn kun malamo blinda, kristanaro estus neniiginta la reghimon, kiu mortigis ghian fondinton, kiel ghi estus pli kunsekva, kiel ghi estus pli inda je la homa gento!

---

## CHAPITRO DUDEK-DUA.

### Morto de Jesuo.

Kvankam la agigo reala de la mortigo Jesuon estis tute religia, liaj malamikoj estis prosperintaj che la pretorejo lin prezenti kulpa je krimo kontrauregna. ili ne estus ricevintaj de la skeptika Pilato kondamnon pro alikredo. Kunsekvaj kun tiu ideo, la pastroj igis la popolamason demandi por Jesuo,la turmenton krucuman.Chitiu turmento ne estis hebrea devene; se la kondamno de Jesuo estus pure moshea, oni al li estus almetinta la shtonbuchon. La krucumo estis turmento roma, rezervata por la sklavoj kaj por la okazoj, kiam oni volis aldoni al la morto la pligravigon de la malgloro. Ghin almetante al Jesuo, oni agis kun li tiel same, kiel kun la shtelistoj de chefvojoj, la rabistoj, la malbonuloj, au tiel same, kiel kun tiuj malamikoj malaltrangaj al kiuj la Romanoj ne konsentis la honorojn de la morto perglava. La kimeran « reghon de la Hebreoj », ne la dogman alikredanton, oni punis. Sekve de la sama ideo, la ekzekuton oni devige forlasis al la Romanoj. Oni scias, ke che la Romanoj, char la soldatoj havis la buchmetion, ili ankau havis la oficon de ekzekutistoj. Jesuo estis do liverata al bando da soldatoj helpaj, kaj la tuta malamindeco de la turmentoj enkondukitaj de la moroj kruelaj de la novaj almilitintoj disvolvighis por li. Estis chirkau tagmeze. Oni vestigis lin per liaj vestoj, kiujn oni estis deprenintaj de li por la parado sur la tribuno, kaj char la bando jam havis provize du shtelistojn, kiujn ghi devis ekzekuti, oni kunigis la tri kondamnitojn, kaj la sekvantaro ekmarshis al la ekzekutejo.

Chitiu estis loko nomita Golgotha, staranta ekstere de la urbo.

La nomo *Golgotha* signifas *kranio* ; ghi korespondas, tio shajnas, al la franca vorto *Chaumont* (1), kaj montris kredeble altajheton senkreskajhan, havantan la formon de senhara kranio. Oni ne konas ghuste la lokon de tiu altajheto. Ghi estis certe norde au nordokcidente de la urbo, che la alta ebenajho neegala, kiu staras inter la muroj kaj la du valoj de Cedrono kaj Hinnom, regiono sufiche vulgara malgajigita ankorau de la malfelichaj detaloj de la najbarajho de granda urbo. Estas malfacile loki Golgotha'n che la ejo preciza, kie depost Konstanteno la tuta kristanaro ghin respektegis. Tiu loko estas tro en la interno de la urbo, kaj oni estas emigata kredi, ke en la epoko de Jesuo, ghi staris en la zono de la muroj.

La kondamnito krucumota devis porti mem la ilon de sia turmento. Sed Jesuo, pli malforta korpe ol siaj du kunestantoj, ne povis porti sian. La tachmento renkontis ian Simonon de Kureneo, kiu revenis de la kamparo, kaj la soldatoj, kun la perfortetaj procedoj de la garnizonoj alilandaj, lin devigis porti la arbon pereigan. Eble ili uzis tiel konsentitan rajton servutan, char la Romanoj ne povis sharghi sin mem je la ligno malglora. Shajnas ke Simono anighis pli poste en la kunularon kristanan. Liaj du filoj, Aleksandro kaj Rufus, che ghi estis tre konataj. Li rakontis eble pli ol unu cirkonstancon, kies cheestinto li estis. Neniu lernanto tiam estis apud Jesuo.

Oni alvenis fine al la ekzekutejo. Lau la kutimo hebrea, oni prezentis al la suferantoj vinon tre aromhavigitan, trinkajho ebriiga, kiun pro kompata sento oni donis al la kondamnito por lin duonsvenigi. Shajnas ke ofte la sinjorinoj Jeruzalemaj alportis mem al la malfelichuloj, kiujn oni alkondukis al la turmento, tiun vinon lasthoran ; kiam neniu el ili prezentighis, oni achetis ghin per la mono de la kaso publika. Jesuo, tushetinte la vazon per la ekstremajho de la lipoj, rifuzis trinki. Tiu helpacho de la kondamnitoj vulgaraj ne konvenis

(1) Elparolu Shomon (senhara-senarba monto).

al lia alta natureco. Li pliamis forlasi la vivon en la perfekta klareco de sia spirito, kaj atendi kun plena konscio la morton, kiun li estis volinta kaj alvokinta. Oni senigis lin tiam je liaj vestoj, kaj oni alligis lin al la kruco. La kruco konsistis el du traboj kunligitaj en formo de T. Ghi estis iom alta, tiel ke la piedoj de la kondamnito tushis preskau la teron. Oni komencis ghin starigi; poste oni al ghi alligis la suferanton, internigante najlojn en liajn manojn; la piedoj estis ofte najlitaj, kelkafoje nur ligitaj per shnuroj. Shtipo ligna, speco de anteno, estis alligita al la fusto(1) de la kruco, che la mezo, kaj pasis inter la kruroj de la kondamnito, kiu apogis sin sur ghi. Se tio ne estus, la manoj estus disshirintaj kaj la korpo estus mallevighetinta. Aliajn fojojn breto horizonta estis fiksita al la samalteco de la piedoj kaj ilin subtenis.

Jesuo ghuis tiujn terurajhojn lau ilia tuta kruelegeco. Soifo brulumanta, unu el la turmentoj de la krucumo, lin turmentis. Li petis trinkajhon. Estis apud tie vazo plena je la trinkajho ordinara de la soldatoj romaj, miksita de vinagro kaj akvo nomita *posca*(2). La soldatoj devis porti kun si sian *posca*'n en chiuj militiroj, che kiuj unu ekzekuto estis okazonta. Unu soldato trempis spongon en tiun trinkajhon, ghin metis sur la pinton de kano, kaj ghin portis al la lipoj de Jesuo, kiu ghin suchis La du shtelistoj estis krucumataj che liaj flankoj La ekzekutistoj, al kiuj oni forlasis ordinare la sengravajn deprenajhojn de la turmentitoj, lotis liajn vestojn, kaj sidante che la malsupro de la kruco, lin gardis. Lau unu tradicio, Jesuo estus elparolinta chitiujn vortojn, kiuj estis che lia koro se ne che liaj lipoj : « Patro, pardonu al ili; ili ne scias kion ili faras. »

Surskribajho, lau la kutimo roma, estis alligita sur la supro de la kruco, portanta en tri lingvoj, hebree, greke kaj latine : LA REGHO DE LA HEBREOJ. Kushis en tiu redaktajho io

---

(1) Parto de kolono staranta inter la fundamento kaj la kapitelo. Noto del Trad.

(2) Elparolu « poska ». *N. del' Trad.*

chagreniga kaj insulta al la nacio. La multaj preterirantoj, kiuj legis ghin, per ghi ofendighis. La pastroj igis Pilaton rimarki, ke oni estus devinta alpreni redaktajhon, kiu implikus nur, ke Jesuo diris sin regho de la Hebreoj. Sed Pilato, jam senpaciencigita per tiu afero, rifuzis ion shanghi al tio, kio estis skribita.

Liaj lernantoj estis forkurintaj. Sed liaj fidelaj amikinoj Galileaj, kiuj estis lin sekvintaj en Jeruzalemon, kaj daurigis lin servadi, ne lin forlasis. Mario Kleofas, Mario Magdalanino, Johanino, edzino de Hhuza, Salomeo, aliaj ankorau, staris che ia interspaco kaj lin ne forlasis per la okuloj.

Krom tiu grupeto da virinoj, kiu de malproksime konsolis liajn rigardojn, Jesuo havis antau si nur la vidajhon de la malnobleco homa au de ghia malspriteco. La preterirantoj lin insultis. Li audis chirkau si malspritajn mokojn kaj siajn kriojn antaumortajn aliigatajn en malamindajn ludvortojn. « Ha! jen li estas, oni diris, tiu, kiu nomis sin Filo de Dio! Lia Patro, se li volas, venu nun lin liberigi! Li savis la aliajn, murmuris oni, ankorau, kaj li ne povas savi sin mem. Se li estas regho de Israelujo, li malsupreniru de la kruco, kaj ni kredos lin! Nu, diris tria, ci, kiu detruas la templon de Dio, kaj ghin rekonstruigas en tri tagoj, savu cin, ni vidu! » Kelkaj, neprecize konantaj liajn ideojn malkovrajn, kredis audi lin alvokanta Elion, kaj diris : « Vidu ni chu Elio venos lin liberigi. » Shajnas, ke la du shtelistoj krucumataj che liaj flankoj lin insultis ankau. La chielo estis malhela, la tero, kiel che chiuj chirkauajhoj de Jeruzalemo, seka kaj malgajiga. Unu momenton, lau kelkaj rakontoj, la koro al li mankis; nubo kashis al li la vizaghon de lia Patro ; li havis tiam agonion je malespero, milfoje pli doloran ol la turmentoj. Li vidis nur la sendankecon de la homoj ; li eble pentis tial, ke li estis mortanta por raso malnobla, kaj ekkriis : « Dio mia, Dio mia, kial ci forlasis min? » Sed lia instinkto dia ankorau resuperis. Ju pli la vivo de lia korpo estingighis, des pli lia animo rekvietighis kaj revenis iom post

iom al sia chiela deveno. Li retrovis la senton pri sia misio; li vidis en la morton la savon de la mondo; li jam ne vidis la vidajhon malbelegan, kiu disvolvighis che liaj piedoj, kaj, profunde unuigate al sia Patro, li komencis sur la ekzekutilo la vivon dian, kiun li estis kondukonta en la koro de la homaro por centjaroj senfinaj.

La kruelegeco speciala de la turmento kruca estis, ke oni povis vivi dum tri au ech kvar tagoj en tiu terura stato sur la skabolo dolora. La sangado el la manoj haltis rapide kaj ne estis mortiga. La vera kauzo mortiga estis la staro kontraunatura de la korpo, kiu naskis konfuzon en la sangirado, terurajn dolorojn kapajn kaj stomakajn, kaj fine la rigidecon de la membroj. La krucumatoj fortikaj mortis nur pro malsato. La ideo naska de chitiu kruela turmento ne estis buchi rekte la kondamniton per vundoj difinitaj, sed elmeti la sklavon najlitan che la manoj, je kiuj ghi estis ne sciinta fari bonan uzadon, kaj lasi lin putri sur la ligno. La organaro delikata de Jesuo lin antaugardis je tiu malrapida agoniado. Chio emigas kredi, ke sveno au la rompigho subita de ia sangtubo che la koro venigis por li, post tri horoj, morton subitan. Kelkajn momentojn antau ol redoni la animon, li havis ankorau la vochon lautan. Subite li ellasis krion teruran, che kiu unuj audis : « O Patro, mi donas mian spiriton en ciajn manojn! » kaj kion la aliaj, pli priokupataj de la plenumo de la profetajhoj, tradukis per chi tiuj vortoj : « Chio estas konsumita! » Lia kapo klinighis sur lian bruston, kaj li mortis.

Ripozu nun en cia gloro, nobla iniciatinto. Cia afero estas farita; cia dieco estas fondita. De nun ekstere de la atingoj de la kadukeco, ci cheestados de la supro de la paco dia al la sekvoj senfinaj de ciaj faroj. Per la prezo de kelkaj horoj de sufero, kiuj ech ne atingis cian grandan animon, ci achetis la plej plenan nemorteblecon. Por miloj da jaroj, la mondo dependos de ci! Standardo de niaj kontraudiroj, ci estos la signo, chirkau kiu bataloghos la plej varmega batalo. Milfoje

pli vivanta, milfoje pli amata post cia morto ol dum la tagoj de cia restado chimalsupre, ci farighos ghis tia grado la shtono angula de la homaro, ke fortiri cian nomon el chitiu mondo estus ghin shanceli ghis ghiaj fundamentoj. Inter ci kaj Dio, oni jam ne distingos. Plene venkinto de la morto, prenu posedon de cia regholando, kien cin sekvos tra la vojo regha, kiun ci desegnis, jarcentoj da adorantoj.

---

## CHAPITRO DUDEK-TRIA.

### Karaktero esteca de la farajho de Jesuo.

Jesuo, oni tion chi vidas, neniam eliris en sia agado el la rondo hebrea. Kvankam lia simpatio al la malshatatoj de la bonkredo lin emigis akcepti la idolanojn en la regholandon de Dio, kvankam li pli ol unu fojon restadis sur lando idolana, kaj ke unu au dufoje oni surprizas lin rilatantan bonvole kun la alireligiuloj, oni povas diri, ke lia vivo fluadis tute en la mondeto, kie li naskighis. La landoj grekaj kaj romaj ne audis paroli pri li; lia nomo cheestas che la verkoj nesanktaj nur cent jarojn poste, kaj ech lau maniero nerekta, okaze de movoj ribelaj kauzitaj de lia instruo au de la persekutoj, kies objekto estis liaj skolanoj. Che la interno mem de judaismo, Jesuo ne daure impresis. Filono, mortinta proksimume en la jaro 50a, havas nenian konjekton pri li. Fl. Jozefo, naskighinta en la jaro 37a kaj skribinte che la fino de tiu jarcento, citas lian ekzekuton per kelkaj linioj, kiel okazintajho flankgrava; che la denombro de la sektoj tiamaj, li forgesas la kristanojn. La *Mishna* aliflanke prezentas neniun signon pri la sekto nova; la lokoj de la du Gemaroj, kie la fondinto de kristismo estas citata, ne antauenportas nin preter la kvara au kvina jarcento. La farajho esteca de Jesuo estis krei chirkau si rondon da instruatoj, al kiuj li inspiris alligitecon senliman, kaj en kies brustojn li demetis la ghermon de sia dogmaro. Esti amiginta sin « ghis tia grado, ke post lia morto oni ne chesis lin ami (1), » jen la cheffarajho de Jesuo, kaj kio frapis pleje liajn samtempulojn. Lia instruo estis io tiel malmulte dogmeca, ke li

(1) Fl. Jozefo.

neniam pensis ghin verki nek verkigi. Oni estis lia alighanto ne kredante chi tion au tion, sed alligighante al lia persono kaj lin amante. Kelkaj sentencoj rapide kolektitaj memore, kaj precipe lia modelo morala kaj la impreso, kiun li estis postlasinta estis tio, kio restis de li. Jesuo ne estas fondinto de dogmoj, farinto de simboloj ; li estas la iniciatinto de la mondo al spirito nova. La malplej kristanaj el la homoj estis unuflanke la doktoroj de la Eklezio greka, kiuj de la kvara jarcento enkondukis kristanaron en vojon de infanecaj diskutoj metafizikaj, kaj aliflanke la skolastikuloj de la mezepoko latina, kiuj volis tiri el Evangelio milojn da artikoloj el « Sumo » kolosa. Anighi al Jesuo pro la regholando de Dio, jen tio, kio estis unue nomata esti kristano.

Oni tiel komprenas, kial pro sorto escepta la kristismo pura prezentighas ankorau post dekok jarcentoj kun la karaktero de religio tutmonda kaj eterna. La tialo estas ke la religio de Jesuo estas vere pri kelkaj vidmanieroj la religio definitiva. La rajto de chiuj homoj partopreni la regholandon de Dio estis proklamita de Jesuo. Dank'al Jesuo, la rajtoj de la konscienco, forprenitaj de la legho politika, prosperis fondi povon novan, la « povon spiritan ». Chitiu povo deflankighis pli ol unufoje de sia deveno, dum jarcentoj la episkopoj estis princoj kaj la papo estis regho. La imperio pretendita de la animoj montrighis che diversaj okazoj kiel malbelega tiranajho, uzanta por daurigi sin la turmenton kaj la shtiparon, sed venos la tago, en kiu la apartigo produktos siajn fruktojn, en kiu la bieno de la aferoj de la spirito chesos esti nomataj « povo » por nomighi « libereco ». Elirinte el la konscienco de unu popolano, elshelirinte antau la popolo, amite kaj almirite unue de la popolo, kristismo estis impresita de karaktero devena, kiu neniam forighos. Ghi estis la unua triumfo de la revolucio, la venko de la sento popola, la altigo de la simplakoruloj, la unua vidigo de la belo tia sama, kia ghin komprenas la popolo. Jesuo malfermis tiel che la socioj nobelaraj de la antikvo la brechon, tra kiu chio pasos.

La povo civila, kvankam senkulpa pri la mortigo Jesuon (ghi

nur kunsubskribis la dekreton, kaj ech malgrau si), ja estis portonta peze ghian respondecon. Prezidante la scenon Golgothan, la Regno portis al si la plej gravan frapon. Legendo plena je chiaj malrespektajhoj superighis kaj rondiris la mondon, legendo, lau kiu la autoritatoj starigitaj ludas rolon malamindan, lau kiu la pravanto estas la kulpulo, lau kiu la jughistoj kaj la policanoj ligighas kontrau la vero. Ribela je la plejalta grado, la historio pri la Suferado, disvastigita de miloj da figurajhoj popularaj, montras la aglojn romajn sankciantajn la plej maljustan el la turmentoj, soldatojn ghin plenumantajn, unu prefekton ghin ordonantan. Kia bato al chiuj potencoj starighintaj! Ili neniam je ghi bone restaris. Kiel preni fronte de la malnobeloj elrigardojn de neerarebleco, kiam oni havas sur la konsciencon la grandan trompighon de Gethsemani?

Perfekte propramova, frukto de unu movo de la animoj liberigita che sia naskigho de chiuj premoj dogmaj, batalinta tri cent jarojn pro la libereco konscienca, kristismo, malgrau la faloj kiuj sekvis, rikoltas ankorau la fruktojn de tiu bonega deveno. Por renovighi, ghi bezonas nur reiri al Evangelio. La regholando de Dio tia, kian ni ghin komprenas, malsimilas takseble de la apero supernatura, kiun la unuaj kristanoj esperis vidi krevi che la nuboj. Sed la sento, kiun Jesuo enkondukis en la mondon bone estas la nia. Lia perfekta idealismo estas la plejalta regulo pri la vivo fortenema kaj virtama. Li kreis la chielon de la animoj puraj, kie sin trovas tio, kion oni petas vane de la tero, la perfekta nobleco de la infanoj de Dio, la sankteco absoluta, la tuta fortiro de la malpurajhoj de la mondo, la libereco fine, kiun la socio reala forigas kiel neeblajho, kaj kiu havas sian tutan vastecon nur che la bieno de la pensado. La granda majstro de tiu, kiu rifughas en tiun idealan regholandon de Dio, estas ree Jesuo. La unua, li proklamis la reghecon de la spirito; la unua, li diris, almenau per siaj faroj: « Mia regholando ne estas en chitiu mondo. » La fondo de la vera religio estas vere lia farajho. Post li estas farote nur ghin disvolvigi kaj fruktigi.

« Kristismo » tiel farighis preskau egalsenca kun « religio ». Chio el tio, kion oni metos ekstere de tiu granda kaj bona tradicio kristana, estos senfrukta. Jesuo fondis la religion en la homaro, kiel Sokrato tie fondis la filozofion, kiel Aristotelo tie fondis la sciencon. Filozofio estis antau Sokrato kaj scienco antau Aristotelo. De Sokrato kaj de Aristotelo, filozofio kaj scienco faris grandegajn progresojn; sed chio estas konstruita sur la fundamento, kiun ili metis. Tiel same antau Jesuo la pensado religia estis trairinta multe da revolucioj; depost Jesuo, ghi ricevis grandajn akirajhojn; oni ne eliriis tamen, oni ne eliros el la kono esteca, kiun Jesuo kreis; li fiksis por chiam la ideon pri la kulto pura. La religio de Jesuo en tiu senco ne estas limigita. La Eklezio havis siajn periodojn kaj siajn fazojn; ghi enfermighis en simboloj, kiuj havis au havos nur unu epokon : Jesuo fondis la religion absolutan, elpelante nenion, determinante nenion, krom la sento. Liaj simboloj ne estas dogmoj difinitaj ; ili estas figuroj interpreteblaj senfine. Oni vane serchus propozicion disciencan en Evangelio. Chiuj kredkonigoj estas alivestigoj de la ideo de Jesuo, proksimume kiel la skolastiko de la mezepoko, proklamante Aristotelon la majstro de scienco perfekta, falsis la penson de Aristotelo. Aristotelo, se li estus cheestinta al la disputoj de la skolo, estus forjhetinta tiun kredon mallarghan; li estus estinta el la partio de la scienco progresanta kontrau la rutino, kiu tegis sin per lia autoritato; li estus aplaudinta ghiajn kontraudirantojn. Tiel same, se Jesuo revenus inter nin, li rekonus skolanoj ne tiujn, kiuj pretendas lin enhavigi tute che kelkaj frazoj katekismaj, sed tiujn, kiuj laboras por lin daurigi. La gloro eterna, che la chiuj grandecgradoj, estas en la meto de la unua shtono. Estas eble ke, che la « Fiziko » kaj « Meteorscienco » nuntempaj, oni ne trovas ech unu vorton el la traktajhoj de Aristotelo portantaj tiujn titolojn; Aristotelo spite de tio estas la fondinto de la naturscienco. Kiaj ajn estu la aliformighoj de la dogmo, Jesuo restos pri religio la kreinto de la sento pura; la Prediko sur la monto ne estos superata. Neniu revolucio faros, ke ni jam ne

alligos nin al la granda linio spirita kaj morala, che kies kapo brilas la nomo de Jesuo. En chitiu senco, ni estas kristanoj, ech kiam ni apartigas nin pri preskau chiuj punktoj de la tradicio kristana, kiu antauiris nin.

Kaj tiu granda fondo estis vere la farajho persona de Jesuo. Por esti adoriginta sin tiagrade, estas necese, ke li estis adorinda. La amo ne aliras nehavante objekton inda ghin eksciti, kaj ech se ni nenion scius pri Jesuo krom la pasion, kiun li inspiris al sia chirkauantaro, ni tamen devus certigi, ke li estis granda kaj pura. La kredo, la entuziasmo, la konstanco de la unua samaghularo kristana klarighas nur supozante che la deveno de la tuta movo homo kun grandecoj kolosaj. Niaj civilizoj, regataj de polico detaleta, ne povus doni al ni ian ideon pri tio, kion valoris la homo che epokoj, kiam la originaleco de chiu havis por disvolvighi kampon pli liberan. Supozu ni dezertulon loghantan che la shtonminejoj najbaraj de niaj chefurboj, eliranta de tie por prezentighi al la palacoj de la regnestroj, transpashanta la instrukcion kaj, per tono fierordonanta, sciiganta la reghojn pri la baldauigho de la revolucioj, kies iniciatanto li estas. Tiu ideo ridetigas. Tia, tamen estis Elio. Elio la Thesbano niatage ne transirus la pordeton de la Tuileries(1). La predikado de Jesuo, lia libera agado en Galileo, tiel same estas malproksima de la kondichoj sociaj, al kiuj ni estas kutimigitaj. Liberigitaj de niaj interkonsentoj ghentilaj, liberaj de la edukado unuforma, kiu nin rafinas, sed kiu malgrandigas tiel grande nian individuecon, tiuj animoj tutaj portis en la agadon energion surprizigan. Ili shajnas al ni kiel la grandeguloj de epoko heroeca, kiu estus ne havinta realecon. Eraro profunda! Tiuj homoj estis niaj fratoj; ili havis nian kreskon, sentis kaj pensis kiel ni. Sed la blovo de Dio estis libera che ili; che ni, ghi estas katenata de la ligiloj feraj de socio malgrandanima kaj kondamnita al nerebonigebla malboneteco.

---

(1) Loghejo Pariza de la imperiestro Napoleono, bruligita dum la komunuma ribelo (1871).

Ni do loku sur la plejaltan pinton de la grandeco homa la personon de Jesuo. Ne lasu nin erarigi de malfidoj troaj kontrau legendo, kiu chiam tenadas nin en mondo superhoma. La vivo de Francisko d'Asiso ankau estas nur teksajho da mirakloj. Chu tamen ni iam dubis pri la ekzisto kaj la rolo de Francisko de Asiso ? Ne diru ni plimulte, ke la gloro de la fondinto de kristismo rajte devas reveni al la amaso de la unuaj kristanoj, kaj ne al tiu, kiun la legendon diigis. La neegaleco de la homoj estas multe pli markata en Oriento ol che ni. Ne malofte oni vidas tie levighi, che la mezo de atmosfero ghenerala de malboneco. karakterojn, kies grandeco nin mirigas. Tre malproksime ke Jesuo estu kreita de sia instruatoj, Jesuo videblighas en chio supera al siaj instruatoj. Chitiuj, krom Sankt-Paulo kaj eble sankt-Johano, estis homoj havantaj nek elpensemon nek genion. Sankt-Paulo mem subtenas nenian komparon kun Jesuo, kaj pri Sankt-Johano, tiaj mallumajhoj chirkauas la devenojn de la sekto, kiu rilatis al li, ke oni povas paroli pri lia rolo persona nur kun granda singardo. De tio venas la grandega supereco de la Evangelioj inter la skribajhoj de la Nova Testamento. De tio venas tiu falo chagreniga, kiun oni sentas transirante de la historio de Jesuo al tiu de la apostoloj. La evangeliistoj mem, kiuj transdonis al ni la figuron de Jesuo, estas tiel grande sub tiu, pri kiu ili parolas, ke senchese ili lin aliigas, pro manko de samalteco. Iliaj verkoj estas plenaj je eraroj kaj kontrausencoj. Oni sentas che chiu linio paroladon je beleco dia fiksitan de redaktintoj, kiuj ghin ne komprenas, kaj kiuj anstatauigas siajn proprajn ideojn al tiuj, kiujn ili komprenas nur duone. Sume, la karaktero de Jesuo, malproksime ke ghi estus plibeligita de siaj vivoskribistoj, estas malgrandigita de ili. La kritiko, por retrovi lin tian, kia li estis, bezonas forigi serion da malkomprenajhoj devenantaj de la malboneteco spirita de la instruatoj. Chitiuj lin pentris tian, kian ili lin komprenis, kaj ofte kredante lin pligrandigi, ili reale lin malpligrandigis.

Chu estus pli juste diri, ke Jesuo dankas chion al judaismo,

kaj ke lia grandeco ne estas alia, ol tiu de la popolo hebrea? Neniu pli ol mi estas pli inklina loki tre alten chitiun popolon ununuran, kies bonshanco speciala shajnas esti enhavinta en si la ekstremojn de la bono kaj de la malbono. Sendube Jesuo eliras el judaismo; sed li el ghi eliras tiel same, kiel Sokrato eliris el la sektoj de sofistoj, kiel Lutero eliris el la mezepoko, kiel Lamennais (Lamennä) el la katolikaro, kiel Rousseau (Rusoh) el la dekoka jarcento. Oni estas el sia jarcento kaj el sia raso, ech kiam oni kontraubatalas sian jarcenton kaj sian rason. Malproksime ke Jesuo estu la dauriganto de judaismo, li prezentas la rompighon kun la spirito hebrea. Supozante, ke lia penso pri tio povas faciligi ian dusencon, la direkto ghenerala de kristismo post li ghin ne ebligas. La irado ghenerala de kristismo estis forighi pli kaj pli de judaismo. Lia perfektigho konsistos reiri al Jesuo, sed certe ne reiri al judaismo. La granda originaleco de la fondinto restas do tuta; lia gloro allasas nenian rajtan partoprenanton.

Tiu altega persono, kiu chiutage prezidas ankorau al la sorto de la mondo, estas permesate ghin nomi dia, ne kun tiu senco, ke Jesuo estus ensorbinta la diajhon, sed kun tiu senco, ke Jesuo estas la individuo, kiu igis sian specon fari la plej grandan pashon al la dieco. La homaro, en sia tuto prezentas aron da estuloj malnoblaj, egoistaj, superaj al la besto nur per tio, ke ilia egoismo estas pli pripensema. Tamen che la mezo de tiu unuforma vulgareco kolonoj levighas al la chielo, kaj atestas pli noblan sorton. Jesuo estas la plej alta el tiuj kolonoj, kiuj montras al la homo de kie li venas, kaj al kio li devas celi. En li densighis chio bona kaj nobla en la naturo. Li ne estis nepekema; li venkis la samajn pasiojn, kiujn ni batalas; neniu anghelo de Dio lin refortigis, krom lia bona konscienco; neniu Satano lin tentis, krom tiu, kiun chiu portas en sia koro. Kiel kelkaj el liaj grandaj elrigardoj estas perditaj por ni sekve de la inteligenteco de liaj lernantoj, tiel same estas ankau kredeble ke multe el liaj eraroj estas kashitaj. Sed neniam iu tiel grande superigis en sia vivo la utilon de la homaro super la malgrandajhoj de la memestimo.

Dedichita senmezure al sia ideo, li al ghi submetis chiun aféron lau tia grado, ke che la fino de lia vivo la tutmondo jam ne ekzistis por li. Per chitiu malmodereco de volado heroa li almilitis la chielon. Estis neniu homo ghis tia sama grado malshatinta la familion, la ghojojn de chitiu mondo, chian zorgon monduman. Li vivis nur je sia Patro kaj je la misio dia, pri kiu li havis la konvinkon esti primisiita. Kion rizervas al ni la estontajho? Chu la granda originaleco renaskighos, au chu la mondo kontentighos de nun sekvante la vojon malfermitan de la sentimegaj kreintoj de la malnovaj aghoj? Ni tion nescias. Chiel Jesuo ne estos superata. Lia kulto rejunighos senchese; lia legendo naskigos el la plej belaj okuloj larmojn senfinajn; liaj suferoj moligos la plej la bonajn korojn; chiuj jarcentoj proklamos, ke el la filoj de la homoj ne naskighis unu pli granda ol Jesuo.

FINO.

---

# TABELO DE L'ENHAVO.

| | ANSTATAŬ : | LEGU : |
|---|---|---|
| 5/ 7 | flanken | flankan. |
| 5-(2) 1 | esta | estas |
| 19/22-25 | hebreismo | judaismo. |
| 22/ 7 | nobelan ol | nobelan alie ol. |
| 28/30 | kiu trudis | kiuj trudis. |
| 29/12 | ano | jaro. |
| 33/31 | forsenton | kontraŭsen ton. |
| 36/26 | identan | identa. |
| 37/13 | Israelon | Izraelo. |
| 38/31 | enigmaj kaj strangaj | enigma kaj stranga. |
| 40/22 | faris li | faris lin. |
| 48/26 | lia majstro | sia instruinto. |
| 50/25 | edziniginta | edzinigita. |
| 56/22 | Aristigito | Aristogito. |
| 57/ 1 | sian | siajn. |
| 58/15 | velon | vualon. |
| 59/32 | malamegata | malameginda. |
| 62/30 | Chitiu | Tiam. |
| 115/ 1 | neniam | iam. |
| 162/10-11 | ilin | lin. |

